# LA SIMBOLO

Abonprezo: enlande, Sm. 2,00; eksterlande, Sm. 2,50
Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista, London

Entered as second-class matter April 7, 1909, at the postoffice at Tacoma, Washington under the Act of Congress of March 3, 1879.

## ENHAVO



**Sin turnu al**

**Symbol Publishing Co.,**

**Post Office Box 1020, Tacoma, Wash.**




Jaro IIIa MARTO, 1911 Num. 1a

Ĉu ni ne similas al tia sama materialo el kiu la songôj naskiĝas?

## KELKAJ "POEMOJ EN PROZO."

### EL RUSA LINGVO -- DE IVAN TURGENEV (1).

---

INTERPAROLADO.

"Nek sur Jungfraŭ, nek sur Finsteraarhorn iam estis homa piedo!"



LPAJ suproj. . . . Tuta ĉeno da krutaj terasoj. . . . La korinterno mem de la montaro.

Super la montoj -- pale-verda, hela, muta ĉielo. Forta, seka frosto; malmola, fajreriga neĝo; el-sub la neĝo elŝoviĝas krudaj pecegoj de glaciiĝintaj, ventegumitaj ŝtonegoj.

(1) Tradukis por LA SIM. D-ro Andreo Fiŝer-Tiflis.

Du kolosoj, du eguloj supreniĝas ĉe ambaŭ flankoj de l' horizonto: Jungfraŭ kaj Finsteraahorn (2).

Kaj Jungfraŭ diras al sia najbaro: "Kion da nova vi diros? al vi estas pli videble. Kio estas tie, malsupre?"

Forpasas kelkaj miloj da jaroj: unu minuto. Kaj Finsteraahorn tondras responde: "Seninterspacaj nuboj surkovras la teron. . . Atendu!"

Forpasas ankoraŭ miljaroj: unu minuto.

"Kaj nun?" demandas Jungfraŭ.

"Nun mi vidas; tie, malsupre, ĉio estas sama: diverskolora, malgrandeta. La akvoj bluiĝas; nigriĝadas la arbaroj; griziĝas amasoj da kunigitaj ŝtonoj. Apud ili ankoraŭ rampadas skarabetaĉoj, vi scias, tiuj dupiedaletoj, kiuj ĝis nun ankoraŭ nek vin, nek min sukcesis malpurigi."

"Homoj?"

"Jes; homoj."

Forpasas miljaroj: unu minuto.

"Kaj nun?" demandas Jungfraŭ.

"Ŝajne, malpli multenombraj skarabetoj vidiĝas," tondras Finsteraahorn; "fariĝis pli hele malsupre; la akvoj mallarĝiĝis, maldensiĝis la arbaroj."

Forpasas ankoraŭ miloj da jaroj: unu minuto.

"Kion vi vidas?" diras Jungfraŭ.

"Apud ni, proksime, kvazaŭ fariĝis pli pure," respondas Finsteraahorn; "nu, kaj tie, malproksime, en la valoj, vidiĝas ankoraŭ makuloj, kaj io movetiĝas."

"Kaj nun?" demandas Jungfraŭ, post pluaj miljaroj: unu minuto.

(2) Montegoj en svisa alparo.—A. F.

"Nun estas bone," respondas Finsteraahorn; "ĉie fariĝis pure, tute blanke, kien ajn oni rigardas. . . Ĉie kuŝas nia neĝo, la glata neĝo, kaj la glacio. Ĉio estas glaciiĝinta. Nun estas bone, kviete."

"Bonege," ekparolis Jungfraŭ. "Tamen ni estas sufiĉe babilintaj, maljunulo. Estas jam tempo por dormi."

"Estas jam tempo!"

Dormas la grandegaj montoj; dormas la verda luma ĉielo super la tero por ĉiam silentiĝinta.

———

## ALMOZULO.

MI laŭiris straton . . . almozulo, kaduka maljunulo min haltigis.

Brulumitaj, plorumaj okuloj, bluiĝintaj lipoj, mizeraj ĉifonaĵoj, malpuraj ulceroj. . . Ho, kiom malbele la malriĉeco estis ĉirkaŭmordetintá tiun kompatindan estaĵon!

Li etendis al mi sian ruĝan, ŝvelintan, malpuran manon. . . Li ĝemis, li blekis pri helpo.

Mi ekis palpi en ĉiujn miajn poŝojn. . . Nek monujon, nek horloĝon, nek eĉ poŝtukon . . mi nenion estis preninta kun mi.

Tamen la almozulo adis atendi . . lia etendita mano malforte ŝanceliĝis kaj tremetis.

Perdiĝinta, konfuzigita, mi forte ekpremis tiun malpuran, tremantan manon. . . "Ne mallaŭdu min, frato; mi havas nenion, frato."

La almozulo regardis min per siaj brulumitaj okuloj; liaj bluaj lipoj ekridetis, — kaj li siavice ekpremis miajn malvarmiĝintajn fingrojn.

"Kion do fari, frato?" li elparolis sendente: "eĉ pro tio — dankon. Ĝi ankaŭ estas almozo, frato."

Mi komprenis, ke mi ankaŭ estas ricevinta almozon de mia frato.

— — —

### ORIENTA LEGENDO.

KIU en Bagdado ne konas la grandan Ĝiafar'on, la sunon de l' universo?

Unufoje -- antaŭ multe da jaroj -- li estis ankoraŭ junulo, -- Ĝiafaro promenis en la ĉirkaŭaĵo de Bagdado.

Subite al lia aŭdo alflugis raŭka krio: iu malespere vokis pro helpo.

Ĝiafaro distingiĝis inter siaj samaĝuloj per prudenteco kaj pripensemo; sed lia koro estis kompatema, -- kaj li fidis al sia forto.

Li kuris laŭ la krio kaj ekvidis kadukan maljunulon, alprematan al urba muro de du rabistoj, kiuj lin rabis.

Ĝiafaro eligis sian glavon kaj atakis la krimulojn: li mortigis la unuan kaj forpelis la duan.

La liberigita maljunulo falis ĉe la piedojn de sia savinto kaj, kisante la randon de lia vesto, ekkriis: "Kuraĝa junulo, via grandanimeco ne restos senrekompenca. Laŭŝajne mi estas malriĉa almozulo, sed nur -- laŭŝajne. Mi ne estas simpla homo. Venu morgaŭ, frumatene, al la ĉefa bazaro; mi atendos vin apud la fontano, — kaj vi konvinkiĝos pri la praveco de miaj paroloj."

Ĝiafaro ekpensis: "Laŭvide ĉi tiu homo estas almozulo, certe; tamen--ĉio estas ebla. Kial ne ekprovu?" -- kaj li respondis: "Bone, patro mia, mi venos."

La maljunulo ekrigardis en liajn okulojn — kaj foriris.

La morgaŭan matenon, kiam apenaŭ ektagiĝis, Ĝiafaro iris al la bazaro. La maljunulo jam lin atendis, sin apogante al la marmora kalikego de la fontano.

Senparole li prenis la manon de Ĝiafaro kaj alkondukis lin en malgrandan ĝardenon, ĉirkaŭitan je ĉiuj flankoj per altaj muroj.

En la mezo mem de la ĝardeno, sur verda herbejo, kreskis arbo de neordinara aspekto.

Ĝi similis cipreson; nur ĝia foliaro estis lazurkolora.

Tri fruktoj -- tri pomoj -- pendis sur maldikaj suprenfleksitaj branĉetoj: la unua -- de meza grandeco, longforma, lakteblanka; la dua -- granda, globforma, hel ruĝa; la tria -- malgranda, sulkigita, dubeflava.

La tuta arbo malforte bruetis, kvankam estis nenia vento. Ĝi sonoradis delikate kaj plende, kvazaŭ vitra; ŝajnis, ke ĝi sentas la alproksimiĝon de Ĝiafaro.

"Junulo!" ekparolis la maljunulo. "Deŝiru iun ajn el ĉi tiuj fruktoj kaj sciu: se vi deŝiros kaj manĝos la blankan, -- vi estos la plej saĝa el ĉiuj homoj; se vi deŝiros kaj manĝos la ruĝan, — vi fariĝos riĉa, kiel la hebreo Rothschild; se vi deŝiros kaj manĝos la flavan, -- vi plaĉados al maljunaj virinoj. Decidiĝu! . . kaj ne tro malrapidu. Post unu horo la fruktoj velkiĝos, kaj la arbo mem foriĝos en la mutan profundaĵon de la tero!"

Ĝiafaro mallevis la kapon -- kaj ekpensiĝis. "Kion do fari tiuokaze?" li elparolis duonvoĉe, kvazaŭ rezonante kun ŝi mem. "Se mi fariĝos tro saĝa, -- eble mi ne volos vivi; se mi fariĝos pli riĉa ol ĉiuj homoj, -- ĉiuj min enviados; pli bone do mi deŝiru kaj manĝu la trian, sulkigitan pomon!"

Kaj li tion faris. La maljunulo ekridis per sendenta rido kaj diris: "Ho, plej prudenta junulo! Vi elektis la plej bonan parton! Por kio vi bezonus la blankan pomon? Vi ja sen ĝi estas pli saĝa ol Salomono. La ruĝa pomo ankaŭ ne estas necesa al vi . . sen ĝi vi estos riĉa; almenaŭ neniu enviados vian riĉecon."

"Diru al mi, maljunulo," ekparolis Ĝiafaro, ektremetinte: "Kie loĝas la respektinda patrino de nia Diservata Kalifo?"

La maljunulo salutis, sin klinante ĝis la tero, -- kaj montris la vojon al la junulo.

Kiu en Bagdado ne konas la sunon de l' universo, la grandan, gloran Ĝiafar'on?



LA bonokazo estas bridita kaj selita ĉevalo, kiu unufoje haltas antaŭ ĉies pordo. Estu preta, eksaltu en la selon, kaj li portos vin al honoro kaj famo. Prokrastu eĉ momenton, kaj, laŭ la koridoroj de l' Tempo, la brua eĥo de liaj flugantaj hufoj por ĉiam rememorigos vin pri tio, kion vi perdis.—Charles Stewart Parnell.



MALFORTULO atendas la okazon; ordinara homo trovas ĝin, kiam ĝi venas; grandulo kreas tiun, kiun li deziras.—Toneros, en Sveda Esperantisto, Hedemora.



DIRIS la Muziko: Mi min trovis, kiam mi eksciis, ke la Koro de l' Humaneco ĉie pulsas kun sama ritmo.—Peace Pipe Press, Seatlo, Wash.

## DE MARK TWAIN.

### "VIZITO CHIELON DE KAP. STORMFILD" (1).



POST ankoraŭ kelka interparolo pri tiu temo, mi diris: "Sandy, mi rimarkas, ke mi preskaŭ neniam vidas blankan anĝelon; kie mi trovas unu blankulon, mi renkontas almenaŭ cent milionojn da kuprokoloruloj -- personoj kiuj ne povas paroli angle. Kial estas?"

"Nu, vi trovos ke estas tute same en ĉiu ŝtato kaj teritorio en la usona angulo de ĉielo, kien ajn vi iros. Mi unufoje ekpafiĝis kaj fulmorapide vojaĝis milionojn post milionoj da mejloj, tra sennombraj amasegoj da anĝeloj, sen vidi eĉ solan blankulon, sen aŭdi eĉ vorton kiun mi povis kompreni. Vi scias, ke indianoj kaj aztekoj kaj tiaspecaj popoloj loĝadis en Ameriko bilionon da jaroj antaŭ ol blankulo kia ajn staris sur ĝia tero. En la daŭro de tricent jaroj post la eltrovo de Kolumbo, neniam loĝis je unu tempo pli multe ol unu mezgranda parolada aŭdantaro da blankuloj en Ameriko -- mi volas diri, en la tuta lando, britaj havaĵoj kaj ĉio. Je la komenco de nia jarcento troviĝis nur ses aŭ sep milionoj -- eble sep; 12,000,000 aŭ 14,000,000 en jaro 1825; eble 23,000,000 en 1850; 40,000,000 en 1875. Inter ni la proporcio de mortoj estas ĉiam po 20 en 1000 ĉiujare. Nu,

(1) Eltiro el angla verko, de "Mark Twain," fama usona humoristo; por LA SIMBOLO tradukis Farnsworth Wright - Reno, ŝtato Nevado. (From "Captain Stormfield's Visit to Heaven," published by Harper & Brothers; copyright, 1909, by Mark Twain Company; — kun permeso.)

140,000 personoj mortis en la unua jaro de la jarcento; 280,000 mortis en la dudekkvina jaro; 500,000 en la kvindeka jaro; ĉirkaŭ miliono en la sepdekkvina jaro. Mi estu liberala pri la nombro, kaj mi konstatu, ke kvindek milionoj da blankuloj mortis en Usono de la komenco ĝis nun -- diru 'sesdek,' se vi volas; diru 'cent milionoj' -- kelkaj milionoj pli aŭ malpli ne gravas. Nu, do, vi mem povas percepti, ke, se oni disvastigus tian malgrandan kvazaŭ polveron el personoj sur jenaj centoj da bilionoj da mejloj da usona tero en ĉielo, estus kvazaŭ oni dissemus dekcendan (2) skatoleton da piloloj sur la Granda Saharo, esperante retrovi ilin. Ni ne rajtis esperi ke ni eĉ iomete valoros en ĉielo; kaj ni ne valoras -- nu jen estas la nuda fakto, kaj ni devas elteni ĝin kiel eble plej bone. La instruituloj el aliaj planedoj kaj aliaj sistemoj venas tien ĉi kaj vagadas kelkan tempon, rondvojaĝante tra la Regno; kaj fine ili iras returne en sian regionon de ĉielo; kaj ili verkas vojaĝlibrojn, en kiuj ili donas eble kvin liniojn pri Ameriko. Kaj kion ili diras pri ni? Ili diras, ke tiu ĉi dezerto enhavas disĵetitan loĝantaron el kelkcent milbilionoj da ruĝaj anĝeloj, kune kun, tie ĉi kaj tie, strange vizaĝkolora malsanigita anĝelo. Ĉu vi komprenas? Ili opinias ke ni blankuloj kaj la okaze trovita nigrulo estas indianoj blankigitaj aŭ nigrigitaj de ia lepra malsano -- pro iu strange malnobla peko -- nur pripensu! Ĉio ĉi tio estas treege acida pilolo al ni ĉiuj, amiko mia, eĉ al la plej modestaj (kaj ni ne pripensu aliajn specojn, kiuj prezentas al si, ke oni bovenos ilin kiel antaŭlonge perditan registaran obligacion, kaj ke krom tio ĉirkaŭbrakos Abrahamon). Mi ne pridemandis al vi la cirkonstancojn, Kapitano, sed mi su-

(2) Dek cendoj ĉirkaŭvaloras du spescentoj.

pozas ke ne necesas diri -- se iom valoras mia memoro pri mia akcepto en ĉielon -- ke oni ne multe hurais pri vi kiam vi alvenis; -- ĉu mi diras prave?"

"Ne altuŝu ĝin, Sandy," mi diris, iom ruĝiĝinte. "Mi ne konsentus, eĉ kontraŭ la plej granda monsumo kiun vi povas nomi, ke la familio ĝin vidu. Ŝanĝu la temon, Sandy; ŝanĝu la temon."

"Nu, ĉu vi pripensas translogiĝi la Kalifornian departementon de feliĉo?"

"Mi ne scias. Mi ne pripensis ion definitivan rilate tion, ĝis kiam la familio alvenos. Mi pensis ke dume mi iom esploru, trankvilmaniere, kaj decidu poste. Cetere, mi konas iom multe da mortintoj, kaj mi intencis elserĉi ilin kaj interŝanĝi kun ili babilaĵojn pri amikoj, kaj pri la malnova tempo, kaj tio ĉi kaj tio, kaj demandi al ili, kiel ili ŝatas la lokon ĝis nun. Mi tamen opinias ke mia edzino deziros enloĝiĝi la Kalifornian regionon, ĉar la plimulto da ŝiaj perditaj parencoj estos tie, kaj ŝi ŝatas esti kun personoj kiujn ŝi konas."

"Ne permesu al ŝi. Vi vidas, kia la Jerza distrikto de ĉielo estas por blankuloj; nu, la Kalifornia distrikto estas miloble tiel malbona. Ĝi svarmas je malnobla speco de ledokapaj kotokoloraj anĝeloj -- kaj la plej proksima najbaro estas plejofte malproksima je miliono da mejloj. Tio, kio mankas en ĉielo, estas kunuloj -- kunuloj de la ĝusta speco kaj lingvo. Du-trifoje mi preskaŭ translogiĝis la Eŭropan parton de ĉielo, pro tio."

"Nu, kial vi ne faris, Sandy?"

"Ho, pro diversaj kialoj. Ekzemple, kvankam tie oni vidas sufiĉe grandnombre la blankulojn, oni preskaŭ ne povas kompreni unu el ili; kaj tial oni sopiras la interparoladon ĝuste tiom multe, kiel tie ĉi. Mi ŝatas

rigardi ruson aŭ germanon aŭ italon -- mi eĉ ŝatas rigardi francon se eble mi bonŝancas trovi lin farantan ion ne malĉastan -- sed nura rigardado ne kuracas la malsaton -- kion oni deziras, tio estas la interparolado."

"Nu, do, ĉu ne troviĝas Anglujo, Sandy -- la angla distrikto de ĉielo?"

"Jes, sed ĝi estas ne multe pli bona ol tiu ĉi ekstremo de la ĉiela bieno. Kiam oni renkontas anglojn naskitajn en la lastaj tricent jaroj, bone estas; sed en tiu momento kiam oni alvenas antaŭ la tempo de reĝino Elizabeto, la lingvo nebuliĝas; kaj ju pli oni iras malantaŭen en la tempon, des pli nebula fariĝas la lingvo. Mi iom interparolis kun unu persono nomita Langland, kaj kun viro de la nomo Chaucer -- malnovtempaj poetoj; -- sed neniel helpis, mi ne povis ilin kompreni, kaj ili ne povis kompreni min. Post tiam mi ricevis de ili leterojn, sed verkitajn en tiel erarplena angla, ke mi ne povis eltrovi kion ili volis diri. Antaŭ la tempo de tiuj homoj, la angloj estas nur fremduloj, nek pli nek malpli; ili parolas danan, germanan, normandifrancan, kaj iafoje miksaĵon el la tri; antaŭ tiuj, ili parolas latinan, kaj antikvan britan, irlandan kaj gaelan; -- kaj antaŭ tiuj ĉi lastaj sin trovas bilionoj post bilionoj da nuraj sovaĝuloj, kiuj parolas lingvaĉon kiun Satano mem ne povus kompreni. Jen estas la fakto: kiam en la anglaj lokoj vi renkontas unu homon kiun vi povas kompreni, vi devas vadi tra teruraj svarmegoj kiuj parolas ion tian, ke oni ne povas decidi, kiu parto de la lingvo estas kapo kaj kiu estas vosto. Vi scias, ke en la daŭro de biliono da jaroj, ĉiu lando en la mondo tiel ofte hompleniĝis de diversaj rasoj de homoj kaj diversaj specoj de lingvoj, ke tia miksgenta kaj mikslingva rezultato nepre devis okazi en ĉielo."

## LA LASTA USONANO.

### FRAGMENTO EL LA TAGLIBRO DE KAN-LI.

(Daŭrigo)



A 20an de Majo: Glacia vento kun pluvego el la nordoriento. Hieraŭ ni spasme spiris pro la varmega aero. Hodiaŭ ni tremas en vintraj vestoj.

La 21an de Majo: Same kiel hieraŭ. La plimulto de ni estas malvarma. Miaj dentoj tremas kaj mi estas kaj varma kaj malvarma. Ventego pli malbona neniam ĝemis ĉirkaŭ ŝipo. Omar nomis ĝin la kriegantaj voĉoj de la cent milionoj da Usonanoj kiuj sendube pereis en simila vetero.

La 16an de Junio: Estas multaj tagoj de kiam mi tuŝis ĉi tiun taglibron. Abomenan malsanon mi havis, kiu detruis energion kaj kuraĝon. Ĝi kvazaŭ similis al febro, kaj tamen miaj membroj estis malvarmaj. Mi ne povus ĝin priskribi eĉ se mi volus.

Abdul eniris la kajuton hodiaŭ vespere kun kelke da metalaj platoj kaj parolis pri ili. Li tute ne respektas la intelektojn de la antikvaj Usonanoj. Mi pensis momenton ke li kontraŭdiris sin, sed li estis prava kiel kutime. Estis jene:

Abdul: Ili multe legis.

Kan-Li: Vi jam diris al ni ke ili ne havis literaturon. Ĉu ili multe legis nenion?

Abdul: Vere, vi estas ĝin dirinta! Ĉiutage ili publikigis vastajn paperfoliojn en kiuj ili plej detale pri-

kribis ĉiujn krimojn. Ju pli terura la krimo, des pli preciza la priskribo. Teruroj estis ilia ĉefa ĝojo. Skandalojn ili englutis kun malsataj okuloj. Ĉi tiujn kronikojn de krimo kaj abomenaĵoj ili eldonis cent-milope. Preskaŭ ĉiu familio en la lando legis ilin.

Kan-Li: Kaj ĉu tio anstataŭis la literaturon?

Abdul: Jes.

La 20an de Junio: Ree ni estas sur la maro; malproksime de Nov-Jorko je dutaga vojaĝo. Nia decido estis subita. Abdul, en malfeliĉa momento, trovis inter tiuj malbenitaj platoj geografian karton de la lando, kaj sekve de tio li sentis fortegan deziron viziti unu urbon nomitan "Washington." Mi ŝanceliĝis kaj fine konsentis, malsaĝe mi pensas, ĉar la ŝipanaro sopiras Persujon. Kaj tiu ĉi urbo kuŝas enlande apud rivero. Li diras ke ĝi estis ilia plej belega urbo, la registara sidejo, la ĉefurbo de la lando. Ab-i-Garm ĵuras ke li ĝin povos trovi se la karto estas vera.

Hason ankoraŭ manĝas sola.

Hodiaŭ posttagmeze ni ripozis sur la ferdeko, dum Testudo kviete naĝis suden. Tero vidiĝis laŭ la dekstra flanko de la antaŭflanko, nedifinita strio laŭ la okcidenta horizonto.

Iom post tagmezo, dum ni preternaĝis la ruinon de giganta turo -- eble lumturo -- Abdul subite ekstaris kaj ĉirkaŭrigardis. Tiam li alparolis Ab-i-Garmon, demandante je kiom da mejloj ni estas malproksime de la Nov-Jorka haveno. La respondon mi forgesis, sed ĝi treege ekscitis la maljunulon. Mi rimarkis nekutiman brilon en liaj okuloj, ankaŭ ektremon de la fingroj dum li almontris la maron ĉirkaŭan, kaj ekparolis:

"Sub ni, la fundo de l' maro estas kovrita de feraj ŝipoj -- ruinoj de grandiozaj militŝiparoj--la plej potencaj en la homa historio!"

Tuj ni ĉiuj interesiĝis.

"Kiuj militŝiparoj?" mi demandis. "Kaj kio detruis ilin? Ĉu estis batalo?"

Abdul: Batalo, grandega ekster la koncepto de iu Perso; konflikto en kiu la maro skuiĝis kaj la ĉielo disŝiriĝis per la tondrado de feraj monstroj. Unu el ili estis sufiĉe potenca por dispecigi en atomojn tutan aron da Testudoj.

Jafar-el-Beg: Vere! Tio estas rakonto facile dirita, sed ĝi tute ne estas kredinda. En Testudo mi sentus min sufiĉe forta por kontraŭstari iujn el viaj infanfabelaj mirindaĵoj.

Abdul: Saĝa vi estas. Ĉar la perdo de via cerbo, Jafar-el-Beg, ne povus influi vian parolon.

Je kio ĉiuj ridegis, kaj Jafar-el-Beg silentis.

Kan-Li: Rakontu al ni pri tiu ĉi batalo, ho Abdul. Mi rememoras nun ke mi iam legis pri ĝi en la kolegio. Tiujn ĉi detalojn pri la antikva historio mi forgesas. Kiamaniere ĝi okazis?

Abdul: Mi jam diris ke la Usonanoj estis avaraj. Kaj ilia avareco, fine, okazigis tiun ĉi militon. Per partiaj leĝoj ili havigis al si la leonan parton de la komerco de la mondo. Tio haltigis la prosperon de aliaj nacioj, ĝis fine la plej potencaj nacioj de Eŭropo kombiniĝis por memdefendo kontraŭ tiu ĉi ĉion-sorbanta avideco. Ili amasigis mararmeon plej grandegan. Tiam, trans la oceanon, venis la fera malamiko. Kaj tie ĉi, sur la loko kie ni nun naĝas, ili renkontis la usonajn ŝipojn.

Kan-Li: Kiom da ŝipoj entute?

Abdul: La Usonanoj havis okdek grandajn ŝipojn el fero, kaj multajn pli malgrandajn ŝipojn. La malamikaro havis ducent kvardek grandajn ŝipojn, ĉiuj el fero. Ankaŭ pli malgrandajn ŝipojn por diversaj celoj ili havis.

Kan-Li: Alaĥo! Malbona afero por niaj avaraj amikoj! Kaj estante nacio da komercistoj ili eble malŝatis militon.

Abdul: Pri tio la historiistoj malkonsentas. Laŭ la Usonanoj mem ili estis potencaj militistoj. Sed iuj tiamaj verkistoj donas alian ideon. Ala-el-Kalaf estas certa ke ili estis timuloj, malfortaj en korpo kaj spirito, sed ofte tre bonŝancaj. Laŭ mia opinio ĉi tiu batalo ĵetas plenan lumon sur la aferon. Tago simila al tiu ĉi ĝi estis, ankaŭ en Junio, kiam la Eŭropanoj, naĝante norden laŭ la marbordo por kapti Nov-Jorkon, renkontis la usonan admiralon Bedford kun liaj okdek ŝipoj. Kaj la batalo ne longe daŭris.

Kan-Li: Vere, mi kredas vin! Tial ke la Eŭropanoj havis po tri ŝipoj kontraŭ unu mi donus al ili ĉirkaŭ duonan tagon, posttagmezon similan al ĉi tiu, por sendi la avarulojn al la fundo.

Abdul: Via konjekto estas bona, ho princo, rilate al la daŭro de la milito. Ĝi daŭris ĝuste someran posttagmezon. Sed estis la Usonanoj kiuj sendis la malamikojn al la fundo. Kaj la maro sub niaj piedoj estas kovrita de feraj korpoj.

Kan-Li: Diablo! Se tio estas vera rakonto, kaj mi ne dubas, la avaruloj ne estis tute malindaj.

Omar: Kiam tio ĉi okazis?

Abdul: En la frua parto de la dudeka jarcento. Mi ne rememoras la daton, sed ĝin neniam forgesis la

Usonanoj. Certe ili juste fieris, ĉar en tiu tago ili faris mirindaĵojn. Admiralo Bedford foje estis ĉirkaŭata de dekduon da germanaj militŝipoj. Kaj jen! li detruis ĉiujn! Kaj el franca kaj rusa ŝiparoj li detruis egalan nombron; ankaŭ kelkajn britajn kaj italajn ŝipojn.

Omar: Diablo! Bonega afero!

Abdul: Jes. Aliajn miraklojn faris la Usonanoj en tiu tago. Teksas, ŝipeto kun pinta antaŭparto, enpremegis truojn en dudekon da grandaj ŝipoj, kaj la akvo englutis ilin. Ankaŭ alia ŝipeto, longa kaj mallarĝa, kaj de la Usonanoj elpensita, faris grandajn difektojn. Tiu ĉi mirinda maŝino naĝis tien ĉi kaj tien inter la fremdaj ŝipoj kaj ilin difektegis. Multe da gloro la komandanto havigis al si.

Ab-i-Garm: Kaj kiom da ŝipoj perdis la Usonanoj?

Abdul: Raportoj estas kontraŭdiraj. Laŭ Usonano ili ne perdis iun ŝipon, sed laŭ aliaj aŭtoritatoj ili perdis kelkajn.

Kan-Li: Bonega batalo! Sed ĉu vi povas klarigi kiel tia malsupera popolo povis subite fariĝi heroaj?

Abdul: Laŭ Barnes, frua brita historiisto, ili estis mirige bonŝancaj sur la akvo. Kaj tiun diron subtenas unu hispana admiralo, Molino, kiu opinias ke la Usonanoj, estante malpia popolo, estis helpataj de la diablo.



LAŬ raporto de Kolonelo Cooper, nun sin trovas en Portlando, ŝtato Oregono, kvar klasoj de Esperanto. La Portlandanoj tre deziras havi tie la proksiman kunvenon de la E. A. N. A. En lasttempa kunsido en Takomo, delegitoj el la Nordokcidento unuanime kaj tre kore subtenis ĉi tiun proponon.

# PRI NIA PROJEKTO.

## PLANO PROPONATA POR LA ORGANIZADO.



NOMO: Eklezio de la Morgaŭo.

CELO: Fondi Eklezion kaj Komunumojn, kie ĉies devo estos helpi starigi vivmanieron kaj akiri la rimedojn per kio la individuo povos kreski nature, disvolviĝi libere, kaj sentime iri laŭ la elektita vojo.

MEMBROJ: Estos tri klasoj de Membroj: 1, Novicoj: Personoj kiuj dum nur kelka tempo vivas en la komunumo por provi la planon; 2, Iniciatitoj: Personoj kiuj, post plena studo, konsentas fidele helpi efektivigi la komunajn idealojn; 3, Adeptoj: Personoj kiuj, post provo, montras ke ili bone komprenas kaj povas plenumi la postulojn de la fundamenta celo. Nur Adeptoj havos la rajton voĉdoni la estraron.

ESTRARO: Konsistos precipe el unu ĉefo (nomota "La Kondukanto"), tri Konsilantoj kaj kvin Episkopoj. Kompreneble la Kondukanto estos ĉefdirektoro; la Konsilantoj siaj ĉefhelpantoj. La unua Konsilanto estos Direktoro de Financaj Aferoj; la dua estos Direktoro de Fakoj; la tria estos Sekretario-Kasisto. La Episkopoj estos Fakestroj kaj Instruistoj. La ĉefa devo de la Konsilantaro estos elfari planojn por konservi la sanon de membroj, flegi la malsanajn, helpi la senlaborajn, zorgi pri infanoj, konduki lernejojn, provizi bibliotekon, aranĝi amuzaĵojn, ktp.

KREDO: Ni kredas ke estas nur unu sola granda Tuto-Potenco, memviva kaj eterna, kiun kelkaj nomas

"God;" aliaj, "La Naturo." En diversaj landoj kaj en diversaj tempoj troviĝis kaj nun troviĝas diversaj nomoj; sed per kia ajn vorto alprenita, ĉie ĉiuj aludas al sama ideo, -- al tiu Spirito-Energio kaj al tiu Objekto-Materialo, el la kunfandiĝo de kiuj videbliĝas ambaŭ la stelplena ĉielo kaj la solida tero, kune kun ĉiuj formoj, ĉu vivintaj, ĉu vivantaj, ĉu vivontaj en la plej malproksima estonto.

Ni fidas je la bono de ĉi tiu eterne aganta Tuto-Potenco, ĉar estas neeble imaĝi malbonon al Ĉiapovulo. Se de la antaŭtempaĵo ni ja estas alkondukitaj al ĉi tiu punkto de la evoluado, do nepre estas devige pensi ke tiu sama eterna Potenco, dum ĉiuj venontaj jaroj, restos apud kaj ĉirkaŭ kaj en ni por atendi la plenumon de ĉiu alia ebla homa disvolviĝo.

Ni kredas ke ĉiuj tiuj ĉi disvolviĝoj devenas de inspiro; ke la inspiro leviĝas en la spirito sole pro la postuloj de la evoluado; kaj ke efektive ĉi tiu evoluado estas nur la konstanta irado antaŭen de la Tuto-Potenco mem.

Ni kredas ke, kiam ĉi tiu inspiro estos sufiĉe forta por plenposedi la spiriton, la homo tiel obsedata obstine laboregos ĝis kiam li povas vidi iomgrade la realigon de sia revo, per tiu sukceso disvolvigante definitivan parton de ĉi tiu de eterne deviga disvolviĝado.

Ni kredas ke, de tempo al tempo, en diversaj landoj, pro lokaj kaŭzoj, naskiĝas homoj al ĉi tiuj impulsoj de la Kosma Urĝo superordinare impresemaj; kaj ke ĉi tiuj homoj nepre kaj devige, unue revas kaj poste laboregas por alkonduki en ĉiun sian popolon diversajn plibonigojn. Kiam ili sukcesas, la sukceso rezultas nur de la fakto ke troviĝas en lia popolo kelkaj aliaj personoj, kiuj ankaŭ

plene sentas ĉi tiujn impulsojn, sed mankas al ili la forto sole per si mem forlasi, spite la admonoj kaj persvadoj kaj mokoj de kontraŭuloj, malnovajn kredojn kaj antikvan vivmanieron. Certe ne estas doninte al ĉiu tiu ĉi ŝajne mem-elektita kondukanto fari same gravan impreson sur sian sekvantaron; tamen, sendube ĉiu faras sian eblon, kaj ĉies laboro estas necesa por la plua disvolviĝo de ĉi tiu Tuto-Potenco kiu vere vivigas kaj funkciigas la ĉiam ŝanĝantan mondon.

La homa tendenco nature estas grupigi ĉiujn samcelanojn por kolektive peni efektivigi komunajn revojn, kaj ni kredas ke tiu tendenco nur sekvas la leĝojn de la Tuto-Potenco, kiuj ĉie regas kaj per kiuj ĉiu atomo en la universo nepre kaj devige serĉas kunigi sin kun sia similulo.

Ni kredas ke, je ĉi tiu momento, ekzistas efektivigeblaj revoj, por la realigo de kiuj nur mankas la starigo de iliaj simboloj, ĉar estas sole sub oportunaj kaj taŭgaj simboloj ke tiuj, kiuj havas similajn revojn kaj samajn celojn, povas grupiĝi. Unu el ĉi tiuj simboloj jam funkcias -- nia gazeto, La Simbolo. Kaj nun ni proponas konstrui, sur terpeco kiun posedas unu nia amiko, apud nia propra hejmo, sufiĉe grandan konstruaĵon (la duan videblan simbolon de nia celo), kie ni povos starigi iomgrade kaj laŭeble tiujn novajn formojn de vivmaniero, manĝado, ekzercado, lernado kaj amuziĝado, kiujn ni kredas necesaj por nia propra disvolviĝo kaj por la feliĉo de niaj posteuloj. Post tiu paŝo, ni lasos la movadon disvolviĝi laŭ inspiro kaj kreski laŭ kresko en la rondo de niaj kunlaborantoj.

Argumento: La homo aperas el la nekonta kaj en la nekonatan li malaperas; kaj en la daŭro de tuta sia

vivo li restas enigmo al si kaj al siaj konatuloj. Ĉiuj liaj konoj pri la objektiva mondo estas nenio pli, ol subjektivaj impresoj sur la kunvolvaĵoj de lia cerbo. En li, tamen, je la fundo, brulas neestingebla fajrero, kiu iafoje eklumigas la senfinajn koridorojn de la Eterneco; kaj per tiu lumo li klare vidas ke iel de ĉiam kaj iel por ĉiam io en li eterne vivdaŭris kaj eterne vivdaŭros.

De momento de embriiĝo ĝis elveno el utero, la homo funkcias nur per la patrino mem; sed tuj estas tranĉita la ligilo kiu ligis la infaneton al ŝi, videble komenciĝas la individueco; kaj percepto de ĉi tiu individueco, laŭ la iro de la jaroj, kreskas kaj fortiĝas ĝis alvenas maljuneco kaj eluzo de la fortoj. Kredeble dum la graveda periodo penetras al embria cerbo nur tiuj impulsoj kiuj cerbumigas la patrinon. Tial la infano naskiĝas kun precipe patrinaj tendencoj. Sed, de la naskiĝa momento mem, miloj da impulsoj el la ekstera mondo ĉirkaŭvolvas la etulon kaj en ĝian nervaron komencas inicii senperajn impresojn. Ripetado de ĉi tiuj impresoj fine vekas la konscion. Iom post iom la infano konstatas per kontakto ke ekzistas aliaj objektoj, aliaj estaĵoj, kiuj limigas la sferon kaj malvastigas la amplekson de liaj agoj. Kaj estas ĉi tiuj sentoj de limigo, binditaj per la memorpovo, kiuj eventuale estigas en li propran koncepton de lia individueco.

Ne estas grave ke neniu povas konstati ĝuste kian formon li havis en la antaŭtempaĵo kaj ĝuste kian formon li havos en la posttempaĵo. Sufiĉas ke li vivas; ke iel, ie, iam li vivis—iel, ie, iam li vivos. Tamen, neeble estas ne imagi ke, en la senfina eterna estinta ekzisto, li neniam konis kaj travivis la formojn kaj la spertojn de la nuna ekzisto; plie, kaj pli grave, neeble estas ne

imagi ke, en tiu senfina eterna estinta ekzisto, li neniam konis kaj travivis la formojn kaj la spertojn de la estonto! Por igi bonsanulon rememori okazintaĵon bone konitan al li, nur estas necese okazigi staton plensimilan al tiu kaŭzinta la unuan cerbobildon. Per sama rezonado, se la homo portas el la estinto rememoraĵojn pri senfina antaŭa ekzisto, por revivigi tiujn rememoraĵojn nur estas necese ke plensimila stato okazu! Do tio, kion ni nomas revo, vere estas rememoro pri estinta stato, kaj ie, iel, iam ĝi estos realigata. Tial oni devus plenfidi je efektivigeblaj revoj, ĉar ĉi tiuj estas nur rememoroj pri antaŭaj disvolviĝoj de la eterna Tuto-Potenco, kies integrala kaj funkcia parto ni sendube estas.

———

Ni invitas viajn helpon kaj aliĝon.

FRED RIVERS, je la nomo de

EKLEZIO DE LA MORGAUO.



MI konstante opiniis, ke ne ekzistas pli kristana scienco, ol la lingvo-scienco, la scienco, kiu ebligas interrilaton kaj solidarecon kun la plej granda nombro da homoj. Mi multfoje vidis, ke homoj malamike interrilatis nur sekve de l' meĥanika baro kontraŭ la reciproka komprenado. Tiamaniere, la ellerno de Esperanto kaj ĝia propagando estas sendube kristana agado, akcelanta la estigon de l' Regno Dia, — la agado, kiu prezentas la ĉefan kaj solan mision de homa vivo. — Leo Tolstoj. — Eltiro el "Ondo de Esperanto."

## LI ORNAMIS LA ĈEFURBON.

### EL VERKARO "DRASKI & SHARKI" DE IV. VAZOV (1)

CHIU, kiu lin konis antaŭ du jaroj, rememoras kiel estis tute alia homo sinjoro Buĉinski: malpeza, agrabla kaj gaja; ĉiam en bonhumoro, kio havis infektan agon sur la aliajn. Li serĉis tiam la societon, kiu ankaŭ lin serĉis; interesigis lin ĉiuj novaĵoj urbaj, kaj ĉiuj komunaj demandoj, kaj la plej bonaj postmanĝaĵoj, kaj la politiko, kaj la sorto de Bismarko kaj eĉ la literaturo...

Nun jam sinjoro Buĉinski estas tute la kontraŭa. Li ne estas tiu, kiu li estis. . . Klininta estas li la kapon al la tero, ĉiam enpensigita, ĉiam encentrigita, ĉiam sub la ŝarĝo de iu mistera pereiga zorgo. Al li restos la mondo! . . La rideto foriĝis el lia vizaĝo, la ĝojo ne trovas teraĵon en lia koro — ĝi estas tie fremdulino — kie enloĝiĝas la vermo de iu eterna enuo. Nek en societo jam, nek en kafejoj, nek en ĝardenoj li estos vidita. Vidviĝis de sinjoro Buĉinski ĉiuj gajaj lokoj. La politiko kaŭzas al li naŭzon, verŝajne--ankaŭ la tuta mondo! Kaj la literaturo? Dio mia! Li resendas returnen ĉiujn gazetojn kaj ĵurnalojn, kiujn, laŭ malnova kutimo, la redakcioj faras al li la honoron sendi. Ne estas pri ĵurnaloj al Buĉinski.

Kio estas al tiu eksamiko de l' mondo kaj de l' vivo? Kia malamika demono lin forigis de ili? Kial li ŝajnas tiel malfeliĉa?

(1) El bulgara lingvo, por LA SIMBOLO, tradukis Ivan H. Krestanof, Peŝtera, Bulgarujo.

Tiuj, kiuj juĝas facile, diras ke sinjoro Buĉinski estas ofero de ia hipoĥondrio.

Aliaj certigas — sekretaj hejmaj malfeliĉoj...

Aliaj — supozas alian.

Aliaj — ili nenion supozas, ĉar ne interesiĝas pri sinjoro Buĉinski.

Kaj la afero estas tute simpla.

Sinjoro Buĉinski havas . . havas . . nu mi diru kuraĝe . . havas novan domon je tri etaĝoj, aŭ tri-etaĝan, kiele esprimiĝas science la Sofianoj.

La nova domo je tri etaĝoj — jen la solvo de l' problemo.

Kaj ekrigardu, kiele li estas klinita al la tero, ĉu ne klariĝas, ke pezas sur lia dorso la ŝarĝo de tri etaĝoj?

Kaj rigardas li hodiaŭ sian domon kaj diras al si:

"En la tero sub tiu ĉi domo, kaj en la muroj, kaj en la arkaĵoj, kaj en la ĉambroj, kaj en la tegmento ĝia mi enterigis mian sanon kaj riĉaĵon kaj trankvilecon. Kaj de kiam mi fariĝis mastro de tiu ĉi domo, ĉiuj ĝojoj mondaj min forlasis kaj mia vivo pleniĝis anstataŭ ili per kambioj, per ŝuldoj neelpageblaj, templimoj, vizitoj de l' banko, garantiaĵoj, aktoj, notarioj; per korektoj, riparoj, preparoj, alfaroj, disputoj; per batalo kun la subteraj sofiaj akvoj, kiuj faras el miaj keloj lagojn, kien venas al vi tento droniĝi; kaj per malbonaj luantoj; kaj per multego da donoj: regnaj, urbaj, distriktaj, lernejaj, fervojaj, akvaj, balaaĵaj, kaj per flavaj kaj ruĝaj paperetoj portitaj al mi de birnikoj, kaj per invitfolioj kaj juĝoj kun mastroj depost du jaroj — kaj la tuta tiu superakvego da malbelaĵoj ariĝis sur mia vivo, ĉar iun tagon sinjoro Buĉinski ekdeziris ornami la ĉefurbon!

"Kaj tiu ĉi domo, anstataŭ min ĝojigi, estas al mi malamata kaj terura, kiel ĉerko, en kiu estas enterigita mia spirita trankvileco!"

. . . . . . . . .

Sed iun tagon la urbanoj, kaj la kafejoj, kaj la stratoj, kaj la ĵurnaloj vidis denove sinjoron Buĉinski; kaj sinjoro Buĉinski estis denove hela kaj feliĉa, kiel antaŭe. Al la demandoj de l' mirigitaj siaj amikoj, li respondadis ruze-rideteme, fortranĉante grandan pecon da koprivŝtica'a (2) kolbaso:

"Mi vivos kiel Stara-Planina (3) ja."

Sed kiel fariĝis tiu ĉi mirindaĵo? Ĉu sukcesis plej poste venki ĉiujn malhelpojn sinjoro Buĉinski? Ĉu li kutimiĝis ilin? Ĉu li paciĝis filozofie kun sia situacio? Aŭ kio?

Ne, sinjoro Buĉinski faris ankoraŭ pli bonan, ol tio: Li vendis la domon!

Kaj grave, sukcese: li ricevis preskaŭ la duonon de l' prezo, kiun kostis la domo.

Kaj nun sinjoro Buĉinski plu havas nek zorgon, nek ŝuldon.

Vere, li ankoraŭ marŝas iomete klinita al la tero.

Lia dorso estis trarompita por ĉiam de la pezo de l' tri etaĝoj!

(2) Koprivŝtica: bulgara urbeto konata laŭ siaj kolbasoj — troviĝas inter la Balkano kaj Sredna Gora-montaro.—Rim. de la trad.

(3) Stara-Planina: laŭvorte, "Maljuna Montaro;" estas bulgara nomo de la Balkano.



SENDU "La Simbolo'n" al viaj geamikoj.

## KIEL BELA ESTAS LA VIVO!

### EL PSIKOLOGIO DE L' RUSA JUNULARO (1).

SKIZO.

I.



A unuan fojon mi renkontis ŝin antaŭ tri jaroj, en Napolo.

Malgranda malgrasa pala, kun grandaj malgajaj okuloj, ŝi ŝajnis malforta kaj malsana infano. Kaj ŝi vere estis preskaŭ infano. Ŝi havis nur deksep jarojn, kvankam laŭ eksteraĵo oni pensus, ke ŝi havas ne pli ek dekkvin.

Oni nomis ŝin Rozo.

Tiu nomo tre malmulte harmoniis kun ŝia nebela vizaĝo kaj kaduka neinfane ĝiba figureto. Ŝi rememorigis ne pri floranta freŝa rozo, sed izola subrompita kampa herbero, kiun longatempe kaj senkompate turmentadis aŭtuna vento.

Ankoraŭ pli strange, preskaŭ moke sonis, kiam oni prezentis ŝin al mi:

"Revolucianino."

Ŝajne, tre malmulte da komunaĵoj estus inter tiu silenta revema malsana kreitaĵo kun reliefaj signoj pri disvolviĝanta ftizo -- kaj la servera, plena de eternaj maltrankvilegoj, sinsenigoj kaj danĝeroj, -- de ĉiama streĉiĝo kaj batalado, agado revolucia, en kiu pli grandaj ol la ŝiaj fizikaj fortoj konsumiĝadis en daŭro de nur kelkaj monatoj.

(1) Laŭ efektivo verkis Simeon Poltavski el Saratov, Rusujo.

Ŝia historio, kiun oni rakontis al mi kun kutima sendiferenteco, kiel oni rakontas ĉiam la historiojn de fremdaj, ne proksimaj homoj, estis, se vi volas, historio plej ordinara.

Dum la memorindaj tagoj de 1905-1906 la familio de Rozo loĝis en unu el la negrandaj distriktaj urbetoj de Polujo, kies nomon oni ne bezonas ĉi tie diri. En la urbeto, kiel en multaj aliaj urboj de l' Rusa Imperio, ekzistas revolucia organizaĵo, prezentinta el si, se mi ne eraras, ion similan al filio de la fama pra-germana "Bund."

En agado de tiu organizaĵo partoprenis Rozo.

Kiel ŝi trafis tien, oni ne scias. Estis diro, ke ŝi sukcesis tion dank' al rekomendo de unu el siaj parencoj, kiu okupis lokon de farmacisto en la urba apoteko kaj estis samtempe komitatano de l' organizaĵo. Eble vero. Sed la fakto, kiel ajn fariĝinta, restas fakto. Rozo estis "partiano" kaj partoprenis ĉiujn entreprenojn de l' organizaĵo.

Kion ŝi faris tie?

Kredeble, ŝi tre regule vizitadis la ankunvenojn. Silenta, enpensa, ŝi modeste alpremiĝadis al muro en ia malproksima angulo, atente rigardadis per siaj grandaj nigraj okuloj la sin anstataŭantajn unu post alia parolantojn kaj kun eksveneto de koro aŭskultadis iliajn flamajn indignajn paroladojn. Eble ŝi ankaŭ devis fari malgrandajn servojn en rolo de perulo inter la anoj de l' organizaĵo.

Sed krom ĉio tio, sur ŝi certe kuŝis unu tre grava kaj respondeca afero.

Ŝi devis kaŝi en sia loĝejo la "kontraŭleĝan" partiliteraturon.

Tiu rolo, pri kiu ŝi verŝajne tre fieris, estis por ŝi ja taŭga. Rozo estis tiel nerimarkebla, silentema, havis tiom malmulte da konatoj, -- kaj krom tio, kiu povus suspekti en ia ajn rilato al la revolucio malriĉan hebrean familion kunmetitan nur el maljunaj gepatroj kaj juna knabino, preskaŭ infano?

Sed la sur sin prenita de Rozo problemo kaŝi revolucian literaturon estis pli danĝera, ol oni pensis. Kaj tiu danĝereco alportis la neeviteblan katastrofon, kiu -- kiel ĉiam--venis ĝuste tiam, kiam oni ĝin tute ne atendis.

Unu belan tagon alvenis traserĉi la polico. La rolo de l' juna hebreino estis malkaŝata kaj ŝin minacis aresto kun la pluaj sekvoj.

Feliĉe, tiumomente Rozo ne estis dome. Tial ke sciigo pri la traserĉo kaj eltrovo de partia literaturo jam post kelkaj horoj fariĝis posedo de la tuta urbo, Rozo kaj ŝiaj kamaradoj eksciis pri la okazintaĵo pli frue ol la polico sukcesis trovi postesignojn de la juna revolucianino.

Oni longe ne prokrastis. Tuj estis fabrikita falsa pasporto, el la partia kaso eliris dudek rubloj da mono, kaj la "politika krimulino" rapidis forkuri alilanden.

Unue, ŝi trafis rusan migrulan kolonion en Berlin. Tie ŝi pasigis ĉirkaŭ du monatojn, ĝis ŝia mono tute elspeziĝis. Ŝiaj gepatroj estis tiel malriĉaj, ke ili ne povis sendi al ŝi eĉ unu moneron. La komitato, organizinta la forkuron alilanden, baldaŭ estis disigita dank' al aresto de kelkaj plej energiaj anoj kaj kelkatempe ĉesis ekzisti. La migrula kolonio ankaŭ ne volis teni ĉe si konfuziĝeman, ne sciantan tuj alkutimiĝi al la ĉirkaŭaĵoj fraŭlinon.

Post kelkaj interkonsiliĝoj oni decidis doni al Rozo sufiĉe da mono por veturigo ĝis iu alia migrula centro

ankoraŭ alilande. Ŝi estis forveturigata, oni ne scias kial, en Aŭstrion. Tie ŝi loĝis dum tri monatoj en Wien; poste estis sammaniere pluveturigata en Napolon, kie ĵus komencis organiziĝi la rusa studenta kolonio.

En Napolo la sorto renkontigis ŝin kun alia fraŭlino, same hebreino, kiu sin loĝigis tie -- kiel ŝi diris -- "pro la sano" kaj kiu same vivis duonmalsate, ne ricevante el la hejmo eĉ unu kopekon da mono.

Kiel okazas tre ofte, la fraŭlinoj rapide, sen intergradoj, preskaŭ tuj post la unua konatiĝo amikiĝis unu kun la dua. Rozo pasigadis ĉe la amikino tutajn tagojn, ofte restadis ĉe ŝi por dormo kaj fine ili decidis ekloĝi kune.

La amikino de Rozo estis pli energia kaj pli kapabla sin orienti en nova nekonata ĉirkaŭaĵo. Dum la komenca duonjaro, kiam oni ankoraŭ sendadis al ŝi po kvindek rubloj monate, ŝi sukcesis sufiĉe ellerni la lingvon italan. Kaj kiam ŝi ricevis de la patrino leteron plenan de plendoj kun sciigo, ke "la hejmaferoj iras tre malbone, la mono mankas kaj ofte oni havas eĉ nenion por manĝi" -- ŝi ne perdis kuraĝon. Post kelktaga kurado al siaj konatoj, al konatoj de tiuj ĉi konatoj kaj al konatoj de la novaj konatoj, ŝi sukcesis trovi kelkajn malmulte pagatajn lecionojn. Pri tiuj lecionoj oni devis sin okupi dum preskaŭ tuta tago, la fortoj konsumiĝis tute ne samproporcie je la kvardek-kvindek frankoj gajnataj, sed la entrepreneman fraŭlinon tio tre malmulte maltrankviligis. Ŝi estis kontenta, ke ŝi povis resti en Italujo "pro la sano," povis iamete vizitadi la ombroplenan "Villa Nazionale," enspiri la sanigajn aromaĵojn de la maro kaj, eble, revi pri la momento, kiam ŝi resaniĝos kaj ekpovos reveni Rusujon.

Konatiĝinte kaj amikiĝinte kun Rozo, ŝi mallonge kaj simple, tute ne tuŝante la nedelikatan demandon financan, proponis al Rozo, ke ŝi elektu ĉe ŝi. La junulino, kompreneble volonta, konsentis je tio. Kaj ili komencis duope dividi la duonmalsatajn vivojn.

Ĝuste en tiu tempo mi konatiĝis kun Rozo.



INTER lingvaj Esperantistoj: Grava novaĵo!

Kio do? La Akademio ĵus akceptis la sufikson oz?

Tute ne, sed ĵus aperis nova reformprojekto de Esperanto: Antido No. 77 bis, kun la 32a teorio pri derivado, la 26a alfabeto internacia...

Vere grava. En kio konsistas tiu reformo?

Ĝi ne estas reformo, sed nur alitonigo de Esperanto.

Nu, bone, kaj poste?

Jen, la substantivo finiĝas per o renversita, la verbo per e, la adverbo per i sen punkto...

Tre interesa.

La multenombro finiĝas per w kaj la akuzativon oni montras metante la literon i kun punkto antaŭ la finiĝo. "Bonan Matenon" fariĝas "Bonia Matenio."...

Certe genia.

En la alfabeto oni forigis ĉiujn literojn kun vostoj, ĉar tio malplaĉas al la teknikistoj.

Fine, dank' al tiuj ŝanĝoj ĉiuj scienculoj tuj lernos Esperanton kaj la Idistoj estos polvigataj.

Jes, sed sekretaĵo: Antido jam preparas sistemon No. 78a kun la 27a alfabeto internacia. Tiu ĉi alfabeto estas sen literoj...

Dio volu, ke Antido de nun ĉiam publikigu siajn verkojn per tiu alfabeto. (Amen!—LA SIM.)--Esperanto.

## U. S. ESPERANTO ASOCIO.

### PRI FONDO DE NOVA NACIA ORGANIZO.



E longe multaj Esperantistoj en Usono pensas ke nia afero progresas ne sufiĉe bone kaj rapide en nia propra lando. Pro tio, kelkaj penis enkonduki en la E. A. N. A. plibonigojn per kiuj oni povus atingi pli kontentigan rezultaton. Pro diversaj kialoj, ili ne sukcesis. Do fine ili decidis fondi novan asocion.

Al D-ro M. M. Henry, el Dayton, ŝtato Ohio, apartenas la honoro sukcesigi ĉi tiujn klopodojn. Per tre fervora, saĝa, sindonema kaj persistema laboro dum preskaŭ jaro, li nun povas vidi la plenan starigon de nova organizo.

D-ro Henry unue dissendis cirkuleron donantan sciigon pri la afero; due, demandaron, per kiu li serĉis eltrovi la volon kaj la deziron de tiuj, kiuj malkontentiĝis je la malnova asocio. Li invitis aliĝon al la nova. Kaj denove li dissendis cirkuleron, en kiu li faris kelkajn demandojn pri la estraro. Sekvis baloto per la poŝto. Tiel organiziĝis vere demokrata nacia asocio kun jena oficistaro:

Prezidanto: B. F. Schubert, LL. B., LL. M,. el Washington, D. C. (1505 North Capitol st.)

1-a Vicprez., D-ro F. E. Daigneau, Austin, Minn.

1-a Vicprez., D-ro Abraham Rudy, Raleigh, N. C.

3-a Vicprez., D-ro Warren Sherwood, Lancaster, Pa.

Sekretario, J. Howard Pearson, 110 West Water st. Decorah, Iowa.

Kasisto, Francis G. Morin, 831 Ewing st., Chicago, ŝtato Illinois.

Sek. por ŝtato Pennsylvania, John C. Vasselin, el Blossburg.

Sek. Connecticut, Hubert A. Welch, New Haven.

Sek. Ohio, Grover Peacock, Cincinnati.

Sek. New York, Oscar R. Whitehead, Herkimer.

Sek. Minnesota, C. H. Gibbons, Austin.

Sek. Indiana, Marshall White, Evansville.

Sek. Iowa, Chester C. Camp, Grinnell.

Sek. Oklahoma, Oran Burk, Aline.

Sek. Colorado, Clifford M. Balkam, Colorado Spgs.

Sek. Illinois, Prof. C. M. Wirick, Chicago.

Sek. Missouri, S-ino Mary B. Ketchum, St. Louis.

Sek. Nebraska, R. G. Hulburt, Taylor.

Sek. Kansas, D. T. Armstrong, Wichita.

Sek. Washington (la ŝtato), Reginald Kerkhoven, Spokane.

Sek. Oregon, Louis A. Kearney, Arleta.

Ĝis tiu tempo, kiam la asocio havos sian propran organon, LA SIMBOLO publikigos sciigon pri ĉi tiu nova organizo. F. R.



JEN nova bona Esperanto Gazeto, "Riga Stelo," kiun oni publikigas ĉe Krebstrato 11, Riga, Rusujo. La abonprezo estas Sm. 2,50. Redaktata en rusa lingvo kaj Esperanto. Bonvenon, kolego.

## EN RUSUJO PER ESPERANTO.

### EL IMRESOJ DE VOJAGHANTO TRA RUSUJO (1).



ELKAJ el miaj legantinoj kredeble ne scias precize, el kio konsistas la samovaro; mi do priskribos ĝin iom detale, ĉar ĝi estas tre grava elemento kaj kvazaŭ la simbolo de la rusa hejmo, kiel la fajrujo ĉe la okcidentaj popoloj. Ĉar ne fajrejoj, t. e. kamenoj, hejtas la rusajn domojn, sed centra fornego iom komparebla kun tiuj de niaj bakistoj, konstruita tiel, ke ĉia ĉambro povu hejtiĝi per ĝia kontakto. Sekve, dum la vintra malvarmego, ne apud kameno, kiel ĉe ni, la rusaj familioj sidas por pasigi la longajn vesperojn, sed ĉirkaŭ la samovaro, staranta sur la tablo kaj aldonanta sian kutiman murmureton al la paroladoj de la familia rondo, kiel la grilo de niaj kamenoj.

Samovaro estas kupra vazego, kun piedo, havanta du tenilojn, supran mallarĝan faŭkon kaj malsupran kranon. Ĝin trairas, laŭ ĝia tuta alteco, centra tubo, dividata je du partoj per krado. Sur la supran faŭkon, kie estas la ekstremaĵo de tiu interna tubo, oni povas almeti laŭvole ĉu ferladan kamentubeton ĉu kupran piedestaleton kaj kovrilon. Verŝinte akvon en la samovaron, oni ŝutas en la centran tubon, sur la kradon, karberojn, kiujn oni ekbruligas per aertirado kun la helpo de l' ferlada kamentubejo. Kiam la karbo brulas kaj kiam ekronkas la akvo, verŝita ĉirkaŭe en la samovaro, oni anstataŭigas la kamentubeton per la piedestaleto kaj oni

(1) El libro de tiu titolo—el "Ondo de Esperanto."

alportas la samovaron antaŭ la mastrino, sur pletego, kie jam orde estas teskatolo, tekruĉeto, sukerujo, telertuko, glasoj, teleroj, kuleretoj kaj konfitaĵoj.

Kompreneble, ne mia eta Katja povas alporti tiun multpezan ilaregon, sed ŝia kuiristina moŝto Ksenja mem solene plenumas tiun gravan oficon.

De tiam komenciĝas la rolo de la rusa domestrino, per kiu sin montras plej plene ŝiaj mastraj lerteco kaj afableco. Ŝi verŝas per la krano de la samovaro iom da bolanta akvo en la tekruĉeton por varmigi ĝin, forĵetas tiun akvon en la lavtason, ŝovas teon en la varmigitan tekruĉeton, alverŝas bolantan akvon, metas la tekruĉeton sur la piedestalon super la kamentubo, kaj plie kovras ĝin per la telertuko por ke la infuzo estu pli perfekta. Iom poste estas en la tekruĉeto teo malhela kaj tre forta. La mastrino verŝas iom da ĝi en la glasojn kaj almetas pli malpli da bolanta akvo por ĝin malfortigi, laŭ la deziro de siaj gastoj. Samtempe, ŝi proponas, sur la teleretoj, konfitaĵojn, kiujn oni gustumas per malgrandaj pecetoj kune kun plenkuleretoj da teo. Tuj kiam unu glaso da teo estas malplena, la mastrino afable proponas alian, lavas la glason per iom da bolanta akvo, kiun ŝi forĵetas en la lavtason kaj ree verŝas novan plenglason. Tiel glason post glaso oni trinkas, iafoje dum horoj.



URBETANO: Kiel estas pri tiu nudpieda danco okazonta ĉe la teatro? Kelkaj ĉefaj urbanoj iom konsterniĝas pro ĝi.

Ni forigis ĉiujn ĝiajn kritikindajn karakterizojn.

Nu, precize tio! Ni ja timis ke vi tion farus.

INTERNACIA GAZETO

# LA SIMBOLO



ESPERANTO

Jaro IIIa APRILO, 1911 Num. 2a

SYMBOL PUBLISHING CO.
P.O. Box 1020, Tacoma, Washington, U.S.A.

ELIRAS MONATE

# LA SIMBOLO

Abonprezo: enlande, Sm. 2,00; eksterlande, Sm. 2,50
Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista, London

Entered as second-class matter April 7, 1909, at the postoffice at Tacoma, Washington under the Act of Congress of March 3, 1879.

## ENHAVO



Sin turnu al

**Symbol Publishing Co.,**

**Post Office Box 1020, Tacoma, Wash.**




Jaro IIIa APRILO, 1911 Num. 2a

Ĉu ni ne similas al tia sama materialo el kiu la songôj naskiĝas ?

## KELKAJ "POEMOJ EN PROZO."

### EL RUSA LINGVO -- DE IVAN TURGENEV.*

#### LASTA KUNVIDO.


I estis iam intimaj, plej proksimaj amikoj. ... Sed venis malbona momento, kaj ni disiĝis kiel malamikoj.

Forpasis multe da jaroj. ... Kaj jen, veninte urbon, kie li loĝis, mi sciiĝis, ke li estas senespere malsana — kaj deziras min vidi.

Mi iris ĉe lin, eniris lian ĉambron. ... Niaj rigardoj renkontiĝis.

* Tradukis por LA SIM. D-ro Andreo Fiŝer-Tiflis.

Mi apenaŭ lin rekonis. Dio mia! kion faris al il malsano!

Flava, sekiĝinta, kun senhara kapo, kun mallarĝa griza barbo, li sidis vestita nur per ĉemizo, intence distranĉita. ... Li ne povis toleri la premadon de plej malpeza vestaĵo. Rapideme li etendis al mi sian terure malgrasan, kvazaŭ ĉirkaŭmordetitan manon, penege ekmurmuris kelkajn neaŭdeblajn vortojn, — ĉu tio estis bonvendiro, ĉu riproĉo — kiu ĝin scias? La konsumita brusto ekbalanciĝis, — kaj sur la mallarĝigitajn pupilojn de ekbrulintaj okuloj deruliĝis du avaraj, suferulaj larmeroj.

Mia koro ekfaletis. ... Mi sidiĝis sur seĝon apud li -- kaj, kontraŭvole mallevinte la rigardojn antaŭ tiu teruraĵo kaj malbelo, mi ankaŭ etendis la manon.

Sed al mi ekŝajnis, ke ne lia mano premis la mian.

Al mi ŝajniĝis, ke inter ni sidas altkreska, kvieta, blanka virino. Longa vualo ŝin kovras de la kapo ĝis la piedoj. Nenien rigardas ŝiaj profundaj palaj okuloj; nenion diras ŝiaj palaj severaj lipoj. ...

Tiu virino kunigis niajn manojn. ... Ŝi por ĉiam nin pacigis.

Jes. ... La morto pacigis nin. ...

---

VIZITO.

MI sidis apud malfermita fenestro ... matene, frumatene la 1an de majo. La ĉielruĝo ankoraŭ ne aperis; sed jam paliĝadis, jam malvarmiĝadis la malluma varma nokto.

La nebulo ne leviĝadis, ne vagadis la venteto, ĉio estis unukolora kaj silenta ... sed estis sentata proksim-

eco de vekiĝo, -- kaj en la maldensiĝinta aero odoris pri kruda malsekeco de roso.

Subite en mian ĉambron, tra la malfermita fenestro, enflugis granda birdo, iome sonorante kaj bruetante.

Mi ektremis, atentiĝis. ... Ĝi ne estis birdo, ĝi estis flugila, malgranda virineto, vestita per malvasta, longa, malsupre ondiĝanta robo.

Ŝi tuta estis griza, perlamotkolora; nur la interna flanko de ŝiaj flugiloj ruĝiĝadis per delikata ruĝeco de ekfloranta rozo; kroneto de konvaloj ĉirkaŭkaptadis la dismetitajn buklojn de la ronda kapeto, -- kaj, simile al lipharetoj de papilio, du pavaj plumoj amuzige ŝanceliĝadis sur la bela elfleksita frunteto.

Ŝi traflugis kelke da fojojn sub la plafono; ŝia vizaĝeto ridadis; ridis ankaŭ la grandaj, nigraj, lumaj okuloj.

Ŝi tenis en la mano longan trunketon de stepa floro: "reĝa sceptro" ĝin nomas la rusoj, -- kaj efektive ĝi similas sceptron.

Rapidege traflugante supre de mi, ŝi ektuŝetis mian kapon per tiu floro.

Mi min ĵetis al ŝi. ... Sed ŝi jam estis elflirtinta tra la fenestro -- kaj forfluginta. ...

En la ĝardeno, en la densaĵo de siringujoj, turtino ŝin renkontis per sia unua pepo, -- kaj tie, kie ŝi ekmalvidiĝis, la lakteblanka ĉielo dolĉe ekis ruĝiĝi.

Mi cin rekonis, diino de fantazio! Ci vizitis min kazarde, -- ci forflugis ĉe junajn poetojn. ...

Ho, poezio! Juneco! Virina, virga beleco! Vi povas nur momente ekbrili antaŭ mi, -- frumatene dum frua printempo! ...

* * * * * * * * *

## NIMFOJ.

MI staris antaŭ ĉeno da belaj montoj, dismetitaj duonronde; juna verda arbaro kovris ilin de supre ĝis malsupre.

Diafane bluiĝadis super ni la suda ĉielo; la suno de supre ludadis per siaj radioj; malsupre, duonkaŝitaj de herbo, babiladis rapidaj riveretoj.

Kaj mi rememoris antikvan legendon pri tio, kiel, dum la unua centjaro post Kristnasko, iu greka ŝipo naĝis en la Egea Maro.

Estis tagmeza horo. ... La vetero estis trankvila. Subite, en la altaĵo, super la kapo de la ŝipdirektilisto, iu aŭdeble ekparolis: "Kiam vi estos ŝipveturanta preter insulo, ekkriu fortavoĉe: 'Mortis la granda Pan'!' "

La direktilisto ekmiris ... ektimis. Tamen, kiam la ŝipo preterkuris la insulon, li obeis, li ekkriis: "Mortis la granda Pan'!"

Kaj sammomente, responde al lia ekkrio, laŭlonge de la tuta bordo (kvankam la insulo estis senhoma) eksonis laŭtaj ploregoj, ĝemoj, longtirataj plendaj krioj: "Li mortis! Mortis la granda Pan'!"

Al mi rememoriĝis tiu legendo ... kaj stranga ideo min kaptis: "Kio fariĝos, se mi ekkrios alvokon?"

Sed, vidante la min ĉirkaŭantan ĝojegadon, mi ne povis pensi pri morto -- kaj per tuta mia forto mi ekkriis: "Li reviviĝis! Reviviĝis la granda Pan'!"

Kaj tuj -- ho, mirindaĵo! -- responde al mia ekkrio, tra la tuta vasta duonrondo de verdaj montoj traruliĝis konsenta ridado, ekleviĝis gaja parolado kaj plaŭdado. "Li reviviĝis! Pan' reviviĝis!" bruadis junaj voĉoj. Ĉio tie, antaŭ mi, subite ekridis, pli hele ol la suno en la altaĵo, pli ludeme ol la riveretoj, babilantaj sub la

herbo. Aŭdiĝis rapidema piedfrapado de malpezaj paŝoj, tra verda densaĵo ekbriletis la marmora blankeco de ondiĝantaj tunikoj, la viva ruĝeteco de nudigitaj korpoj. ... Tie nimfoj, driadoj, bakĥantinoj kuris de l' montaj suproj en la ebenaĵon. ...

Ili samtempe vidiĝis ĉe ĉiuj arbarrandoj. Bukloj volviĝadas ĉirkaŭ la diinaj kapoj, graciaj brakoj suprenigas florkronojn kaj timpanojn, -- kaj rido, briletanta olimpa rido kuras kaj ruliĝas kune kun ili. ...

Antaŭe rapidas diino. Ŝi estas la plej altkreska kaj la plej bela el ĉiuj, -- sagujo post la ŝultroj, en la manoj -- pafarko; sur la suprenigitaj bukloj -- arĝenta duonluno. ...

Diano, ĝi estas -- vi?

Sed subite la diino haltis ... kaj sammomente, tuj post ŝi, haltis ĉiuj nimfoj. La sonora rido formortis. Mi vidis, kiel la vizaĝo de la subite ekmutiĝinta diino sin kovris per mortŝajna paleco; mi vidis, kiel ŝiaj kruroj ŝtoniĝis, kiel neesprimebla teruro malfermis ŝian buŝon, larĝigis la okulojn, direktitajn malproksimen. ... Kion ŝi ekvidis? Kien ŝi rigardis?

Mi min turnis je tiu direkto, kien ŝi rigardis. ...

Sur la ĉielrando mem, post la malalta linio de kampoj, bruladis, kvazaŭ fajra punkto, ora kruco sur la blanka sonorilo de kristana preĝejo. ... Tiun krucon ekvidis la diino.

Mi ekaŭdis malantaŭ mi malegalan longan ĝemon, similan al tremetado de ekkrevinta kordo, -- kaj kiam mi denove returniĝis, jam ne restis postsigno de nimfoj. La vasta arbaro verdiĝadis kiel antaue, kaj nur ialoke, tra la densa reto de branĉoj, vidiĝis elvaporiĝantaj flo-

ketoj da io blanka. Ĉu ĝi estis la nimfaj tunikoj, ĉu leviĝadis vaporo el la valaj fundoj, -- mi ne scias.

Sed kiom mi bedaŭris la malaperintajn diinojn! ...

---

NECESSITAS — VIS — LIBERTAS. ... BARELIEFO.

ALTKRESKA, osteca maljunulino, kun fera vizaĝo kaj senmove-malsprita rigardo, marŝas grandpaŝe kaj per sia seka, kiel bastono, mano puŝas antaŭ ŝi alian virinon.

Ĉi tiu virino de kolosa kresko, fortikega, larĝforma, kun muskoloj kiel ĉe Herkuleso, kun tre malgranda kapeto sur bova kolo -- kaj blinda -- siavice puŝas malgrandan malgrasan knabeton.

Nur tiu ĉi knabeto havas vidpovajn okulojn; ŝi kontraŭstaras, returniĝas, levas siajn delikatajn, belajn brakojn; ŝia vivplena vizaĝo esprimas malpaciencon kaj maltimon. ... Ŝi ne volas obei, ŝi ne volas iri, kien oni ŝin puŝas ... kaj, malgraŭ ĉio, ŝi devas obei kaj iri.

Necessitas — Vis — Libertas.*

Traduku -- kiu deziras.

---

MORGAU! MORGAU!

KIOM malgrava kaj malenergia, kaj sensignifa estas preskaŭ ĉiu travivita tago! Kiom malmulte da postsignoj ĝi restigas post si! Kiom sensence-malsprita estas forkurintaj tiuj horoj post horoj!

Kaj, dume, la homo volas ekzistadi; li ŝatas la vivon, li adas esperi je ĝi, je si mem, je la estonto. ...

Ho, kiajn bonaĵojn li atendas de l' estonteco!

* Neceseco -- Forto -- Libereco. (A. F.)

Tamen, kial do li imagas, ke aliaj, venontaj tagoj ne similos ĉi tiun, ĵus travivitan tagon?

Sed li tion eĉ ne imagas. Li, ĝenerale, ne ŝatas la pripensadon -- kaj li bone faras.

"Jen, morgaŭ, morgaŭ!" li sin konsolas, -- ĝis kiam ĉi tiu "morgaŭ" estos faliginta lin en la tombon.

Nu -- en la tombo -- oni ja devige ĉesas la pripensadon.

---

PREGHO.

PRI kio ajn la homo preĝus, -- li preĝas pri miraklo. Ĉia preĝo fine signifas: "Granda Dio, faru, ke duoble du ne estu kvar."

Nur tia preĝo estas la vera preĝo de persona al persono. Preĝi je Universa Spirito, je Supera Estaĵo, je Kant'a, Hegel'a, purigita, senforma Dio -- estas maleble kaj malimageble.

Tamen, ĉu eĉ la personigita, viva, formhava Dio povas fari, ke duoble du ne estu kvar?

Ĉiu kredanto devas respondi: "Li povas," -- kaj li estas devigata konvinki sin mem pri tio.

Sed se lia prudento kontraŭstaŭros al tiu sensencaĵo?

Tiam Shakespeare venos por lin helpi:

"Ekzistas en la ĉiel' kaj sur la tero
Pli da aferoj, ol en la lernejoj
Instruas filozofoj, Horacio!"*

Kaj se oni rediros al li en la nomo de la vero, -- li bezonas nur ripeti la faman demandon: "Kio estas la vero?"

Tial do: ni drinku kaj amuziĝu, -- kaj preĝu. ...

*Hamleto, trad. D-ro L. L. Zamenhof, kvara eldono, 1906, p. 39. (A. F.)

## EKLEZIO DE L' MORGAUO.

### DAURIGA EKSPOZICIO DE NIAJ IDEOJ.



LA homo bezonas: 1-e, manĝon, veston, kaj ŝirmilon kontraŭ suno, vento kaj pluvo; 2-e, tempon por ripozi, por ĝui la intelektan interrilaton, por mediti la formojn kaj la leĝojn de l' naturo, por studi sin mem, por efektivigi siajn impulsojn, por enkorpigi siajn revojn, kaj por naski siajn idojn.

Do, se la homo posedas puran veston, komfortan liton, sufiĉe da bona nutraĵo, kaj taŭgan ŝirmilon kontraŭ la faroj de l' naturo, li atingos ĝis tiom da feliĉo, kiom permesos la satigo de liaj aliaj bezonoj.

De antikva tempo, la homa barakto havas nur tiun celon. Kio promesis trafi la celon, tion la homo avide alprenis; ĉion alian li forĵetis, kaj forĵetos. Li jam provis multajn rimedojn, sed neniam ĝis nun malkaŝis la plene kontentigajn. Tamen, ankoraŭ li kuraĝas pensi, ke iam oni ankaŭ tiujn eltrovos. Kaj ĉiam li estas preta por novaj klopodoj, kondiĉe nur, ke ili verŝajne iom alproksimigos lin al la celo. ...

La spirito de l' homo estas spegulo, kaj en ĝin speguliĝas pli-malpli fidele lia ĉirkaŭo. Do, kiuj loĝas en sovaĝa lando, t. e. lando en kiu ankoraŭ ĉie kreskas grandaj arboj kaj vivas ankoraŭ multe da sovaĝaj bestoj, tiuj nepre estas sovaĝuloj. Oni tie devas sin okupi nur pri la vivkonservado. Ne troviĝas ripozo, trankvileco, libertempo. La homo ne povas multe studi, multe mediti, multe revi, kiam tage kaj nokte li devas sin defendi kontraŭ atako de tre viglaj kaj mortigaj malamikoj.

Sed post kiam la lando pleniĝas je homoj, kiuj forhakas la arbarojn kaj formortigas la bestojn, sekvas periodo da trankvileco. Amasiĝas vivrimedoj, leviĝas libertempo. Oni komencas studi la mondon, mediti la ekziston, elserĉi la sekretojn de l' naturo. Leviĝas la filozofio, la scienco, la elpensarto.

Sekvas periodo da elpensado. Sed nun vidiĝas tute nova stato. Dum antaŭe oni mane kulturis la teron, kolektis, preparis, fabrikis kaj transportis ĉion per la mano, per ĉevalo, aŭ per tre krudaj iloj, nun ĉie mirigaj maŝinoj plenumas preskaŭ ĉiuspecan tiun laboron. Antaŭe multe da homoj laboris por kolekti riĉaĵon por la malmulto; nuntempe, malmulte facile produktas hore pli ol tuta laboristaro iam povis dum jaro da penega laboro. Do nun devus leviĝi libertempo por ĉiuj, kaj sendube tio eventuale efektiviĝos. ...

Sed elpenso de la maŝino neniel ŝanĝis la ordon de l' naturo. Oni ankoraŭ devas dependi precipe de semo, de kulturo, de rikolto por ricevi la rimedojn subteni la vivon. Sen laboro de la kamparisto, la mastro de la maŝino baldaŭ pereiĝus. Do posedo de tero estas la fundamento de l' vivo de l' homo.

La rajton vendi la teron, oni nature ne havas, ĉar neniu homo elpensis aŭ fabrikis ĝin. Tamen, ĉiu rajtas ĝian uzon; kaj estas oportune allasi vivdaŭran tenon. Sed la teno devus esti kondiĉa, ke la tenanto reale faru uzon de sia parcelo. Post morto de la tenanto, devus reiri, kiel posedaĵo, en la komunumon aŭ la ŝtaton tiu lia parcelo. Certe, kiam denove la parcelo reirus en uzon, la heredanto devus havi unuan rajton ĝin elekti. Tamen, se tenanto de iu parcelo ne ĝin uzus, tio devus forigi lian rajton. ...

Rango kaj stato de homo en sovaĝa vivo dependas precipe de lia korpa forto. Estas potenculo tiu, kiu povas korpe venki ĉiun kontraŭulon. Sed, de kiam malfortuloj kuniĝis por kontraŭstari fortulon kaj el iliaj reciprokaj cedoj fine leviĝis la leĝo, -- de tiam la rango kaj stato de l' homo dependas precipe de lia cerba forto.

Efektive estas fakto ke ĉiu formo de l' socia progreso estas rezultato de unuiĝo kaj komuna agado de la malfortuloj. Nur tiuj sentas sufiĉe profunde la maljustaĵojn de ilia lando kaj tempo.

Sed, devas esti ke la unuiĝo konsistu el malfortuloj nur laŭnombre. Tamen, pro tio, ke ili estas kompare malmultaj iafoje okazas ke ilia celo ne estas atingebla en ilia propra lando aŭ en ilia propra ĉirkaŭo. Tiel oni legas en la Biblio ("Genezo," tradukaĵo de Zamenhof -- el "La Revuo"):

"Kaj la Eternulo diris al Abram: 'iru el via lando kaj el la domo de via patro al la lando, kiun Mi montros al vi. Kaj Mi faros vin granda popolo, kaj Mi benos vin kaj grandigos vian nomon, kaj vi estos beno.' "

Kaj Abram kun sia edzino kaj sia propra sekvantaro iris el sia lando kaj el la domo de sia patro sendube ĉar, estante kompare malmultaj, ili ne povis realigi tie iliajn planojn kaj idealojn.

En la daŭro de la centjaroj de post tiu unue raportita apartiĝo, estas aŭdintaj similan parolon de la Eternulo: Moseo, Jesuo la Kristo, Mahometo, Lutero, la Kvakeroj, la Puritanoj, la Mormonoj, kaj multaj aliaj.

Ofte tiel venas la voĉo de la Eternulo: "Iru el via lando kaj el la domo de via patro, kaj Mi benos vin, kaj vi estos beno." Kiuj aŭskultas la Eternulon, t. e. la Tuto-Potencon, la Kosma-Urĝon, tiuj nepre ekserĉas

kunulojn, kiuj sentas similajn devigajn impulsojn kaj volas iri laŭ sama vojo al la sama celo.

La fondontoj de la Eklezio de l' Morgaŭo aŭdas la voĉon, -- ili serĉas kunulojn, similulojn. ...

Post eltrovo de sufiĉe da samcelanoj kaj samideanoj kaj elekto de la estraro, ĉiu membro helpos amasigi la monsumon por aĉeti terpecon kaj akiri la maŝinaron necesigitan por efike plenumi la laboron de la komunumo. Tiel ni atingos la vivrimedojn kaj havigos la libertempon por satigi la aliajn homajn bezonojn. ...

La fundamento de la industria flanko de l' socia vivo nuntempe estas la banko. De vi la banko ricevas monon, kaj tiam vian monon pruntas al aliaj sen via kono aŭ via konsento. Sen la mono, kiun vi metas en ĝian kason, la banko tute ne povas ekzisti. De ĉi tiuj bankoj precipe venas la grandaj sumoj, per la prunto de kiuj oni aĉetas maŝinojn kaj kondukas industriejojn. Tiel vi, malfortuloj, malriĉuloj, helpas fortulon, t. e. iu, kiu fidas je siaj propraj fortoj kaj propra juĝpovo, akiri la rimedojn fariĝi via mastro!

Sed estas tute klare, ke malfortuloj, malriĉuloj, povas eviti tiun helpon kaj samtempe helpi sin mem. Nur necesus, ke ili elektu kasiston kaj metu en ties kason ilian monon. Laŭ nia proponata plano, la tria Konsilanto estos la kasisto. Se la elektito estos devigata doni garantiaĵon, tio plene gardos nian kason.

Tiam, post kolekto de la necesa monsumo, ni elektos lokon por la komunumo kaj aĉetos la maŝinaron. Tuj komencos konstruo de la bezonataj konstruaĵoj kaj la starigo de niaj specialaj moroj kaj vivmanieroj.

Intertempe ŝajnus konsilinde konstrui ĉi tie en Takomo provdomon, kie oni povus klarigi la aferon, provi

la diversajn proponojn, konatiĝi kun novaj membroj, kutimiĝi al pli-malpli novaj ideoj, ktp.

---

Ni invitas korespondon. Adreso: LA SIMBOLO, P. O. Box 1020, Tacoma, Wash., U. S. A.



UNUFOJE, tiel estas dirite, ĉe festeno en Londono, Benjamin Franklin, la fama usona ŝtatisto, sin trovis ĉe tablo inter la ambasadoroj de Anglujo kaj Francujo. La angla ambasadoro proponis jenan toston: "Anglujo -- la suno, kies glora lumo enpenetras eĉ la plej malproksimajn angulojn de la tero." La franca ambasadoro proponis jene: "Francujo -- la luno, kies mildaj klaraj konstantaj radioj ĝojigas la naciojn, konsolante ilin en malĝojo kaj heligante ilian mallumon." Franklin, je tio, jene proponis: "Georgo Washington -- la Joŝuo, kiu al la suno kaj la luno ordonis halti; -- kaj ili obeis!"

—Farnsworth Wright - Reno, ŝtato Nevado.



JUNA sinjoro: Apenaŭ vi kredos, fraŭlino, dironte al vi, ke antaŭ nelonge mi pagis dek mil frankojn por la mia domo, gajnitaj per konstanteco kaj honesta laboro.

La fraŭlino: Ĉu tiel? Jes, tio estas tre laŭdinda! Kian oficon vi okupas?

La sinjoro: Mi estas bofilo.

—Iv. Krestanof, Peŝtera, Bulgarujo.

## LA KAFEJO.

### REMEMORO. — VERKIS DOKTORO LIDOVEC.



I ne scias, kion farus en Praha, same kiel en aliaj eŭropaj grandurboj, ĉiutage posttagmeze la senĉesaj fraŭloj kaj aliaj homoj kun simila vivmaniero, se subite ĉesus ekzisti la kafejoj. Eŭropa kafejo estas la loko, kien oni iras matene antaŭ komenco de sia tagokupo kaj precipe posttagmeze trinki sian kafon (nur nemultaj trinkas tie teon, ĉokoladon, bieron, ktp.), manĝi sian bulkon aŭ kukon, kaj legi siajn ĵurnalojn. La kafejojn oni malfermas je la sesa matene, kaj fermas je la dua nokte ("polica horo"). Je ĵurnaloj estas kafejoj bone provizitaj, ĉar tio ja estas en ili la ĉefaĵo! En Praha'aj kafejoj sin trovas ĵurnaloj bohemaj, germanaj, eĉ alilingvaj; inter tiuj ĉi lastaj en la plej nova tempo, ankaŭ la esperanta "Tra la Mondo." Kelkaj viroj venadas en kafejojn por ludi bilardon, kartojn, ŝakon aŭ damon. Virinojn oni vidas en kafejoj nepre ne tiel multe, kiel virojn, kaj neniam solajn, ĉar eŭropaj moroj preskaŭ malpermesas al virinoj, precipe al junaj, aperadi neakompanataj.

Mi konis antaŭ jaroj en Praha unu kafejon, kiu ekzistis pli longe ol dudek jarojn, en teretaĝo de unuetaĝa domo kontraŭ lernejo por fraŭlinoj, estis multe vizitata kaj havis bonan kafon, miksaĵon de egalaj partoj de kafspecoj "Menado" kaj "Ceylon." El gloraj personoj apartenis al gastaro de tiu ĉi kafejo iam la bohema ĉefpoeto Jaroslav Vichlicky. Mi priskribos iom ĝin kaj ĝian vivon. Ĝi estis en unu el la plej vivoplenaj stratoj de la ĉefurbo. Oni povis en ĝin iri aŭ el la strato aŭ el la gran-

da korto, kie ĝi havis apude sian ĝardeneton, en kiu la gastaro sidadis somere. La kafejo estis longa luksa salono, konsistanta, kiel oni laŭ plafono vidis, propre el tri ĉambroj kun forigitaj intermuroj. La tapetkovritajn murojn ornamis grandaj speguloj, nemultaj bildoj, kelkaj rondaj horloĝoj kaj ie eĉ reklamiloj. Apud la muroj staris kanapetoj, antaŭ tiuj ĉi marmoraj tabloj kun seĝoj ĉirkaŭe. Meze, en tuta longeco de l' salono, estis kvar bilardaj, kaj, kie loko sufiĉis, ree marmortabloj kun seĝoj. La unuan parton de la kafejo apartigis telermeblo de la kuirejo, kie diligente kuiris la kafon en grandaj verŝiloj la edzino de l' kafejmastro kun maljuna kuiristino, al kiuj helpis la bofratino de l' kafejmastro (fratino de lia edzino), bela blondulino, kun kelkaj servistinoj kiuj lavis glasojn kaj alportadis bieron. En la tria parto de la kafejo estis forno, kiu sufiĉis tutan salonon varmigi. Per korto estis de la kafejo disigita la al ĝi apartenanta biervendejo, kiu havis maljunan germanon kun peruko kiel ĉefon kaj sian specialan gastaron, kiel cetere ĝin havis eĉ la kuirejo apud unu tablo (oni ankaŭ vendis en kuirejo kafon kaj en biervendejo bieron "trans straton").

Ni eniru en pensoj en la kafejon en iu vintra tago, en kiu frosto rapidigas la iradon de tiuj, kiuj estas sur la strato, kaj trablovanta vento puŝas antaŭ si neĝerojn. Kia frosto ekstere, kia agrabla varmo en la salono! Da gastoj en similaj tagoj "kiel da muŝoj" (kontraŭe estas somere "morta sezono"), cigarfumo vualas ilin, kaj tra la fumo kuradas kelneroj al telermeblo, ordonante en la kuirejon: "Tri blankajn! (t. e. tri glasojn da blanka kafo). Unu nigran! Du bierojn! Kafon kun rumo!" Baldaŭ sonorileto alvokas la kelneron ree, kaj li ricevas

la menditaĵojn, donante interŝanĝe en la manon, el kiu li ĝin ricevis, koloran koraleton. Tiuj ĉi diverskoloraj koraloj estas por kontrolo. Ofte akceptis ilin el kelneraj manoj la bofratino de l' kafejmastro, la bela blondulino.

En mezo de la kafejo sidas la kafejmastro, maljuna Praha'ano. Li estas ĉefo de tiu ĉi tuta komerco, en kiu trovis okupon deksep personoj. Li konas bone sian komercon, ĉar li mem estadis dum jaroj kelnero, poste gastejmastro ankoraŭ en la tempoj, en kiuj ĉiu devis en pordego de fortikaj muregoj, per kiuj estis Praha ĉirkaŭita, montri sian pasporton, en la tempoj en kiuj la polico multe pli severe, ol nun, kontrolis la alvenon de ĉiu fremdulo. Tiam oni ankoraŭ uzis en gastejoj sebajn kandelojn, kies lumon devis kelneroj ofte korekti per meĉmallongigilo. Sur la muregoj estis ĉirkaŭ Praha bela promenejo, kie oni povadis ankaŭ vidi la nian kafejmastron kun lia blanka hundo Karo. La muregoj jam malaperis krom kelkaj restetoj — kaj preskaŭ komplete jam malaperis la maljunaj konintoj de antaŭa Praha, kiel la nia kafejmastro. Kvazaŭ mi ankoraŭ vidus lian malgrandan dikan statuon en stratoj de Praha, kie li ne sufiĉadis saluti per ĉapeldemetado aŭ danki al pli junaj je la salutoj!

Ni revenu en la kafejon. El ĝiaj kelneroj mi ankoraŭ rememoriĝas pri la vigla Karlo, pri unu kelnero en meza aĝo kun franca nomo (li estis homo tre lerta kaj ŝercema), pri la maljuna, ĉiam fumanta Leopoldo, kaj pri la senlaca, por komerco talenta "Jean." Ĉiu tiam havis almenaŭ dekhoran servon ĉiutage, tutan jaron. La "pagokelnero" havis de kafejmastro nur nutraĵon kun biero, la ceteron devis al li anstataŭigi la "trinkmono" de la gastoj, sed tiu estis granda, ĉar da gastoj

estis centoj kaj ĉiu "bontona" gasto, pagante, trinkmonon donas. El gastoj, da kiuj estis kelkaj centoj, mi rememoriĝas nur pri kelkaj ĉiutagaj, ekz. pri serioza kuracisto, pri unu advokata oficisto, pri maljuna, tutajn matenojn dum ĉiuj jaroj de l' daŭro de la kafejo post la forno sidadinta kaj skribadinta judo, pri unu germana maljunuleto, pri tuta societo de junaj studentoj, de buĉistoj, ktp. La gastoj apartenis al ĉiuj profesioj, al ĉiuj aĝoj. Plejmultaj estis komercistoj.

Dimanĉe la kafejo estis plenega da homoj. Tio estis plejmulte gastaro tiel nomata "nur dimanĉa." Inter tiuj ĉi estadis juna viro nigrahara, kiu dum tutaj sep jaroj ĵetadis sian rigardon al telermeblo, kiam tie aperadis la bela blondulino. Estis evidente, ke ŝi plaĉegas al li. Sed ŝi diradis pri li en la kuirejo: "Kiel li malplaĉas al mi, tiu nigreharulo! Tiun mi ne volus havi kiel edzon!"

En tiu ĉi mondo ofte okazas aferoj tute neatendataj. Tiel foje okazis, ke la gastojn de la kafejo surprizis subite la novaĵo, ke la bela blondulino estas fianĉino, kaj ke ŝia estonta edzo estas — la nigrehara sinjoro. Tamen venkis lia amo ĉiujn malhelpojn! Post sep jaroj de atendado!

Sed la plej granda surprizo estis, kiam disvastiĝis la sciigo, ke oni malkonstruos la malnovan domon, kie estis la kafejo, kaj ke tiu ĉi per tio ĉesos ekzisti. Kun "peza koro" adiaŭis longjaraj ĉiutagaj gastoj kun la kafejmastro kaj kun la salono, kie multaj el ili estis pasigintaj ĉiutage tutajn horojn! En la okuloj de kelkaj eĉ brilis larmoj.

* * * * * * * * *

Pasis de ĉesiĝo de la kafejo ree dudek jaroj.

Kie estas la kafejmastro, la gastaro, la kelneroj el la kafejo? La kafejmastro estas jam jarojn mortinta. Simile multaj gastoj kaj kelneroj. El la restintaj tiuj, kiuj estas ankoraŭ en Praha, iras verŝajne en aliajn kafejojn, eble pleje en tiun luksan kun modernaj aranĝoj, kiu estas en la nova domo sur la loko, kie la malnova estadis.

Antaŭ nelonge mi renkontis unu eksgaston de la ekskafejo sur la strato — la advokatan oficiston. Li diris al mi, ke li estas sana, sed ke la piedoj ĉesas iom servi al li. La kompatindaj piedoj de l' maljunuloj!

Kion vi dirus, kiu ke estas tie la noble vestita sinjoro en multekosta palto, kun nigraj okulvitroj? Ĉu vi kredus, ke tio estas la ekskelnero "Jean?" Li estis fariĝinta restoracimastro kaj riĉiĝis per komerco. Sed li ŝajnas esti iel malsana. ...

Ankaŭ unu alian malnovan konatulon mi vidis sur la strato, irantan kun edzino kaj infanoj. Tiu estis la nigrehara sinjoro. Sed la edzino, ĉi tiu ne estis jam la bela blondulino, ĉar ŝi mortis jam antaŭ jaroj. Ĉi tiu estis lia dua edzino kaj liaj infanoj kun ŝi. Li mem ŝanĝiĝis, precipe li estas jam nejuna kaj nepre ne jam nigreharulo: la haroj griziĝis!

La tempo ŝanĝas ĉion — eĉ tempojn!



LAŬ nova leĝo de l' ŝtato, Nov-Jorko havas Departementon de l' Industrio kaj Enmigrado, kiu zorgos pri ĉiu enmigrinto. La enmigrinto devas respondi longan demandaron kaj la Departemento poste decidiĝos pri lia sorto. La celo de la leĝo estas protekti la enmigrinton.

# LA LASTA USONANO.

### FRAGMENTO EL LA TAGLIBRO DE KAN-LI.*

(Daŭrigo)



I estas, la 2an de Julio, en la rivero kiu kondukas al "Washington." Ab-i-Garm diras, ke ni vidos ĝin morgaŭ. La rivero havas malpuran koloron.

La 3an de Julio: Ni vidas antaŭ ni la ruinojn de granda kupolo, ankaŭ tre altan kolonon. Eble ili apartenas al la urbo, kiun ni serĉas.

La 4an de Julio: Neniam ni forgesos tiun ĉi daton. En plej gaja humoro ni forlasis Testudon tiun ĉi matenon, sen ia ideo pri la teruraj okazintaĵoj, kiuj atendis nin. Ĉirkaŭ tagmezo mi surteriris, akompanata de Abdul, Omar, Josafa Hason, Jafar-el-Beg, Mulai la unua oficiro, Amad la kuiristo, Taki-u-Din, kaj du maristoj. Nia marŝo ĵus komenciĝis, kiam maltrankviliga eltrovo konsternis nin. Ni estis haltintaj laŭ peto de Abdul, por studi iujn surskribaĵojn sur ŝtono, kiam Omar, kiu ĵus ekiris, subite haltis kun surprizita ekkrio. Ni rapidis al li, kaj tie, en la mola tero, sin trovis postsignoj de homaj piedoj!

Mi ne povas priskribi nian surprizon. Ni decidis sekvi la postsignojn, kaj baldaŭ trovis, ke ili kondukas

* Princo de Dimf-ju-Chur kaj Admiralo en la Persa Maristaro. — Prezentita de J. A. Mitchell. — Laŭ permeso tradukita de Lehman Wendell-Takomo. — Ĉiuj rajtoj rezervitaj de Frederick A. Stokes Co.

nin al la granda kupolo pli rekte ol ni mem povus iri. Nia eksciteco estis neesprimebla. Tiuj el ni, kiuj portis defendilojn, tenis ilin pretaj. La vojeto estis nemulte uzata, sed ĝi estis klare videbla. Ĝi serpentis inter defalitaj fragmentoj kaj ruiniĝantaj statuoj, kaj kondukis nin laŭ larĝa avenuo inter konstruaĵoj de vasta grandeco kaj solideco, kaj multe superis iujn, kiujn ni vidis en Nu-Jok. Ĝi aspektis kiel urbo de monumentoj.

Dum ni supreniris la monteton al la granda templo kaj vidis ĝin tra la arboj, kiuj sin levis super ni, ni miris pro ĝia grandeco kaj belegeco. Niaj okuloj vagis kun plezuro super la masivajn kolonojn. Ĉiu estis hakita el unu bloko, kaj ili estis ankoraŭ blankaj kaj freŝaj kvazaŭ nove faritaj. La vojeto kondukis nin sub unu el la malsupraj arkaĵoj de la konstruaĵo, kaj ni alvenis al la alia flanko. Tiun ĉi flankon ni trovis eĉ pli belega ol la alian. Ĉe la meza parto sin trovis ŝtuparo de admirinda vasteco, nun disfalanta kaj en multaj lokoj havanta kreskantajn florojn kaj herbon.

Silente suprenirante tiun ĉi ŝtuparon, dum la aliaj sekvis, mi ekvidis du homajn piedojn kun la plando al ni, lokitajn sur la balustrado supre. Per signo mi atentigis Abdul pri ili, kaj la okuloj de la maljunulo ekbrilis de ĝojo. Ĉu ĝi estas Usonano? Mi konfesas ekscitecon pro la ebla renkonto. Kiom da ili estis tie? kaj kiamaniere ili ricevos nin?

Rigardinte mian areton por vidi ĉu ĉiuj estas tie, mi kuraĝe supreniris la aliajn ŝtupojn kaj staris antaŭ li.

Li ripozis sur stranga kvarpieda seĝeto, kaj tenis siajn piedojn sur la balustrado, nivele kun la kapo. Vestite per feloj kaj maldelikata ŝtofo li multe similis al ĉasisto, kaj li trankvile rigardis min, kvazaŭ Persa no-

belo estas ĉiutaga gasto. Tia akcepto ne plaĉis al mi, precipe ĉar li restis sidanta, kaj eĉ ne demetis la piedojn. Li skuis la kuriozan kapon kelkajn fojojn kvazaŭ tio estus sufiĉa saluto.

Por konservi mian propran indecon antaŭ miaj kamaradoj mi ne povis permesi, ke la barbaro sidu, kaj per signo mi petis lin, ke li stariĝu. Li respondis neĝentile kraĉante el la buŝo brunan fluidaĵon trans la balustradon antaŭ li. Tiam rigardante min per kvazaŭ ridonta, sed samtempe serioza vizaĝo, li diris ion per nemuzika voĉo, kion mi ne komprenis.

Je tio Abdul kiu komprenis unu aŭ du vortojn rapide alproksimiĝis kaj alparolis lin en lia propra lingvo. Sed la barbaro malfacile komprenis, precipe pro la pronunco de Abdul. Tiu ĉi poste diris al mi, ke la lingvo de la viro nemulte malsimilis la lingvon de la Usonanoj, kiel ili ĝin skribis antaŭ dek unu jarcentoj.

Kiam fine li stariĝis parolante kun Abdul, mi povis pli bone observi lin. Li estis alta kaj osteca, kun malgracia nuko, kaj aspektis ĉe la unua rigardo, kiel viro kvardekjara. Ni decidis poste, ke li havis malpli ol tridek jarojn. Lia flava haŭto kaj manko da haroj igis lin aspekti multe pli maljuna ol li estis. Lia mieno ankaŭ surprizis min. Ĝi esprimis profundan malĝojecon, tamen liaj okuloj estis plenaj de gajeco, kaj lia buŝo senĉese esprimis mokadon. Por mi mem, mi ne ŝatis lian manieron. Li ne ŝajnis impresata de tiom da fremduloj, kaj tenis sin kvazaŭ estus negrave ĉu ni lin komprenas aŭ ne. Sed Abdul poste informis min, ke li faris tre multe da demandoj pri ni.

Jen kio Abdul lernis: Tiu ĉi Usonano kun lia edzino kaj unu maljuna viro estis la solaj, kiuj restis el lia raso.

Tridek unu mortis tiun ĉi someron. En antikvaj tempoj la lando enhavis multajn milionojn de liaj samlandanoj. Ili estis la plej potenca nacio en la mondo. Li ne povis legi. Li havis du nomojn, unu estis "Jon," la alian li jam forgesis. Ili loĝis en tiu ĉi templo ĉar ĝi estas malvarmeta. Kiam la templo estis konstruita, kaj por kia celo, li ne povis diri. Li almontris al la Okcidento kaj diris, ke la lando tie estas kovrita per ruiniĝintaj urboj.

Kiam Abdul diris al li, ke ni estas amikoj, kaj donacis al li belegan ĉasist-tranĉilon, li etendis al li sian dekstran manon kaj tie tenis ĝin. Momente Abdul rigardis ĝin mire, kiel faris ĉiuj, tiam kun subita inteligenteco li ekkaptis la etenditan manon en sian propran, kaj movis ĝin supren kaj malsupren. Tio ĉi estis interesa, ĉar Abdul informas nin, ke tiamaniere la Usonanoj salutis unu la alian.

Dum ĉio tio ĉi okazis ni eniris grandan rondan salonon sub la kupolo. Tiu ĉi salono estis vastega, kaj ankoraŭ restis signoj de antaŭa belegeco. Laŭ la muroj sin trovis marmoraj statuoj ĉirkaŭitaj de hedero, kaj ili rigardis nin per melankoliaj okuloj. Tie ĉi ni ankaŭ renkontis maldikan maljunulon, kies senhara kapo kaj senbarba vizaĝo preskaŭ igis min ridi.

Laŭ peto de Abdul nia mastro kondukis nin en kelkajn el la pli malgrandaj ĉambroj por montri al ni la vivmanieron de la Usonanoj, kaj estas neeble imagi pli patosan miksaĵon de gloro kaj ruiniĝo, de riĉeco kaj malriĉeco, de civilizacio kaj barbareco. Malnovaj mebloj, pladoj el arĝento, bronzaj figuroj, eĉ altvaloraj pentraĵoj kaj ornamaĵoj estis disĵetitaj en la ĉambroj, flanko de la plej primitivaj iloj. Estis klare, ke la antikvaj artoj jam de longe estis forgesitaj.

Kiam ni revenis al la ronda salono nia mastro momente malaperis en ĉambron, kiun li ne estis montrinta al ni. Li revenis portante ŝtonan vazon kun malgranda kolo, kaj lin sekvis knabino, kiu portis pokalojn el kupro kaj stano. Tiujn ĉi ŝi metis sur defalitan parton de la kupolo, kiun ili uzis kiel tablon.

La knabino estis interesa. Ŝi havis belan kapon, delikatajn trajtojn, flavan hararon, bluajn okulojn, kaj paceman malgajan mienon, kiu tuŝis mian koron. Se ŝi estus estinta malbela, la tago estus havinta tute alian finon.

Ni ĉiuj salutis ŝin, kaj la Usonano diris kelkajn vortojn, kiujn ni prenis kiel prezentajn vortojn. Li plenigis la pokalojn el la ŝtona vazo, kaj tiam dirante ion, kion Abdul ne komprenis, li etendis sian pokalon kun stranga moveto kaj metis ĝin al siaj lipoj. Kiam li tion faris Omar ekkaptegis mian brakon kaj diris:

"La ĝusta gesto de la fantomo!"

Kaj tiam kvazaŭ al si mem, "Kaj hodiaŭ estas la kvara de Julio."

Sed li trinkis, kiel faris ĉiuj, ĉar nia soifo estis forta kaj la odoro de la ora fluidaĵo estis plej alloga. Ĝi havis pli varmegan guston ol la fajroj de la infero. Ĝi ankaŭ estis tre potenca kaj tre gajigis la sentojn. Ni tuj fariĝis feliĉaj. (Daŭrigota)



S-RO John C. Vasselin, sekretario de Usona Esperanta Asocio por ŝtato Pensilvanio, sciigas, ke ili tie jam organizis klubon, filion de la nacia asocio, kun la jenaj oficistoj: Prez., Pastro L. E. Catlin; v.-p., S-ino Julia Merrill; kas., F-ino Agnes O'Leary; sek., Arthur Shultz.

## TRE BONE.

DE RISTO M. CHUPICH-DANILOVGRAD.*



MIKON estas bone havi ĉie. Unufoje okazis al mi agrablaĵo: la veturilo dum vespero en kiu mi veturis tra unu al mi nekonata loko, rompiĝis; mi demandis la veturigiston kie mi trovus rifuĝejon? Li diris al mi, ke mi ekiru en la lernejon de tiu ĉi vilaĝo.

"Ĉu vi konas la instruiston?" demandis mi la veturigiston. Ho! kiel mi ĝojiĝis kiam li elparolis la nomon de unu el miaj kolegoj jam el gimnazio. Mi do trovis en la lernejo mian bonan kunkolegon, kiu min bonkore akceptis kaj gastigis.

La morgaŭan tagon li ricevis sciigon ke al li venos la inspektoro; tiam ni ambaŭ ekzamenadis la lernantojn. Li fariĝis tre pala, finis la ekzamenadon kaj diris al la lernantoj ke ili eliru el lernejo je ripozo. Por ke li povu kaŝi antaŭ mi sian embarason, li tuj komencis pretiĝi. Li tuta tremegis. Ĉion, kion li faradis, faradis per saltego: jen tion ĉi, jen tion. Ne ankoraŭ bone la bildojn li pendigis kaj jam translokigas benkojn, seĝojn, tablojn, purigas la vitrojn, tra kiuj oni vidis preskaŭ nenion pro multe da polvo, ktp.

"Mizerulo, instruisto!" opiniis mi al mi mem, rigardante lin kun kompato.

"Ne estas ŝerco, mi petas vin, la nova inspektoro!" Li sin turnis al mi, kvazaŭ li dirus: "Li timigas min!" "Mi ne konas lin, ankaŭ li min; apenaŭ hodiaŭ mi sciiĝis pri lia subita alveno; kaj" ... Kaj tiam li eksilentis, os-

* Montenegro.—Al mia sincera kunfrato kaj amiko, S-ro Iv. H. Krestanof-Bulgarujo.

cedante kiam ekvidis nefinitan raporton. Je lia vizaĝo malaperis la rideto.

"Kaj tion ĉi?" li ekdemandis min per rigardo plenĉagrena kaj senesperema.

"Kaj al tio ĉi oni trovos la finon!" respondis mi. Kiam mi promesis al li ke mi ĉi tion finos, li iomete trankviliĝis,—sed ree maltrankviliĝis.

"Vane! ĉion al mi preparu, ĉion prizorgu, nenion scias miaj lernantoj, simple nenion. Pro kio kaŝi antaŭ vi? antaŭ mia sincera amiko?" li diris tre malkaŝe kaj trofideme.

"Kion ili pli bone scias?" mi demandis lin kolege.

"Nenion; kaj serblingve pli bone!" li diris.

"Hm!" mi pripensis al mi mem; "mi ne kredas--dubas!"

"Kiel ili povas scii, kiam mi mem ne scias, mi, ilia instruisto? Kaj kion mi instruis? nenion!"

"Serioze, kie vi plilongigis la studadon kaj kian? Mi rememoras ke vi en dua klaso de gimnazio malsukcesis je kelkaj aferoj kaj eliris el gimnazio?" mi demandis lin sincere.

"Mi vagadis tra la mondo; 'per ventro por pano,' kiel oni diras; iomete mi vizitis iel 'la vesperan lernejon' tie trans la Danubo."

"Kaj kiel oni akceptis vin tie ĉi kiel instruiston sen atesto pri studado?"

"Nu--he!" li komencis embarase, kaj daŭrigis: "he, mia frato! tiel: (li etendis la dekstran manon kvazaŭ kalkulas la monon). La malnova inspektoro, Dio pardonu lian animon, bone zorgis pri mi, kaj mi lin--tiel:" Kun lastaj vortoj per ŝultro li movetis kvazaŭ li portas je ĝi plenan sakon. "Kaj la nova? He, ne demandu

min pri la nova inspektoro! Oni diras: li estas kolerema, severa, li esploras ĉiujn bagatelojn. La vero estas, mi komunikis al miaj lernantoj kion mi demandos ilin, sed vane estas, li konjektos. Li estas instruita -- oni diras -- tiu ĉi sinjoro kaj diligenta, kaj sprita. Li estas malgrasa, maldikega -- ĉio, pro pensadoj, klopodoj kaj penadoj pri lernejoj kaj iliaj bonaĵoj, -- li ne dormas eĉ duonnokton, laborante, -- oni diras. La infanoj konfuziĝos, jen mi mem nun ektimis! Li donos al mi 'malbonan ateston;' poste -- adiaŭ, mia bela salajro!"

Li submetis la dekstran manon sub sia kapo, kaj tiel restis senmova apud la tablo.

Je sojlo de lernejo alkuris du-tri lernantoj, ekkriante timeme: "Jen li, sinjoro! jen!" Ni eliris antaŭ la lernejo.

"Certe, li venas!" diris mi, rigardante la instruiston, kiu ekpaliĝis kvazaŭ iu lin superŝutis per varmega akvo. La inspektoro jam estis antaŭ ni. Lia tre grasa vango ekruĝiĝis de sunbrulo, kaj sur ĝi aperis ŝvito de laceco. Lia marŝado estis tre malrapida, ĉar liaj piedoj estis troŝarĝitaj de lia dika korpo, kiu por povi tiel grasiĝi devus pasi preskaŭ kvardek jaroj kaj formanĝi multe da manĝaĵo kaj trinkaĵo, ankaŭ tre dolĉe kaj longe dormi.

Per ekstera vizaĝo apenaŭ ŝajnis al mi ke li estas tre malmulte ekpensema kaj ekokupata per kiaj ajn penadoj kaj klopodoj, kiuj homojn devigus maltrankviliĝi; entute li ŝajnis egalanima.

Post kutima saluto ni eniris lernejon. Li sidiĝis sur lignan kaj malnovan brakseĝon; ĝi ĉiam senĉese krakadis sub la nova troŝarĝo.

Unue li forviŝis la ŝviton de l' vango, tiam lukse tuŝetis la longajn vangharojn, tiel same la lipharojn; tu-

ŝetis kaj viŝis la lipojn, tiam levis la okulojn, ilin iom pli ol kutime vastigis, ekkraĉis, fermis la buŝon, lokis la piedojn kaj prenis la pozicion de seriozema inspektoro.

"Nu, komencu, mi petas vin!" apenaŭ li diris al la instruisto, kiu palpebrumas per okuloj senĉese.

"Bonvolu, sidiĝi!" li aldonis al mi, montrante per mano ke mi sidiĝu apud li.

"Kiel oni devas krucsigni? krucsigni!" komencis la instruisto demandi la lernantojn, krucsignante li mem. La lernantoj respondis ĉiam ripetante kaj per kantanta voĉo: "Oni devas krucsigni — oni devas krucsigni:" Tiel same aliaj demandoj kaj respondoj iris per sama vico unutone ke estis pli malfacile ilin aŭdadi ol malnovan muelejon kiam ĝi krakadas.

Mi facile rigardadis la inspektoron; li ŝajnigis kvazaŭ li ĉion aŭdas kaj studas, sed en la sola afero, kiam mi plibone ekobservis je liaj okuloj, mi tuj konvinkiĝis, ke lin nenio interesas: nek demandoj, nek respondoj, sed ŝajnis ke li pri alia afero meditadas.

"Ni, mi jes, kaj vi, forrestis sen ministro de publika instruado!" li sin turnis al mi per mallaŭta voĉo: "Li estis tre bona, Dio lin pardonu!"

"Dio lian animon pardonu!" ripetis ankaŭ mi, kaj tuj solvis la enigmon de lia meditado.

"Kiel vi opinias pri tiu ĉi afero, mi petas vin?"

"Mi -- precize -- jes -- mi --" mi komencis per esplora rigardado.

"Nu, nu, estas necese elekti scienculon!"

"Jes, vere estas tiel, oni ne povas sen ministro, se ni deziros marŝi kune kun kulturaj popoloj."

Kiam la instruisto ekvidis, ke ni sufloras unu al alia, li ekkuraĝiĝis kaj ekmoviĝis dekstren kaj maldekstren.

Kion ne povas kamarado al kamarado ĝissuflori, tion la instruisto montras per diversaj mansignoj. La lernantoj sufloradas, murmuretas, movetas, la instruisto krietas -- kion oni ne faradas -- vera ĥaoso!

"Vi konas niajn inteligentajn junajn fortojn kaj aktivajn instruistojn -- kiel vi juĝas -- kiu estus konvena por tiu granda kaj malfacila tasko?"

Li komencis pli fide, sin turnante per vizaĝo rekte al mi, kiam li vidis ke min la afero tre interesas.

"Jen, vi plene havas instruistojn, junajn kaj kapablajn, kaj --"

"Kiam oni rigardas unuflanke: havas plene, sed kun rigardo je specialkapablaj por tiu tasko — malmulte ni estas!"

Tiam mia rigardo okaze falis je la instruisto, kiu per petanta rigardo petegas min, ke mi daŭriĝu la diskutadon kun sinjoro la inspektoro, kion mi promesis al li. La kriado de lernantoj estis tiel forta, ke ni ambaŭ devis per pli alta voĉo paroladi, kaj tiam interkompreniĝi. La sinjoro inspektoro fine forgesis je lernejo kaj je instruisto, kiu, kuraĝigita per mia promeso, komencis dikti kiel iu juĝisto.

"Kiam ni jam diskutis pri tiu ĉi afero," mi komencis denove kun ekstra intereso; "mi estas libera komuniki al vi proponon, kiu, mi opinias, estus tre taŭga, tre bona, kaj tre bela!"

"Nu, mi aŭdu! Kaj vi parolu malkaŝi kaj sincere, ĉar la domo estas kovrita kaj la pordo fermita!" li diris avidege.

"Tio, mi diras, estus tre taŭga ke vi okaze vizitante la lernejojn, diskutu kun ĉiuj instruistoj, pastroj kaj aliaj inteligentaj personoj. Ĉu plaĉas al vi tiu ĉi propono?"

"Jes, konscience; nu, kio plu rezultas?"

"Mi petas, jen kio: ke ĉiuj, kiujn mi suprenomis, donu illan opinion kaj subskribon: kiun ili volos kaj deziros havi ministron, kaj ke vi alportu tiujn subskribojn kien oni bezonos!"

"Bonege!" li karese diris al mi. "Kaj kiun vi, ekzemple, nomus?" Kaj per okuloj li petegas min por si mem, ke mi nomu lin.

"Mi, vin! malkaŝe diras al vi!"

Je tiu ĉi sama momento, fininte la instruisto ekzamenon, diris laŭte: "La hodiaŭan tagon vi, miaj lernantoj, finis tiun ĉi jaron, kaj kia sukceso estas, tiu ĉi afero dependas de sinjoro inspektoro!"

"Tre bone!" ekkriis la inspektoro per alta voĉo. Ni ĉiuj tri interekrigardis per mirinda rigardo: la instruisto miregas kiel li akiris "tre bone;" la sinjoro inspektoro kiel mi nomis lin ministro; kaj mi ankaŭ kiel sprite mi helpis al mia amikkolego!



UNU simio sin rigardis en spegulo. Ŝajnis al ĝi antaŭe, ke ĝi estis pli ol homo. La spegulo ĝin senerarigis. Ĝi koleris ĝin. Ŝajnis, ke la besto diras: "Cin malbenu; el ci venas sur min tiu malbela aspekto." Ĝi prenis en mano bastonon, kaj sur la vitron per tuta sia forto ĝin faligis. La spegulo falis dispecigita. Sed, post la venĝo, ĝi ankoraŭ havis sian malbonon: ĉiu peceto prezentis sin simio! En cento da speguloj ĝi vidis, kion ĝi vidis komence en nur unu sola.

—El itala lingvo esperantigis H. M. S.

## KIEL BELA ESTAS LA VIVO!

### EL PSIKOLOGIO DE L' RUSA JUNULARO.*

(Daŭrigo)

II



E unu el miaj okazaj renkontiĝoj kun ŝi, la interparolo turniĝis al ŝia vivo.

"Diru al mi," mi demandis; "kiel vi, duope kun via amikino, efikas ekzisti, gajnante nur duoncenton da frankoj ĉiumonate? Mi iom konas la kondiĉojn de vivo ĉi-tiea kaj mi opinias, ke eĉ unu homo ne povus vivi vere trankvile kun ĉi-tiu sumo."

Ŝi levis al mi la grandajn nigrajn okulojn kaj respondis simple:

"Ne, la mono ne sufiĉas por ni."

Kaj, iom silentinte, aldonis: "Sed kun Rebeka mi trovis rimedon por likvidi la monaferojn."

"Do?" interesiĝis mi.

"Iafoje ni -- ne manĝas."

Vidinte la miregesprimon sur mia vizaĝo, ŝi rapidis konfuze klarigi:

"Nu, ni ja ne laŭvorte 'ne manĝas.' Iafoje ni manĝetas malgrandan pecon da pano matene kaj vespere -- jen ĉio. Necesas iamaniere eliradi el nia ĉiama financa krizo; ĉu ne?"

Estis neeble rigardi sen korpremiĝo tiun lacegan infanan figureton kun timemaj sinmovoj kaj mienoj, kiu tiel kviete parolis pri tiu terura "rimedo" solvi la

* Laŭ efektivo verkis Simeon Poltavski el Saratov, Rusujo.

financan problemon. Ke ŝi tiel simple parolis pri sai malsatado, igita ia ekonomia principo, kun aparta heleco reliefigis la grandegan inkubon de ŝia turmentplena ekzistado, -- la teruregon, kiun ŝi, feliĉe aŭ malfeliĉe por si, tute ne rimarkis, al kiu ŝi videble kutimis kiel al tute normala afero.

"Ĉu vi intencas reiri Rusujon?" mi demandis por transigi la interparolon al alia temo.

"Ne, mi ne povas. Eĉ se mi volus, mi ne povus tion. Jen ..."

Ŝi ektusis per seka malagrabla tuso kaj profunde respiris.

"Jen, kiam mi min orientos pli bone ĉi tie, ellernos pli perfekte la lingvon, komencos mem laborenspezi -- tiam estos eble pensi pri tio ĉi. Kaj nun -- estas ankoraŭ frue. Por mi eĉ estos pli bone, se mi loĝos iom ankoraŭ en Italujo. La sano mia estas tre kaduka. Mi devas plifortiĝi. Oni diras, ke ĉi tie en Italujo oni povas saniĝi per sola aero. Ĉu ne vere?"

Mi murmuris ion tian, kio devis signifi konsenton, poste rapidis foriri de ŝi. Tiu parolado estis tro korpremanta, por ke oni povu daŭrigi ĝin.

Post kelkaj tagoj mi ree renkontis Rozon en studenta kolonio sur Vomero.

Laŭkutime, ŝi sidis silenta en angulo, sur mola apogseĝo, kaj penseme rigardis ŝvitantan en disputoj junularon. Ŝi ne partoprenis senpere la interparoladon, sed estis okulvideble, ke la temo de disputoj ŝin tre interesas kaj ke ŝi aŭskultas kun forta atento. Nur iafoje ŝajnis ke ŝia penso, ne forlasinte efektive fadenon de farataj disputoj, tamen foriris ien malproksimen, internen de ŝi, kvazaŭ ion kunligante, ordigante kaj resumante.

Kiam post unu plej pasia parolbatalo venis mallonga ripozpaŭzo, mi eliris sur la balkonon.

Tie jam estis Rozo.

"Ĉu vi ne enuas ĉi tie en Napolo?" mi demandis, por diri ion.

"Mi?"... Ŝi rigardis min kun miro. "Mi neniam enuas."

"Por kio do vi vivas?" nevole, maldelikate eliĝis el mia buŝo.

"Mi ĉiam pensas ..."

"Pri Rusujo? Pri parencoj?"

"Ne. Mi pensas pri la vivo." Ŝi silentis momenton, poste aldonis serioze: "Tre bona aĵo estas la vivo; tre interesa aĵo."

(Daŭrigota)



LA donacoj de la Vivo (Olive Schreiner): Mi vidis dormantan virinon. En sia dormado ŝi sonĝis ke antaŭ ŝi staras la Vivo kaj portas en ĉiu mano donacon -- en la unu Amon kaj en la alia Liberecon. Kaj li diris al la virino: "Elektu!"

Dum longa tempo la virino paŭzis; tiam ŝi diris: "Liberecon!"

"Vi bone elektis," diris la Vivo. "Se vi estus dirinta 'Amon,' mi estus doninta al vi kion vi petis, kaj mi estus foririnta kaj neniam revenus al vi. Nun, pro via elekto, venos la tago kiam mi revenos kaj en tiu tago mi portos ambaŭ donacojn en unu mano."

Mi vidis la virinon ridi en ŝia dormo.

—Esperantigis John W. Wood - Takomo.

## HUMORAĴO.

DE IV. H. KRESTANOF - BULGARUJO.

VERO.—A: Kio estas asekura societo?

B: Instituto kiu faras la homon dumvive malriĉa por morti riĉa.

La fianĉino: Ĉu estas malfalsa la diamanto de l' fingroringo, kiun vi donacis al mi?

La fianĉo: Malfalsa kiel via amo.

La fianĉino: Tiam reprenu ĝin.

Paĉjo, ĉu mi similas diablon?

Kiel vi similos diablon, mia anĝeleto!

Ĉar la enloĝinto de nia domo, kisinte hodiaŭ Franjon, diris al ŝi "anĝeleton," kaj al mi "diableton!"

Inter amikoj: Mi vin tre petas komplezon.

Kun plezuro mi servos al vi. Kion vi deziras?

Konsilu vi ankaŭ mian filon; mi miras kion fari kun li. De kelka tempo li ne volas aŭdi la konsilojn de saĝa homo, li iras nur laŭ la konsiloj de frenezuloj kaj idiotoj. Mi vin petas: ankaŭ vi konsilu al li!

La domomastro: Kion signifas tiu ĉi lingvo ĉe vi? Ĉu vi ordonas tie ĉi, aŭ mi?

La servisto: Mi tre bone scias ke ne estas mi.

La domomastro: Ho, bone! Tiam ne estante vi domomastro, kial vi fariĝas idioto?

S-ro doktoro, kion oni devas fari por ne morti frue?

La doktoro: Vivi.



SENDU LA SIMBOLO'N al viaj geamikoj.

INTERNACIA GAZETO

# LA SIMBOLO



ESPERANTO



Jaro IIIa MAJO, 1911 Num. 3a

SYMBOL PUBLISHING CO.
P.O. Box 1020, Tacoma, Washington, U.S.A.

ELIRAS MONATE

# LA SIMBOLO

Abonprezo: enlande, Sm. 2,00; eksterlande, Sm. 2,50
Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista, London

Entered as second-class matter April 7, 1909, at the postoffice at Tacoma, Washington under the Act of Congress of March 3, 1879.

## ENHAVO



Sin turnu al

**Symbol Publishing Co.,**

**Post Office Box 1020, Tacoma, Wash.**



Jaro IIIa MAJO, 1911 Num. 3a

Ĉu ni ne similas al tia sama materialo el kiu la sonĝoj naskiĝas?

---

## LA VILAĜANOJ PRI TOLSTOJ.

DE V. U. -- ESPERANTIGIS N. HRISTOSKOFF.

JEN ni estas en Zaseki. Tie ĉi li estis; tiuj konstruaĵoj, tiuj nigrantaj en la malproksimeco montetoj kaj vojo estas respeguliĝintaj en liaj rigardoj, — de hodiaŭ tiuj lokoj pleniĝos de paroloj pri li kaj fameco.

Mi ne povis stari en la stacio* pli ol duonhoron kaj pro tio, ke ĝi estis troplenigita de homoj, kiuj disvastigis malbonan atmosferon, kaj pro tio, ke io min logis tien, al la libera aero, kie komencis aperi grupoj da infanoj, virinoj kaj junulinoj, vilaĝanoj diversaĝaj, kiuj havis la feliĉon reflekti en si mem la vizaĝon de la Jasno-Polana'a instruisto: ĉiuj havis modestajn, seri-

*Astapovo.

ozajn ĝis malĝojo vizaĝojn kaj estas pretaj rememori kaj rakontadi kun plezuro pri ia travivaĵo, pri kio estus agrable ankaŭ al la rakontanto mem. La spirito de la eminenta maljunulo aperadis en la rakontoj de la diversaj grupoj en efektivaj formoj.

Ĉirkaŭ grupo da knabinoj kaj virinoj kolektiĝis rondo de adorantoj al la maljunulo. Ekportiĝis vortoj: "la vilaĝanoj de la tuta vilaĝo* venos pli malfrue renkonti la grafon. Ni ekrapidis veni pli frue. Ni timis, ke ni ne povus lin vidi je la lasta fojo."

"Ĉu ofte vi lin vidadis?"

"Jes, ĉiam. ... Iam ni iras en la arbaron de la grafo, kolektas lignojn, turnas nian rigardon, kaj li -- tie ĉi: la manoj defalas. Li pli multe penis sin kaŝi, por ke ni lin ne vidu. Kaj iam li proksimiĝas al ni kaj diras: 'Kial vi portas tian faskegon? Ĝi pezas, malutile estas, -- vi, pli bone, venu dufoje.' 'Ni timas,' ni diras al li, 'ke nin vidos la gardisto, li riproĉos nin.' 'Nenio estas,' li diras; 'ne timu; mi diros, ke neniu riproĉu vin.' "

"Kiam li estis viva," rakontas junulino; "ni ĉion povis fari, -- en la arbaron de la grafo ni iris kaj kolektadis fungojn, kvazaŭ en nian propran arbaron. La grafo nin renkontas, ekparolas, ekrigardas, kiajn fungojn ni kolektis, kaj eĉ li mem montras, kie li estis vidinta 'multajn fungojn'." "Multaj fungoj estis en tiu valeto, kie oni nun elfosis al li tombon," diris iu knabineto; "nun estos terure iri tien." "Kial, malsaĝulino, estos terure?" trankviligas ŝin maljunulino; "tian bonfarulon ni ne devas timi; li, mi pensas, mortis je ni."

"Kiel li mortis je vi?" demandis iu el la amaso.

*Jasnaja Polana.

"Vidu, sinjoro, li ĉiam pri ni klopodis, kaj lasttempe li pensis eĉ sian bienon al ni oferdoni."

Tie ĉi sin enmiksis unu el la vilaĝanoj.

"Jes, tio estas vera. Li nin bedaŭris, tiujn, kiuj havis malmultan teron. Sed oni lin ne obeis.* Li koleriĝis kaj foriris, kiel oni aŭdis, al Jalta, oni diras, por vidi, kiel vivas tie la malriĉa popolo."

"Jen oni vidas," komencis ree la maljunulino, kiu interrompis la parolon de la vilaĝano, "ke je ni li 'prezentiĝis.' " (t.e. mortis).

"Ĉu vi pensas, ke al la vilaĝanoj estos pli malbone sen li?"

"Kompreneble. En li sole, iam, estis nia tuta espero, en li — nia defendo. Okazas malfeliĉo — ĉevalo mortas, domo forbrulas, — tuj al li oni kuras: li ĉiam helpos. Ankaŭ la estraro lin obeis. Al iu vilaĝano estis ŝtelita la ĉevalo. La ĉevalon li retrovis, sed la polico ĝin ne redonas: multan monon elspezis la vilaĝano, sed sen utilo. La vilaĝano iris al la grafo; tiu ĉi nur skribis letereton kaj tuj oni redonis la ĉevalon."

En tiu tempo alproksimiĝis la ŝarĝvagonaro, venanta de la stacio Orel. La Jasno-polananoj iel konsterniĝis, -- ĉu oni ne veturigas jam la grafon? Oni ilin trankviligis.

Estis mallume kaj malvarme. La grizan nokton tranĉis du fajroj. Mi alproksimiĝis al grupo da infanoj, je aĝo de 7 — 15 jaroj. "Ĉu ankaŭ vi funebras pro Lev Nikolajeviĉ?"

"Ni funebras; bona estis la grafo," ekparolis unu antaŭante la alian la infanoj.

*Liaj familianoj koktraŭstaris tiun intencon.

"Ĉu li donadis al vi donacojn?" demandis ilin mia apudestanto.

"Donacojn li ne donadis al ni, sed li faradis al ni dum ĉiu nova jaro abion, kaj sur ĝi pendis ludiloj, libroj, sukeraĵetoj," diris serioze ne laŭ sia aĝo knabo.

"Ni iradis en lian domon lerni ĉiun vesperon. ... Li nin instruis pri la vivo de Jesuo Kristo, por ke ni ne mensogu; li legadis al ni librojn pri la diversaj landoj."

"Ĉu ĉion vi komprenadis?"

"Bele, kaj kompreneble li rakontadis kaj legadis antaŭ ni -- de li ne estas eble ne kompreni ion: li vidas ke ni ne komprenas kaj tiam li ankoraŭ unufoje legas kaj ĝin rerakontas alimaniere."

Feliĉaj infanoj; tiu seriozeco kaj vereco en iliaj vortoj, ĉu ne estas rebrilo de la animo de ilia eminenta instruisto?

Irante nokte laŭ la vojo al Jasnaja Polana, kie ankoraŭ ne estis alveturigita la korpo, ni renkontis alian "lernanton" de Tolstoj. "Vi ŝajnas samaĝulo kun li?"

"Ne," diris la "lernanto," "dudek jarojn mi estas pli juna; mi lernis en lia lernejo, kiam mi estis malgranda knabo. Tio estis antaŭ longa tempo -- antaŭ nia liberiĝo de la servuto. ... Kaj poste mi legadis liajn verkojn. Ni ofte konversaciis. Jen nun kvazaŭ mi aŭdas lian vivan interparoladon. Li estis instruisto en la vortoj, kaj ankaŭ en la vivo," diris la maljunulo, ekflamante. "Ĉion li mem trapasis, travivis en sia vivo, sed ne ekflugis tuj, -- ĉiujn pekojn li konis, tial li povosciis ankaŭ nin dividi de ili. Neniun li timis kaj al ĉiuj 'predikis' -- predikis ankaŭ al la pastroj tial, ĉar ili rabas; predikis al la estraro, ĉar ĝi ofendas la malriĉulojn. Kiu estas lin aŭskultinta, ĉiam enpensiĝas, ekkomprenas. Antaŭ

kelka tempo, ekzemple, venis niaj rekrutoj adiaŭi lin. Li komencis paroli al ili simplajn vortojn: ne fumu, ne drinku, ne mensogu antaŭ la konscio, kaj ili ploras de tiuj vortoj. ... He, kion rakontadi! Sankta homo li estis!"

Ĉirkaŭ Jasnaja Polana ni renkontis aliajn vilaĝanojn. Ni ekparolis.

"Mi," diris unu el ili, "interparolis kun li du tagojn antaŭ lia foriro:

" 'Nu, kiel,' li diris, 'vi pensas pri la revolucio?'

"Kial vi, Lev Nikolajeviĉ, demandas min pri tio? Al vi, mi diris, estas pli bone konata ĉio."

" 'Sed ĉiam estas.'

"Mia opinio," mi diris, "estas tia: simile al la babilona turkonstruado: ĉiuj portis ŝtonojn, sed ili parolis diversajn lingvojn; tial ankaŭ eliris nur malkompreniĝo."

"Li ekridetis al miaj vortoj."

" 'Nenio,' li diris; 'ĉio reformiĝos: la homoj fariĝos pli bonaj kaj pli multe amos kaj komprenados unu la alian; eble tiam vi levigos ankaŭ turon altan ĝis la ĉieloj. ... Nur ni ne devas malesperi.' "

"Sed kiel agadis Lev Nikolajeviĉ renkontante malsobrulojn?" demandis iu el la amaso.

"Kiu sin sentadis malsobra, tiu penis sin kaŝi; honto estis renkontiĝi kun li; sed diri la veron: tie ĉi oni eĉ ne drinkas."



DE la 1-a de Aprilo, aperos el la eldonejo de Fritz Stephan, en Leipzig, Germanujo, Kochstr. 61, je la jara abonprezo de Sm. 1,20, monata ilustrita esperanta 20-paĝa gazeto: "Moderna Humoro;" ekz: respondkupono.

# LA LASTA USONANO.

## FRAGMENTO EL LA TAGLIBRO DE KAN-LI.*

(Daŭrigo)


AJ estis tiam ke Hason faris senprudentan agon. Estante proksime de la knabino kaj tre impresata de ŝia beleco, li alparolis ŝin kiel Hur-al-missa,** kion, kompreneble, ŝi ne komprenis. Sed tio ne sufiĉis al li; li poste metis siajn brakojn ĉirkaŭ ŝian talion kun intenco kisi ŝin. Tre timigite, ŝi penis liberigi sin. Sed Hason, tenante ŝian belan mentonon per la alia mano, estis preskaŭ metinta siajn lipojn al ŝiaj, kiam la maljuna viro levis sian pezan bastonon kaj faligis ĝin kun kruela rapideco sur la kapon de nia kamarado. La frapo de la bastono sur la solidan kranion sonadis en la kupolo kaj eĥis tra la malplenaj koridoroj.

Josafa Hason palpebrumis kaj ŝanceliĝis.

Tiam, kun furio en la vizaĝo, li kuregis sur la maljunulon.

Sed tiam la juna Usonano enmiksiĝis. Li rapide alproksimiĝis, forte fermis sian ostecan manon kaj kun miriga rapideco ŝovegis ĝin antaŭen, tiel rekte ke ĝi renkontis la vizaĝon de Hason, kaj li, niasurprize, subite kaj neĝentile sidiĝis sur la marmoran pavimon, kaj la sango elkuregis el la nazo. Li estis kompatinda vidaĵo.

* Princo de Dimf-ju-Chur kaj Admiralo en la Persa Maristaro. — Prezentita de J. A. Mitchell. — Laŭ permeso tradukita de Lehman Wendell - Takomo. — Ĉiuj rajtoj rezervitaj de Frederick A. Stokes Co.

**La plej anĝela el virinoj.

Pro tio ke tiamaniera batalo estis por ni nekonata, ni estis tre konsternataj, kaj opiniis, ke li estas mortigita. Jafar-el-Beg, fortega luktisto, kun potenca korpo, furioze kuregis sur la Usonanon, por kiu mi tremis. Sed la brakon li ree elŝovegis, kaj Jafar-el-Beg ankaŭ sidiĝis. Malĝoja spektaklo ĝi estis, kaj la koro de ĉiu Perso forte ekbatis.

Ĉe tiu ĉi tempo Hason ree staris, purpura de kolero. Kun levita glavo li kuregis sur nian mastron. La maljuna viro metis sin inter ilin. Hason kun senpripensa krueleco frapegis la kapon, kaj streĉis lin sur la plankon. Momente la junulo staris konsternita, tiam ekkaptinte la bastonon de la maljunulo — peza bastono kun fera pinto — li saltegis antaŭen, kaj, pli rapide ol vortoj povas diri, donis teruran frapon sur la kapon de Hason, kiu falegis al la planko kun rompita kranio.

Ĉio tio ĉi okazis en momento, kaj freneza konfuzo sekvis. Miaj kamaradoj eltiris siajn defendilojn kaj kuregis kontraŭ la Usonanon. La knabino kuris antaŭen aŭ de teruro aŭ por protekti sian amanton, mi ne scias, kiam sago el la pafarko de maristo trapikis ŝian koron.

Tio donis al la Usonano la energion de dekdu homoj.

Li senkonsciigis bravan Mulai' per frapo, kiu mortigus bovon. Pri tia furio mi ne havis koncepton. Li malaltigis sian bastonon kiel fulmofajron el la Ĉielo sur la kraniojn de la Persoj, tamen li ĉiam alproksimiĝis la pordon por malhelpi siajn malamikojn ĉirkaŭi lin. Kvar el nia nombro, en tiom da minutoj, sekvis Hason al la planko. Mulai, Jafar-el-Beg, Taki-u-Din, kaj Zenjan, maristo, kuŝis streĉitaj sur la pavimo, ĉiuj mortintaj aŭ treege vunditaj.

Tiel subite okazis tio ĉi, ke por mi ĝi preskaŭ ne ŝajnis realaĵo. Mi kuregis antaŭen por haltigi la batalon, sed li malkomprenis mian celon, per potenca frapo faligis mian glavon el mia mano, kaj estis ĵus levinta la bastonon por doni al mi la duan frapon, kiam brava Omar enpaŝis por savi min, kaj subite puŝegis la glavon al la viro. Sed ho ve! la Usonano defendis sin per frapo eĉ pli rapida, kaj malaltigis sian bastonon tiel rapidege sur la kapon de mia kamarado, ke ĝi kuŝigis lin kun la aliaj.

Kiam Omar falis mi notis, ke la Usonano havas multajn vundojn, ĉar miaj kamaradoj faris multajn sovaĝajn atakojn. Li ŝanceliĝis kiam li movis sin malantaŭen al la pordo, kaj li apogis sin al la muro momente, dum la okuloj renkontis la niajn kun elrigardo de batalemo kaj malestimo, kiun mi volonte forgesus. Tiam la bastono falis el lia mano; li ŝanceliĝe iris al la granda portiko, kaj falis peze al la pavimo. Abdul kuris al li, sed li estis senviva.

Kiam li falis mirinda afero okazis — neebla afero, kiam mi pensas pri ĝi, sed kaj Abdul kaj mi vidis ĝin klare.

Aataŭ la vasta ŝtuparo kaj sidanta kontraŭ tiu ĉi pordo estis granda statuo de Georgo Vaŝington. Kiam la Usonano ŝanceliĝe falis sur la portiko, kun manoj etenditaj kaj kun la morto en la koro, tiu ĉi statuo malrapide mallevis la kapon kvazaŭ por danki pro kuraĝa batalo.

Eble ĝi estis la malĝoja akcepto de maldolĉa fino.

* * * * * * * * *

La 7an de Julio: Ree sur la maro.

Tiuĉifoje al Persujo, portante niajn vunditojn kaj la cindrojn de la mortintoj; la cindroj de la enlanduloj kuŝas sub la Granda Templo. La kranion de la lasta Usonano mi donacos al la muzeo ĉe Teheran.

(Fino)



ĈAR okazis bedaŭrinda preseraro en unu el la "Poemoj en Prozo," de Turgenev, kiun ni publikigis en la lasta SIMBOLO, ni represas la poemon. Ĝi estas unu el la plej belaj, kaj tre pensiga:

NECESSITAS — VIS — LIBERTAS. ... BARELIEFO.

ALTKRESKA, osteca maljunulino, kun fera vizaĝo kaj senmove-malsprita rigardo, marŝas grandpaŝe kaj per sia seka, kiel bastono, mano puŝas antaŭ ŝi alian virinon.

Ĉi tiu virino de kolosa kresko, fortikega, larĝforma, kun muskoloj kiel ĉe Herkuleso, kun tre malgranda kapeto sur bova kolo -- kaj blinda -- siavice puŝas malgrandan malgrasan knabineton.

Nur tiu ĉi knabineto havas vidpovajn okulojn; ŝi kontraŭstaras, returniĝas, levas siajn delikatajn, belajn brakojn; ŝia vivplena vizaĝo esprimas malpaciencon kaj maltimon. ... Ŝi ne volas obei, ŝi ne volas iri, kien oni ŝin puŝas ... kaj, malgraŭ ĉio, ŝi devas obei kaj iri.

Necessitas — Vis — Libertas.*

Traduku -- kiu deziras.

* Neceseco -- Forto -- Libereco. (A. F.)

# LUMO.

**DE ARTHUR GRAY.***

"La lumo brilas en mallumo, kaj la mallumo ne komprenis ĝin." Joh. i, 5.



LA ANTIKVULOJ komparis la agadon de la spirito kun la agado de lumo; la homan animon ili nomis lampo. "La spirito de la homo estas kandelo de la Sinjoro," oni legas en la Proverboj. "Kiu malbenas sian patron aŭ patrinon," troviĝas en la sama libro, "ties lampo estingiĝos en profundan mallumon." La lumo estas la spirito. La lampo estas la animo. ...

Imagu lumon brilantan en lampo, kiu havas lumŝirmilon. Tra tiu ĉi ŝirmilo, kiel tra pentrita vitro, la spirito interna ricevas kaj elsendas lumon, kiu estas nuancita laŭ la formo kaj koloro de la transpasata vitro. La ŝirmilon oni nomas vehiklo** de la spirito. Pli komuna nomo estas animo. Ni supozu, ke ĝi konsistas el substanco diafana kiel vitro, sed fluida, plastika kaj impresebla. Ĉe homo, kiu jam faris progreson sur la vojo de la vivo, la ŝirmilo (aŭ vehiklo) jam ne estas unutona kaj malhela. "La vojo de piuloj estas kiel lumo leviĝ-

*Membro de la Teozofia Societo de Granda Britujo, kaj al li estas rezervitaj ĉiuj rajtoj.

**Vehiklo, angle "vehicle," ordinare signifas "veturilo," sed la autoro uzas ĝin por signifi peron.--La Red.

anta, kiu ĉiam pli lumas ĝis plena tagiĝo."* Kiel pentrita vitro, ĝi jam tralasas iom da interna lumo. Oni devas tamen supozi, ke, en la komenco, la substanco de la ŝirmilo (aŭ vehiklo) ne estis tiel malpeza, tiel diafana, kiel ĝi nun estas. En la komenco, kompreneble, ĝi estis maldelikata, maldiafana. kaj tute malebligis la trafluadon de la lumo, la manifestiĝon de la spirito.

Sed, kiel ni jam diris, la ŝirmilo (aŭ vehiklo) konsistas el substanco subtila, fluanta, plastika (la antikvuloj ja nomis ĝin la Elementa Akvo), kiu estas sensitiva sub la agado de la lumo, similante la antikvajn vitraĵojn de la Romanoj, videblaj en muzeoj, kiuj tiel beliĝis dum la jarcentoj pro agado de la lumo kaj de la atmosfero. Por la nuna argumento, tamen, ni supozu, ke tiu beliĝo fariĝas pro agado de la lumo sola. En la komenco, la lumo ne povas traflui la ŝirmilon, kaj la spirito do atingas nenian manifestiĝon. Sed malrapide, malkonstante, la agado de la lumo ekhavas efikon; kaj jen la substanco de la ŝirmilo (aŭ vehiklo) ekfariĝas diafana, ĝis fine la lumo ekvidiĝas tra la ŝirmilo, kaj la animo videble ekvivas. Anstataŭ la maldiafana nigro de la primitiva vehiklo, ekaperas koloroj. En la komenco, ili estas malhelaj kaj malbelaj. Sekve la koloroj ekordiĝas laŭ formoj: de la sentoj devenas la pensoj. La koloroj ne estas konstantaj, fiksitaj. Ili ŝanĝiĝas facile laŭ ĉiu fluganta eksento. Simile, la formoj, laŭ kiuj la koloroj ordiĝas, senĉese ŝanĝiĝadas laŭ la pensado. Necesas memori, ke tiuj koloroj kaj formoj konsistas el la substanco mem de la ŝirmilo (aŭ vehiklo). Ili ne estas surpentritaj. La lumo de la spirito agadas sur la ŝirmilon (sian vehiklon);

*Proverboj.

kaj, pro tiu agado, la esenca substanco de la ŝirmilo fariĝas alia: iom post iom ĝi diafaniĝas; iom post iom ĝi ordigas sian substancon laŭ koloroj kaj formoj. Ju pli longe la lumo (spirito) agadas sur ĝin, des pli bela kaj delikata fariĝas la ŝirmilo (vehiklo).

La koloroj kaj formoj de la ŝirmilo (la pasioj kaj pensoj de la animo) projektiĝas de la potenco de la interna lumo (la senmorta spirito) kiel lumbildoj vivantaj sur la eksteran mondon. Reciproke, la bildoj de la ekstera mondo atingas la spiriton interne de la lampo nur tra la ŝirmilo, kies mirinda vitro kaŝas kaj ŝanĝas ilin laŭ la senĉesa nuancado de la koloroj kaj la formoj.

Estas tre grave memori, ke animo ne kapablas krei. La sola kreo komprenebla estas la fariĝo de lumo en ĥaoson. Kiel la "Spirito de Dio" en la komenco de la mondo, la animo ne kreas: ĝi nur donas formon kaj koloron. Oni parolas pri animo kaj imageco kvazaŭ tio estus fabrikejo. Sed ne estas tiel: animo plisimilas interŝanĝejon.

La funkcio de la animo ne estas kreado, sed la donado de formo, la ordigo de ĥaoso. Lumo elsendata kaj ricevata tra la ŝirmilo (aŭ animo) neniam estas pura, ĉar ĝi devas fluadi tra la nuancita vitro, pri kiu ni jam parolis. Tiu vitro estas, kiu donas kolorojn kaj formojn. Tra tiu vitro la interna lumo projektas sur la eksteran mondon bildojn, kies formo kaj koloro devenas de la nuancado de la ŝirmilo, tra kiu la spirita lumo fluas. La bildoj, kiujn projektas ĉiu individuo, estas diversegaj. Sama diverseco vidiĝas en la impresoj, kiujn ĉiu individuo ricevas de ekstere. Sed la lumo, kiu agas post la ŝirmilo de la animo, tamen estas unu kaj sama. Estas Dio.

## PRI LA HEBREA "TETRAGRAMMATON."

DE JAS. F. MORTON, JR., NOV-JORKO.



MI LEGAS en "La Revuo," kun konstanta intereso kaj plezuro, en kiuj partoprenas la plejmulto de la Esperantistaro, la gravan tradukon de la Malnova Testamento, kiun tiel akurate kaj belege faras la Majstro. Estas laboro, kiu devas multe progresigi nian aferon, kaj kiu interesos ĉiun Esperantiston, ĉu li povas esti Kristano, Judo aŭ Liberpensulo. Nur pri unu punkto, mi min trovas devigata esprimi malkonsentan opinion. Mi kuraĝas eldiri ĝin, ĉar mi jam de longe, unue kiel Kristano, pli malfrue kiel Liberpensulo, zorge studis la Biblion kaj la diskutadojn de la plej eminentaj eksegezistoj kaj kritikistoj.

Oni rimarkas, ke ĉie en la traduko la titolo "La Eternulo" anstataŭas la nomon "Jehovah." Laŭ mia opinio, tio estas grava eraro, kiu iom difektas la senpartiecon de la traduko. La unua devo de tradukisto estas kiel eble plej ĝuste esprimi por la legontoj la pensojn de la originala teksto, kaj ne cedi al la preferoj aŭ la antaŭjuĝoj de la partianoj de iu ajn teorio. Se la teksto montras naivan aŭ superstiĉan kredon, ne estas prave, ke la tradukisto ĝin kaŝu sub grandioza frazaranĝo, por fari plezuron al tiuj kiuj nepre volas kredi, ke la libro estas tute dieca kaj senerara. Estas la devo de la bona tradukisto, diri nur la simplan veron, kaj lasi al la teoriistoj la diskutadon pri la perfekteco de la libro. Se originala teksto enhavas erarojn, aŭ montras maljustan aŭ malindan ideon pri Dio, ne estas honesta ago trompi la popolon per malkorekta aŭ duba traduko. Diru la

veron! Se oni povas klarigi ĝin konforme al la komuna kredo, bonege! se ne, tamen diru la veron! La vero estas pli grava, pli dezirinda por la bonfarto de la homaro, ol ĉiuj Biblioj kaj ĉiuj religioj aŭ filozofioj.

Mi zorge legis la "Antaŭparolon," en kiu la Majstro donas tre klare siajn rezonojn por la uzado de la vortoj "La Eternulo;" sed mi restas tute nekonvinkita. Mi ne dubas pri lia sincereco; ĉar tie ĉi, kiel ĉie kaj ĉiam, li ĝin tre klare montras. Sed ni pli zorge ekzamenu la aferon, kiel senpartiaj juĝistoj, kiuj ne celas venkon nek por la Kristanismo, nek por la Liberpenso, sed nur por la vero.

Komencante per "Genezo," kaj tralegante la Malnovan Testamenton, ni ne povas eviti la memevidentan konkludon, ke la verkistoj de la diversaj broŝuroj de la libro ĉiam uzis la vorton "Jehovah" kiel nomon de la hebrea Dio. Li estis laŭ ilia vidpunkto aparta persono kun aparta nomo, kiu apartenis al li ĝuste kiel al la Dioj de la aliaj popoloj apartenis iliaj propraj nomoj. Chemosh, Dagon, Jehovah, Baal kaj la aliaj estis la Dioj kiuj favoris la diversajn gentojn; kaj la Hebreoj, simile al la aliaj gentoj, ĉiam fanfaronis, ke ilia Dio estas pli potenca ol la aliaj, kiuj ofte cedas al li. Nur dum la lastaj libroj de la Malnova Testamento ni trovas tekstojn, kiuj pli-malpli klare asertas, ke tute ne ekzistas alia Dio ol Jehovah; kaj eĉ en tiuj ĉi libroj "Jehovah" estas persona nomo, kaj ne titolo. Se oni tradukus la tutan grekan literaturon, kaj ĉie uzus kelkan belan titolon anstataŭ la nomo "Zeus," kion dirus la kleraj legantoj? Se oni ĉiam tradukus "Jupiter" per "Dia Patro," uzante la esprimon ne kiel nomon sed kiel titolon, kiu ne riproĉus la tradukiston pro la trompiganta traduko?

Pri la vorto "Jehovah" mem, oni tute ne scias la ĝustan silabadon, nek la ĝustan signifon; tial, eĉ se estus permeseble traduki ĝin per titolo, la esprimo "La Eternulo" estas nur konjekto. La plej kleraj hebreaj instruituloj jam de longe diskutadas pri tio, kaj tute ne kunkonsentas. Por oportuneco, mi ĝis nun en tiu ĉi skribaĵo uzis la plej konatan silabadon, kvankam mi multe preferas "Yahweh." Tiu ĉi povas esti proksimume ĝusta, kvankam ne estas certe; sed "Jehovah" certe estas maljusta; ĉar, kiel oni scias, la antikva hebrea lingvo ne uzis la vokalajn signojn; kaj kiam oni eltrovis tiujn ĉi, la stranga superstiĉo, kaŭzita de la malkompreniĝo de la tria ordono en la dekalogo, ke estas grava peko elparoli la dian nomon, jam de longe ekzistis; kaj oni alkutimiĝis, kiel memorigas la Majstro, diri ĉiam "Adonai" (la Sinjoro) anstataŭ "Yahweh." Tial oni forgesis la ĝustan elparoladon de la dia nomo, kiun oni ofte nomis "Tetragrammaton" (greke, "kvarlitera vorto"), kaŭze de la kvar konsonantaj literoj kiuj faris la vorton. (Estus tre interese priparoli la kredojn kiuj sekvis tiun ĉi kutimon, pri la magia potenco, kiu apartenus al tiu, kiu scius elparoli la "Tetragrammaton;" sed tio ĉi estas alia temo.) Kiam do oni skribis la sanktajn librojn kun la vokalpunktoj, oni donis al "Yahweh" la vokalojn de "Adonai;" kaj kiam oni laŭte legis, oni diris "Adonai," kiam la teksto diris "Yahweh." Sed ĉu "Yahweh" efektive signifis en la komenco "Estanton," "Eternulon," "Kreanton," "Kaŭzanton," "Potenculon" aŭ ion alian, estas tute negrave; ĉar oni ĝin uzis sole kiel propran nomon de persono, kiu estis la genta Dio. Kiam oni legas la librojn de la religiaj sistemoj, kiujn ĉiu nun nomas mitologioj, oni ne demandas pri la originala signifo

de "Zeus," "Jupiter," "Odin," aŭ iu alia Dio. Oni povas kredi aŭ malkredi ke la plejpotenca Dio de la tuta mondo sin nomas (aŭ dum kelka tempo sin nomis) Yahweh; kaj ke dum kelkaj centjaroj li funkciis kiel la patrona Dio de unu sola gento el la popoloj de la mondo; sed almenaŭ estas prave komprenigi malkaŝeme la fakton, ke tion kredis la antikvaj Hebreoj; kaj tion ili klarege skribis en siaj sanktaj libroj. Kio ajn povas esti bona kaj vera en la juda, la kristana aŭ iu alia religia sistemo ne estos perdita nek difektita per tiu sciado; kaj kio estas falsa devus perei kiel eble plej baldaŭ.



KRISTANAJ PENADISTOJ, Atentu! La tutmonda kunveno de la "Unuiĝinta Societo de Kristana Penado" okazos en la mondfama somerkunvenejo, Atlantic City, ŝtato New Jersey, de la sesa ĝis la dekdua de Julio, 1911. Laŭ aranĝo de la Sekretario, S-ro William Shaw, el Boston, de la naŭa ĝis dekkvin minutoj post la deka matene, mardon la 11an de Julio, estos donate al la Esperantistoj. Pastro R. P. Anderson, unu el la tradukintoj de "La Evangelio laŭ Sankta Johano," kaj tre fervora Esperantisto, prezidos. Ni aranĝos planojn por la propagando de Kristana Penado per Esperanto, kaj eble organizos asocion. Venu, Kristanaj Penadistoj, kaj alportu kun vi bonajn propagandajn ideojn. Se oni volas ekscii plu pri la afero, sin turnu al Pastro L. E. Catlin, en Blossburg, ŝtato Pensilvanio, kiu helpas al Pastro Anderson pri la aranĝoj.



SENDU LA SIMBOLO'N al viaj geamikoj.

## KIEL BELA ESTAS LA VIVO!

### EL PSIKOLOGIO DE L' RUSA JUNULARO.*

(Daŭrigo)

III

ALDAŬ mi havis okazon transekloĝi el Napolo Romon.

La "Eterna Urbo" ensorĉis min per riĉeco de siaj historiaj monumentoj. Rigardado de antikvaj ruinoj, dissemitaj tra la tuta urbo, de muzeoj, pentraĵogalerioj, preĝejoj, vizitado al ĉiuj ĉirkaŭaĵoj, komencanta je la ruinoj de l' pentrinda "villa di Adriano" kaj finanta per la fama pro siaj kaskadoj Tivoli; fine — amaso da novaj konatiĝoj: ĉio ĉi nevole forstrekis el la spirito memorojn pri la pasinto kaj igis vivi streĉe nur por la estanto. En elspiraĵo de ĉiuj ĉi novaj impresoj, la nedaŭra konatiĝo kun Rozo estis tute forgesita.

Okaza renkonto rememorigis ĝin al mi.

Tio estis preskaŭ unu jaro post kiam mi forlasis Napolon. Fojon vespere mi vizitis nian konatan verkiston, ĉe kiu laŭkutime kolektiĝis malgranda rondo da amika junularo. La interparolo estis kunmetata el iaj abstraktaj temoj, eble pri "la beleco en la arto." Kiel ĉiam, ĝi estis sufiĉe pasia kaj verva.

Dum furiozapogeo de disputoj, jen en la koridoro timeme eksonoris la sonorilo.

"Kiu ĝi povas esti?" miris la dommastro, rigardinte la horloĝon. "Jam komencas la dekdua; el konatoj dube ke iu vizitus nin en tia malfrua tempo."

* Laŭ efektivo verkis Simeon Poltavski el Saratov, Rusujo.

La servistino iris malfermi la pordon, kaj post unu minuto sur la sojlon, tenante en la manoj malgrandan frotdifektitan valizeton, aperis Rozo.

"Jen estas mi. Ĉu oni povas?" diris ŝi kun tiu libera ŝercemo, kiu ĉiam estas propra al la personoj, ĵus alvenintaj post vojaĝo en bone konatan ejon.

Mi nekomprenmiene rigardis la mastron.

"Ho, ni nin konas jam de longa tempo!" respondis li al la mia rigardo. "En Napolo ni nin renkontadis tre ofte. Do, vojaĝantino, kia bona vento venigas vin tien?"

"Ĵus el Napolo," rediris Rozo, frotetante la iom bluiĝintajn de l' vespera malvarmeto manojn. "Mi min direktas Parizon."

"Parizon?!"

La vizaĝo de la verkisto subite nebuliĝis.

"Ĉu vi havas la monon?"

"Certe," timeme respondis Rozo.

Ŝia ŝercemo malaperis kaj ŝi refariĝis same tromodesta, konfuziĝema kaj senforta, kia mi ŝin vidis en Napolo.

"Certe. ... Mi aĉetis la bileton ĝis Parizo mem."

"Sed krom la bileto -- ĉu vi havas ion por la vojaĝo?"

"Jes ja," rapidis Rozo. "Mi havas, mi havas -- tre multe."

"Kiom?" ne volis trankviligi sin la dommastro.

Rozo konfuziĝe eltiris malgrandan senkoloran monujon kaj komencis kalkuli la enhavatajn tie kuprajn kaj nikelajn monerojn.

"Dudek -- kvardek -- naŭdek -- preskaŭ unu franko kaj duono," ŝi proklamis fine.

"Unu franko kaj duono?! por la kvartaga vojaĝado? Sed vi mortos de malsato, frenezulino!" ekscitiĝis la

verkisto. "Jen al vi dek frankojn. Kio? Ho, ĝi estas bagatelo! Nu, se vi ne volas dek frankojn, jen al vi kvin. Poste vi ilin redonos al mi. Unu franko kaj duono! -- sed tio estas vera frenezaĵo! Komprenu vi, ke, krom la demando pri nutraĵo, vi ja bezonos ie halti post alveno Parizon."

"Sed mi havas adreson de unu Rusa fraŭlino," rediris Rozo, ridetante per sia infana favoremiga maniero.

"Nu, vi bezonos fiakron, gvidiston, eble alion. ... Kaj -- pardonu, ĉu vi konas bone la lingvon francan?"

"Oni diras, ke ĝin ellerni estas tre facile," konfuziĝis Rozo.

"Pro kio do vi veturas Parizon?"

"Pro laborenspezoj."

Rozo ree ekridetis.

"Al mi rakontis konatino, ke tie oni povas tre facile akiri la ĉapelarton kaj gajni bonajn monsumojn. Mi do jam de longe pensas fariĝi sendependa. Rebeka -- ŝi estas tre bona, tamen por mi estis tre malagrable vivi ĉe ŝi. Al mi ĉiam ŝajnis, ke mi ŝin ŝarĝas. Vere, mi neniam restadis sen laboro. La tuta hejma mastraĵo kuŝis sur miaj ŝultroj. Rebeka zorgis nur pri siaj lecionoj. Sed mia situacio min ĉiam malkontentigis. Jen -- nun mi trovis iom da mono kaj mi volas elprovi la feliĉon."

Kaj poste, ŝanĝinte la tonon, ŝi demandis:

"Pardonu, ĉu mi povas eliri por unu minuto en alian ĉambron? Mi volas iom ordigi min. Dumvoje mi malordiĝis."

Ne atendante respondon, ŝi foriris el la ĉambro.

"Kia kortuŝanta tipo!" La verkisto malgaje eksvingis la manojn. "La fraŭlino preskaŭ mortas de

malsata kaj ftizo -- kaj ŝi ankoraŭ ion esperas. Revas la ĉapelarton. ... Ĉu vi rimarkis, kiel nenormala estas brilado de ŝiaj okuloj? Estos bone, se ŝi vivos ankoraŭ unu jaron. Sed eble ŝi degelos pli frue.

---

IV

Kiam Rozo, sin lavinte kaj iomete freŝiĝinte, reeliris al ni en la gastoĉambron, la interparolado estis jam turniĝinta al la antaŭa temo: la beleco en la arto.

"Kion vi diras?" Ekscitite svingis la manon juna blonda studento, nur antaŭ kelkaj monatoj trafinta Romon el la larĝaj bordoj de la multakva Dnjeper. "Ĉu la impresebla plato de la fotografilo povas iam ajn ricevi sur sin impresojn de la vera beleco? La vera beleco nepre estas viva. Kaj por montri tiun vivecon, oni bezonas ion alian, pli grandan, ol simplan senaniman platon: oni bezonas vivantan homintelekton...."

"Atendu iom," bonhumore kontraŭdiris la dommastro. "Ĉu via okulo povas ricevi tiun ĉi impreson de la 'vera' beleco?"

"Ni supozu...."

"Kaj ĉu via okulo ne estas fotografila plato?"

"Jes, sendube ... sed vi forgesas...."

La disputo disflamiĝadis pli kaj pli. Rozo laŭkutime silentema, ĝibiĝinta kaj virmaniere metinta la manojn post la dorson, malrapide paŝadis en la ĉambro, aŭkultante atente la disputantojn.

Fine, longedaŭraj kaj, kiel ordinare, senfruktaj disputoj komencis videble lacigi la ĉeestantojn. Por transigi la parolojn al aliaj temoj, la dommastro sin turnis al Rozo kaj ŝerce demandis:

"Nu, kion vi pensas pri ĉi niaj parolverŝadoj?"

Ŝi ĉesis paŝadi kaj pense kuntiris la brovojn.

"Verdiri ..."

Sammomente eniris ŝian kapon, ŝajne, ia nova granda penso, kaj ŝi, ekridetinte, konkludis neatendite:

"Kiel bela estas la vivo!"

"Do?!"

"Jen vi vidas, kiel riĉa je diskutaferoj estas la vivo -- ĉiuj ili tiel interesaj! Kaj ĉiujn ilin oni devas solvi. Dank' al tiuj aferoj la vivo mem fariĝas interesa. Fariĝas sentata en ĝi ... nu, kiamaniere esprimi ĝin? ... ia beleco. Ĉu vi min komprenas? Oni vivas, kvazaŭ oni solvas ian interesan aritmetikan problemon. Kaj finon tiu problemo tute ne havas. Ju pli longe oni ĝin prilaboras, des pli ĝi antaŭenlogas: ĉiam novaj kaj novaj demandoj ekaperadas." ...

"Ŝajnas al mi, ke je malsata stomako tiu ĉi matematiko ne bone taŭgas," ridparolis la mastro.

"Kian rolon havas ĉi tie la stomako?" viviĝis Rozo? "Mi ne komprenas. Jen antaŭ kelkaj tagoj iu kruela homo en Napolo diris al mi la samon. 'Kial vi,' li diris, 'ĉiam tiel entuziasme parolas pri la vivo? Vi mortos de malsato en kelkaj monatoj, aŭ la ftizo vin sufokos. Do por vi tute ne taŭgas kolorigi la vivon per tro helaj koloroj.' ... Kaj mi respondis al li: 'Kaj vi, karulo, mortos de maljuneco. Ĉu ne sama afero? Sed la vivo, kiel ajn estanta, restas ĉiam bela.' "

Ŝi malforte altigis la ŝultrojn kaj ĉirkaŭis la ĉeestantojn per demandema rigardo.

"Ĉu mi ne parolis vere? Laŭ mi la esenco de la aferoj tute ne konsistas en la demando: ĉu mi mortos de malsato aŭ de alia kaŭzo. La vera vivo, laŭ mi, disvol-

viĝadas en la kapo, ne en la stomako. Malsato, diversaj malsanoj -- ĉio ĉi estas kontraŭvola. Sed la pensoj estas liberaj, tute liberaj, kiel birdoj, por flugi kien ili volas. Kaj la loko traflugebla de ili en la vivo estas tiom vasta, ke oni neniam venkos ĝian senfinecon. Jen en kio konsistas la ĉefa intereso.''

Neniu kontraŭparolis. Ĉiuj sin sentis jam lacaj kaj neniu volis daŭrigi la disputadon.

Rozo kuncentriĝe ekpaŝis trans la ĉambron kaj ree haltis.

''Jen vi diras: la stomako! Sed ĝi ja same laborigas la penson, ... eble eĉ pli forte laborigas, ol io alia. Ĉu ne vere? Prenu ekzemple Socialismon. Kiom da vigleco tiu teorio enhavas en si! Kiom da fieraj kredantoj ĝi dissemis sur la tero! ... Jen ĝi elkreskis sole nur el la malsata stomako. Kiel bonege taŭgis! Kaj kia bela matematiko!''

Rozo iom pripensis kaj volis daŭrigi. Sed ŝia rigardo rimarkis lacan enuan esprimon sur vizaĝoj de la ĉeestantoj, kaj ŝi, konfuziĝinte, silentis.

* * * * * * * * *

La morgaŭon ŝi forveturis Parizon.

(Daŭrigota)



SINJORO Sulzer, de la Usona Kongreso, lasttempe faris proponon deklari la internacian traktaton de 1833 inter Rusujo kaj Usono forigita, okaze de la fakto, ke la registaro de tiu lando rifuzas akcepti la pasportojn de Usonaj Hebreoj. Ĉiu organizaĵo de la hebroj en Usono subtenis la proponon kun peto; kopiojn de kiu lasta oni jam dissendis tra tuta nia lando.

## PRI PILSEN.

### INTERESA LETERO DE D-RO VOLKMANN.*



ROM la ĉefurbo Praha (Prague) kaj la banurboj Karlsbad, Marienbad kaj Francesbad, estas certe la bierurbo Pilsen (boheme, Plzen; "n" kiel franca "gn") la plej konata urbo de Bohemujo. Ĝi estas, kiel la cititaj banurboj, en okcidenta Bohemujo. Ĝi havas 80,000 loĝantojn (kun antaŭlokoj, pli ol 100,000), inter tio 10,000 germanojn kaj judojn, -- la ceteraj estas bohemoj. Multe da fumo pendas senĉese super la "nigra" urbo, ĉar en ĝi estas pli ol 80 grandaj industriaj entreprenoj, el kiuj la tri bierfarejoj, precipe la Burĝa, kaj la fabrikego de Ŝkoda estas mondkonataj.

Pilsen estas la dua plej granda urbo en nia antikva regno Bohemujo. En la urbo kunfluas la rivero Mze (mĵe) kun la rivero Radbuza, akceptinte antaŭ ĝi la riverojn Uhlava kaj Uslava. En la ĉirkaŭaĵo de la urbo oni ankoraŭ nun iom portas specialajn pentrindajn naciajn kostumojn (ĉe viroj longaj surtutoj kun multaj butonoj; ĉe virinoj, tre larĝa jupo), kaj okcidente jam komencas la "germana teritorio" de nia patrujo.

Pilsen aŭ Plzen konsistas el "Interna urbo," ĉirkaŭita triparte de antaŭurboj, norde de Saksa, okcidente de Imperia, kaj oriente de Praha'a. La interna urbo, eĉ la apuda norda parto de Imperia antaŭurbo, kie estas stacidometo (la ĉefa stacidomo kun granda kupolo estis

*Tiuj ĉi leteroj estas skribitaj al Seatla Samideanino, kiu, laŭ permeso de la klera Doktoro, transsendas ilin al ni por enpresiĝo en LA SIMBOLO.

en Praha'a antaŭurbo) havas belajn modernajn domojn, plejmulte du-, eĉ trietaĝajn; sed en aliaj partoj de l' urbo estas en multaj stratoj nur neriĉaj kaj negrandaj dometoj, loĝataj de malriĉularo, precipe laboristaro; ie eĉ sendomaj lokoj. La laboristaro apartenas al partioj socialdemokrata kaj nacie socialista. Post kvin minutoj da iro oni jam povas ie veni el centro de urbo en kampojn, kaj post kelke da pluaj minutoj en arbarojn.

La Burĝa bierfarejo estas proksime de la ĉefa stacidomo, en norda parto de Praha'a antaŭurbo. Ĝi estis fondita en 1842 de tiamaj posedantoj de Pilsenaj domoj. Tiam konsistis la urbo preskaŭ nur el ĉefplacego kun apudaj stratetoj de nuna Interna urbo, kie ĝis nun staras la "bierrajtigitaj domoj," inter kies nunajn posedantojn oni dividas la grandegan profiton de la bierfarejo. La domoj estas ĉirkaŭ 250, la profito por ĉiu domo atingas jam preskaŭ la ciferon 15,000 koronojn ĉiujare (unu korono egalas unu frankon kaj havas cent helerojn). La "bierrajto" estas nedisigeble kunigita kun la domo aŭ pli ĝuste kun la tero, kie la domo staras. Eĉ unu malkonstruita dometo, el kiu nur mureto kun pordo ("bierrajgtigita pordo") restas, ricevas sian jarprofiton. La bierfarejo produktas jare 900,000 hl., glaso da biero (duonlitro) kostas en Pilsen 17 helerojn. Kompreneble, multaj domoj havas multajn posedantojn, inter kiuj la profito dividiĝas. La nomo de biero el tiu ĉi bierfarejo estas Prafonto (Prazdroj, Urquell); je sia bonegeco ĝi dankas al bonega akvo kaj bonegaj aparatoj kaj materialoj. La du ceteraj bierfarejoj atingas ambaŭ entute nur eble duonon da grandeco de la Burĝa, kiu estas simila al tuta urbeto. La Akcia faras "akcian" bieron; la Societa "originalan pilsen'an bieron" aŭ "Kaiser-

quell'' (imperiestra fonto). Ili ambaŭ estas preskaŭ tute en germanaj manoj; la Burĝa estas duone bohema. Ili staras proksime de la Burĝa, pli nordoriente. Simile grandega entrepreno estas en Imperiestra antaŭurbo, apud la jam citita stacidometo, sekve en okcidenta parto de l' urbo, la fabrikego de Ŝkoda. Ĝi havas 4,000 laboristojn kiuj faras pontojn, kanonojn, ĉiuspecajn feraĵojn, ktp. La eksposedanto estis Ŝkoda, nun ĝi estas akcia entrepreno.

Ĉio cetera en Pilsen havas jam ne internacian, sed pli nacian aŭ nur lokan signifon. Interesa estas la bela kaj regula ĉefplacego en Interna urbo. Tie staras renesanca urbodomo, la ĉefdekanejo, kaj ne tute en la mezo de la placego la tre granda preĝejo de Sankta Bartolomeo kun alta turo. Sur la ĉefplacego estadas la kvaronjaraj fojroj, nun ne jam tiel vizitataj, kiel antaŭe. Tie ankaŭ estis ekspoziciita en 1695 la kondukinto de Ĥodoj, Kozina-Sladky, sur malhonora kolono. Ĥodoj volis tiam elbatali por si la liberecon, garantitan al ili per reĝaj privilegioj, sed la nobelaro ekdevigis ilin servuti (senpage labori sur nobelaj kampoj), ordoninte ilian kondukinton sur malhonoran kolonon dum tri tagoj ekspoziciiĝi kaj post tio esti pendigata.

El rimarkindaĵoj de la proksimaj, ankaŭ belaj stratoj, mi citas nur la alian, grandan preĝejon pilsen'an, apartenantan kun apuda monaĥejo al Franciskanoj, kun artaj pentraĵoj en la koridoroj; la preĝejeton de Sankta Ano; la "justecpalacon" (juĝejon); kaj la biervendejon (restoracion) de Salzmann per bonega Prafonto faman.

La ĉefplacon kun stratetoj ĉirkaŭas kiel ringo la bela Parkstrato, havanta kelkajn nomojn (Smetanaparko, Ŝafarikparko, Stefanparko, ktp.) kaj anstataŭanta

la antaŭajn fortikajn muregojn, kiuj iam ĉirkaŭis Pilsen'on, restintan eĉ en grandaj religiaj malpacoj (antaŭ 500 jaroj) fidele katolika, nevenkeblan eĉ por la fama kondukinto de husanoj Zizka.

En parkstrato mi citas sude la modernan urban teatron, norde la muzeon kun granda germana hotelo "Pilsner Hof" (proksime estas ankaŭ la centrejo de Germanoj "Deŭtsches Haŭs" kun germana teatro), oriente la duone germanan modernan hotelon Waldek kaj la belan kaj modernan "beseda" (centrejo de bohema burĝa societo, kiu tie havas koncertojn, balojn, ktp.). Antaŭ tiuj lastaj du konstruaĵoj staras en mezo de la parko monumentoj de patrioto Smetana (fizikisto, premonstrata pastro) kaj de merita urbestro Kopecky, plue la Urban ŝparkason; kaj okcidente la sinagogon (Pilsen kiel komerca kaj industria urbo havas sufiĉe da judoj) kaj kontraŭ ĝi la belan novan domon de Komerca Ĉambro (grava komercoficejo).

Se oni iras el ĉefplacego al la ĉefstacidomo, oni vidas en mezo de la vojo maldekstre la grandan parkon Obcizna (oficiala nomo estas "Parko de Pechaĉek," laŭ merita urbestro), bedaŭrinde plenan da fumo, ĉar nur rivereto Radbuza dividas ĝin de Burĝa bierfarejo. Tie meritas rimarkon la konstruaĵoj Strelnice (Pafejo), apartenanta al "akrapafistoj," malnova burĝa gardistaro, konsistanta el homoj, kiuj dimanĉe, eĉ alifoje, portas militsimilajn kostumojn kaj aranĝas por sia amuzo marŝojn, festojn, ktp.; kaj Sokolovna (Sokolejo), apartenanta al bravaj Sokoloj, kiuj estas grava nacia institucio, fondita de patriotoj Tyrŝ kaj Fuigner, havanta demokratiajn kutimojn (oni sin alparolas per "frato," kvankam la anoj apartenas al ĉiuj popolklasoj) kaj konata ankaŭ longe ekster

de limoj de nia patrujo. Sokoloj portas specialan vestaron de hela kafa koloro, ruĝan ĉemizon, kaj sur kapo platan ĉapelon kun falka plumo ("sokol" signifas "falko"). Ilia celo estas plifortikigi per gimnastiko korpon. Ekzistas eĉ sokolinoj kaj rajdaj sokoloj. En norda parto de Obcizna kunfluas Mze kun Radbuza.

Pilsen havas tri tombejojn. Sur unu, tiu en Praha'a antaŭurbo, ripozas la patrioto J. K. Tyl, bonega aktoro kaj "bohema Shakespeare," kiu baldaŭ havos antaŭ la teatro menumenton, kiel havas proksime de tie lia amiko Smetana.

El ceteraj rimarkindaĵoj estu citataj nur la de pilsen'aj tre vizitata parko Lochotin (kvaronhoron norde de la urbo; oni tien iras trans la plej longa pilsen'a ponto, kies nomo estas "saksa"), kaj la arbaro apud Bory en kontraŭa (suda) direkto, de kie oni vidas malproksime eĉ la landliman belan montaron Ŝumava.

La urbo Pilsen havas kelkajn mezajn kaj fakajn lernejojn, bohemajn kaj germanajn (gimnazioj, realaj lernejoj, industriaj lernejoj), multajn lernejojn unuagradajn, naĝejojn, malsanulejojn, soldatejojn, ktp. ktp. Tra la urbo veturas en kelkaj direktoj tramvojo. Mi povus ankoraŭ multe skribi, sed mi jam finas la artikolon, kiu volas esti nur malgranda skizo de mondkonata bierurbo.



LA DUA Kongreso Internacia ke Katolikaj Esperantistoj okazos en Hago de la 14a ĝis la 19a de Aŭgusto 1911. La Kongreskomitato petas la gazetojn fari tiun anoncon. Ilia devizo estas: "Ĉiam antaŭen!" En tiu kongreso, kiu estos tute internacia, oni pritraktos interesojn katolikajn. La adreso estas: Da Costastraat 24.

# EKLEZIO DE L' MORGAUO.

## DAURIGA EKSPOZICIO DE NIAJ IDEOJ.


NI KREDAS, ke la homo portas el la senfina estinto memoraĵojn, kaj devas sekvi, ke, funde, ĉiu homo posedas ĉiujn eblajn homajn kapablojn, — por montri iun ajn nur necesas, ke la cerbo plene kresku kaj ke la bezonataj cirkonstancoj okazu. Alivorte, se la homo estas norma, li montros tiujn kapablojn kiujn la stato de lia tempo postulas. Do la vera bazo de la instruarto estas la sugestio, kiu simple vekas la dormantan memorpovon. De kio sekvas, ke la devo de la homoj estas fari tiujn kondiĉojn, kiuj pleje promesos la plenan disvolviĝon de la homa cerbo kaj la homaj fortoj.

Kompreneble, tiu ideo ampleksas la staton de la tuta familio. Ĝi postulas, ke la gepatroj estu sanaj kaj prudentaj; ke ekzistu inter ili reciproke forta amo; ke ili sekvu la konatajn leĝojn pri la seksa interrilato; ke la patrino konu bone la efikon sur la embrio de siaj pensoj kaj emocioj; kaj ke la unuaj, la plej impreseblaj jaroj de la infano estu plenaj de zorge elektitaj sugestioj kaj saĝaj ekzemploj.

Multaj, terurige multaj gepatroj ĝisnunaj tute ne povas plenumi tiujn postulojn; pro kio, estas konsilinde, ke la ŝtato aŭ la komunumo zorgu pri la infanoj de ilia naskiĝo kaj ilin eduku. Ordinare, la gepatroj aŭ tro amas la infanojn, kaj tiel allasas, ke ili kresku kiel dependuloj; aŭ ili malzorgas ilin kun rezulto, ke ili fariĝas kvazaŭ sovaĝuloj. Al tio, se la ŝtato aŭ la komunumo unue edukus zorgontojn, kredeble la problemo fariĝus pli simpla.

Ĉar la edukado de infanoj postulas tiel multe da forto, pacienco, sagaceco kaj zorgo, se la ŝtato aŭ la komunumo tiun farus, tio permesus, ke la gepatroj, speciale la patrino, havu pli multe da tempo por si mem, por sia propra disvolviĝo. Do la Eklezio de l' Morgaŭo proponas konstrui apartan domon por la infanoj kaj elekti el siaj membroj kelkaj, kies devo estos zorgi pri kaj eduki la infanojn en propra hejmo kaj laŭ sciencaj metodoj. Tio ne signifas, kiel eble pensos iu, ke la gepatroj fordonos al la ŝtato aŭ la komunumo siajn infanojn; ne, ĝi nur signifas, ke, la komunumo ekzemple, prenos sur sin la ĉiutagajn devojn, por plenumi kiujn postulas nun de la gepatroj tiel multe da iliaj tempo kaj forto. ...

Alia afero: multe da tempo de la familio nun estas pasigata en la kuirejo, por prepari kaj kuiri la manĝaĵojn kaj pretigi ĉi tiujn por la tablo. La mastrino aŭ la servantoj devas tiel pasigi grandan parton de la vivo. Por eviti tion, la Eklezio de l' Morgaŭo proponas konstrui komunan manĝoĉambron kaj kuirejon. Sed, pro tio, ke ĉiu havas propran guston rilate manĝaĵojn, manĝohorojn kaj aranĝon de la manĝejo, ni proponas havi en la komuna konstruaĵo apartajn ĉambretojn, kiujn povas lui tiuj, kiuj tiel volas private manĝi. Kaj por allasi liberon en la elekto kaj preparo de la manĝoj, ni provizos karton kun listo de tiame haveblaj manĝaĵoj, per kiu karto oni povos informi la kuiriston pri siaj preferoj. ...

Se la homo ne plu devas zorgi pri infanoj kaj pri la preparo de manĝoj, li ne bezonos tiel grandan domon kiel nun. Nur du-tri ĉambroj sufiĉos. Tiujn li povus pli bone konstrui kaj pli bele ornami, ol nun. Posedi grandan kaj multekostan domon estus neprudente, maloportune, kaj maltrafus la celon, kiu estas ŝpari tempon

kaj laboron; ĉar, memevidente, ne estos servantoj en nia komunumo: ĉiu devos zorgi, li mem, la proprajn hejmajn aferojn. Fakte, la hejmo estos loko sanktigita al la posedantoj. Tien ili iros por esti solaj, kaj neniu alia tie sin trudos sen speciala invito. Kontraŭe, la komuna konstruaĵo, kiu krom manĝoĉambroj kaj kuirejo, ankaŭ enhavos bibliotekon, ludĉambrojn, gimnazion, skribĉambron, salonon por balo kaj malgrandan teatron, estos la loko, kien oni iros renkonti konatojn kaj pasigi tempon kun amikoj. ...

Por plej efike efektivigi ĉi tiun planon de komunejo, la privataj domoj devos esti grupigitaj kiel eble plej proksimaj de la komuna konstruaĵo. Tial, oni dividos la teron tiamaniere, ke la hejmfarantoj havos tie nur malgrandan parcelon, nur sufiĉe vastan por dometo kaj florĝardeno. Kompreneble, pro tio, ke la bieno apartenos al tuta komunumo, oni luos sian parcelon kaj vere posedos nur la rajton ĝin uzi kaj siajn laborrezultatojn. Se oni volus forlasi la komunumon, tiu ĉi aĉetos liajn nemoveblajn havaĵojn, laŭ jena metodo: la forlasonto elektos taksonton, la komunumo elektos alian, kaj ĉi tiuj du elektos trian. La decido de du el la taksintoj faros la vendprezon.

Pli malproksime estos la fruktĝardenoj, kampoj, kortbirdejoj, paŝtejoj, kaj ejoj por la diversaj formoj de komunuma laboro. Ankaŭ tie oni nur per luo ricevos rajton uzi la teron kaj la konstruaĵojn. La komunumo konstruos kaj posedos ĉiujn konstruaĵojn escepte nur la privatajn domojn. Tamen, por ke ĉiu persono havu la oportunecon kreski nature kaj disvolviĝi libere, ĉiu entrepreno devas esti aŭ sub direkto de tiu, kiu volas ĝin starigi, aŭ sub direkto de libera kunlabora asocio. Pri

la komuna manĝejo kaj kuirejo kaj la vendejo: ĉar la ĉeesto kaj bezonoj de la anaro estos ĉefa fonto de la profito, tiuj entreprenoj donos rabaton al la komunumanoj periode laŭ ĉies elspezoj kun ili dum tiu tempo.

Plue, ĉar estas per la Eklezio kaj la idealoj pro kiuj ĝi staros kaj kiujn ĝi konservos, ke la komunumo ekzistas, estos la devo de ĉiu pagi en la eklezian kason po dekono da ties monataj enspezoj. Returne, la Eklezio siaparte zorgos pri la infanoj kaj edukos ilin; flegos malsanulojn, zorgos pri maljunuloj, enterigos la mortintojn, kaj plenumos aliajn devojn kaj servojn, kiujn eklezioj kutime faras. La komunajn enpezojn pro luado oni elspezos por konstruaĵoj, stratoj, la pagado de komunumaj ŝuldoj kaj impostoj, ktp.



USONA Asocio Esperanta lasttempe elektis jenajn komitatojn: Por Propagando, D-ro M. M. Henry, Dayton, Ohio; Juĝisto J. D. Flenner, Boise, Idaho; S-roj Bert P. Mill, Idaho Springs, Idaho, kaj Reginald Kerkhoven, Spokane, Wash. Por ellabori ekzamenan demandaron, D-ro Warren Sherwood, Lancaster, Pa.; S-inoj Martha B. Cary, Middletown, Conn., Ida Selma Kurtz kaj Sarah Josephine Moore, Washington, D. C. Por ellabori planon pri eldonota oficiala informilo (Revuo), D-ro Abraham Rudy, Raleigh, N. C. J. Wilford Davis fariĝas Sekretario por la Distrikto de Columbia. La estraro petas al tiuj, kiuj ne ankoraŭ pagis la jarkotizaĵon, unu spesmilon, ke ili tion faru, ĉar mankas al ĝi mono por propaganda laboro. Sendube tiuj lertaj Esperantistoj baldaŭ faros tre kontentigajn raportojn kaj tiel bone prosperigos la novan asocion.

## RECENZOJ. — DE W. R. D.

UNUAJ AGORDOJ: Poezioj de Wiktor Elski kaj Eska. Presitaj de Stanislaw Miszewski, Lodz, Polujo. Prezo, 20 sd.; 94 paĝojn. Tre belaj bonstilaj poemoj originalaj, pri nia afero esperanta, pri la amo, la arbaroj, kaj la diversaj vivadaĵoj, kiuj provizas temetojn por tre dolĉaj melodioj. La esperantistaro rimarkos tre diversajn ritmajn verskonstruojn, kiuj bone montras la taŭgecon de nia lingvo por la poezio.

MISTERA KRIMO. Amuza komedieto, aranĝita de Mikaelo Cases, redaktoro de "Tutmonda Espero." Prezo, 40 sd.; 37 paĝojn. Aĉetebla ĉe la aranĝinto, ŝtrato Salmeron 229 4 o, 2 o, Barcelona, Hispanujo. Ĝi estas ja tre amuza kaj genie verkita, sed ĝiaj gramatikaj formoj ne ĉiufoje similas al tiuj de la Fundamento.

SALOME: Unuakta dramo de Oscar Wilde, lerte tradukita de H. J. Bulthuis, Amsterdamo, Nederlando; 39 p. Tiu konata emociaĵo koncernas la tempon de Sta. Johano la Baptisto, kies kapon la sangsoifa princino Salome venĝe ricevas, pro lia rifuzo submetiĝi al ŝiaj ĉarmoj kaj petegoj.

FORMORTINTA DELSUNO: Flandre verkita de Rene Vermandere; tradukita de Oscar van Schoor. Presita ĉe Vondelstrato 20, Antverpeno, Belgujo; 118 p. La interesegaj spertoj kaj pensoj, seriozaj kaj humorplenaj, de mortinta bakisto, de la mortlita tempo ĝis la enterigo, liaj nevidataj vizitoj en tiuj malmultaj tagoj, al la najbaroj, kaj la diversaj okazintaĵoj funebraj pri li. Tre meritinda kaj imitinda estas ĉapitro da notoj por alinaciuloj, farite tiel plena, ke eĉ orientanoj povas kompreni la aludojn al flandraj kutimoj kaj komunaj diroj.

## The Peace Pipe

Angla gazeto — de Charles Eugene Banks — P.-I. Building, Seattle, U. S. A. Sendu du respondkuponojn (aŭ dek cendojn) kaj ricevu returne specimenan ekzempleron kune kun dek "Little Hierograph" poŝtkartoj. Tiam vi povos envicigi vin en tutmondan movadon por konservi la vivon de la birdoj, bestoj, fiŝoj, arboj, floroj. Oni konsentos liberalan rabaton al agentoj.

INTERNACIA GAZETO

# LA SIMBOLO



ESPERANTO



Jaro IIIa | JUNIO, 1911 | Num. 4a

SYMBOL PUBLISHING CO.
P.O. Box 1020, Tacoma, Washington, U.S.A.

ELIRAS MONATE

# LA SIMBOLO

Abonprezo: enlande, Sm. 2,00; eksterlande, Sm. 2,50
Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista, London

Entered as second-class matter April 7, 1909, at the postoffice at Tacoma, Washington under the Act of Congress of March 3, 1879.

## ENHAVO



Sin turnu al

**Symbol Publishing Co.,**

**Post Office Box 1020, Tacoma, Wash.**



Jaro IIIa JUNIO, 1911 Num. 4a

Ĉu ni ne similas al tia sama materialo el kiu la songoj naskiĝas ?

---

## TRI SONĜOJ EN DEZERTO.

VERKIS ANGLE OLIVE SCHREINER.*

DUM mi transiris la Afrikan ebenaĵon la suno brilis varmege. Pro tio, mi haltigis mian ĉevalon sub mimoza arbo, kaj deprenis la selon. Tiam mi lasis la beston sin nutri inter la sunsekigitaj arbetoj. Kaj dekstren-maldekstren la bruna tero etendis sin. Kaj mi sidiĝis sub la branĉoj de la arbo, ĉar la varmego sovaĝe batis sur min, kaj laŭ la horizonto la aero kvazaŭ pulsobatis. Kaj post iom da tempo peza dormo venis sur min kaj mi kuŝiĝis kun la

*Esperantigis J. W. Wood (Takomo), aranĝinto de tiu bonega poŝkomentario pri Esperanto por la Angloj, "La Esperanta Kunulo."

kapo sur la selo, kaj tie ekdormis. Kaj en mia dormo mi sonĝis strangan sonĝon.

---

Mi pensis, ke mi staras sur bordo de vasta dezerto kaj ĉirkaŭ mi sableroj estas ĉien ventblovataj. Kaj mi pensis, ke mi vidas du grandajn figurojn kiuj similaŭ ŝarĝobestojn de la dezerto, kaj unu el ili kuŝas sur la sablo kun kolo etendita, kaj apud ĝi la alia staras. Kaj scivole mi rigardas tiun, kiu kuŝas sur la tero, ĉar sur la dorso ĝi havas grandan portaĵon, kaj ĉirkaŭ ĝi la sablo amasiĝis verŝajne dum centjaroj.

Kaj tre scivole mi rigardis ĝin. Kaj apud mi staris iu, kiu ankaŭ observadis. Kaj mi diris al li: "Kio estas tiu grandega estaĵo kiu kuŝas tie sur la sablo?"

Kaj li diris: "Tio estas la Virino ... ŝi, kiu portas virojn interne de sia korpo."

Kaj mi diris: "Kial ŝi kuŝas tie senmova, kun la sablo ĉirkaŭamasigita?"

Kaj li respondis: "Aŭskultu, ... mi diros al vi! Centjarojn ŝi kuŝas tie, kaj super ŝi la vento blovas. La plej, plej maljuna viro neniam vidis ŝin moviĝi; la plej, plej antikva libro konstatas ke ŝi ĉiam kuŝis tie, same kiel nun, kun sabla ĉirkaŭaĵo. Sed, aŭskultu! Pli antikva ol la plej malnova libro, pli antikva ol la plej malnova enskribita memoraĵo de la homaro, sur la Rokoj de Lingvo, sur la sunbakita argilo de Antikvaj Kutimoj kiuj nun fariĝas kadukaj, troviĝas ŝiaj pied-signoj! Flanko ĉe flanko kun tiuj de li kiu staras apud ŝi oni povas sekvi ilin, kaj per tio oni scias ke antaŭe ŝi, kiu nun kuŝas tie, vagis libere sur la rokoj kun li."

Kaj mi diris: "Kial ŝi nun kuŝas tie?"

Kaj li diris: "Mi opinias ke antaŭ multaj, multaj jaroj la Epoko-de-supereco-de-muskola-forto trovis ŝin, kaj kiam ŝi kliniĝis por doni suĉi al sia ido, tiu vidis ke ŝia dorso estas larĝa kaj metis sian ŝarĝon de sklaveco sur ĝin, kaj ligis la ŝarĝon tie per la forta ligilo de Neevitebla Neceso. Tiam ŝi rigardis la teron kaj la ĉielon, kaj sciis ke estas nenia espero por ŝi; kaj ŝi kuŝiĝis sur la sablo kun la ŝarĝo, kiun ŝi ne povis disligi. De tiam ŝi kuŝas tie. Kaj la centjaroj venis kaj la centjaroj foriris, sed la ligilo de Neevitebla Neceso neniam estas distranĉita."

Kaj mi rigardis kaj vidis en ŝiaj okuloj la terurigan paciencon de la centjaroj; la tero estis malsekigita de ŝiaj larmoj, kaj ŝia elspiro forblovis la sablerojn.

Kaj mi diris: "Ĉu ŝi neniam penis sin movi?"

Kaj li diris: "Kelkfoje membro tremetis. Sed ŝi estas saĝa; ŝi scias, ke ŝi ne povas leviĝi kun sia ŝarĝo."

Kaj mi diris. "Kial do li, kiu staras apud ŝi, ne forlasas ŝin kaj foriras?"

Kaj li diris: "Li ne povas. Rigardu!"

Kaj mi vidis larĝan ligilon, kiu etendiĝis laŭ la tero de unu al alia, kaj kunligis ilin.

Li diris: "Dum ŝi tie kuŝas li devas stari kaj rigardi trans la dezerto."

Kaj mi diris: "Ĉu li scias, kial li ne povas moviĝi?"

Kaj li diris: "Ne."

Kaj mi aŭdis sonon de io kraketanta, kaj mi rigardis kaj vidis ke la ligilo, kiu ligis la ŝarĝon al ŝia dorso, estis disrompita; kaj la ŝarĝo falis sur la teron.

Kaj mi diris: "Kio tio ĉi estas?"

Kaj li diris: "La Epoko-de-muskola-forto mortiĝis. La Epoko-de-nerva-forto mortigis lin per la tranĉilo

kiun li tenas en la mano; kaj silente kaj nevideble li alrampis al la virino, kaj per tiu tranĉilo de Meĥanika-Elpenso distranĉis la ligilon kiu ligis la ŝarĝon al ŝia dorso. La Neevitebla Neceso estas rompita. Ŝi nun povus leviĝi."

Kaj mi vidis, ke ŝi ankoraŭ kuŝas senmove sur la sablo, kun malfermitaj okuloj kaj kolo etendita. Kaj ŝajne ŝi serĉas ion je la malproksima bordo de la dezerto, kio neniam venas. Kaj mi dubis, ĉu ŝi vekiĝas aŭ dormas. Kaj dum mi rigardis ŝin, ŝia korpo ektremas kaj en ŝiaj okuloj venas lumo, kvazaŭ sunradio ekbrilas en malluman ĉambron.

Kaj mi diris: "Kio ĝi estas?"

Li paroletis: "Silentu! Al ŝi venis la penso: 'Ĉu mi povus leviĝi?' "

Kaj mi rigardis. Kaj el la sablo ŝi levis !a kapon, kaj mi rimarkis la sulketon kie la kolo kuŝis dum tiom da tempo. Kaj ŝi rigardis lin kiu staris apud ŝi; sed li rigardis trans la dezerto.

Kaj mi vidis ŝian korpon tremeti; kaj al la tero ŝi premis la genuojn, kaj la vejnoj elstariĝis; kaj mi kriis: "Ŝi ekleviĝos!"

Sed nur la flankoj de la korpo moviĝis, kaj ŝi kuŝis kviete kie ŝi estis.

Sed ŝia kapo ne ree kuŝiĝis, kaj mia apudulo diris: "Ŝi estas tro malforta. Rimarku! sub ŝi la kruroj estas kunpremitaj dum tro multe da tempo."

Kaj mi vidis la estaĵon baraktadi; kaj sur ĝi la ŝvitgutoj elstaris. Kaj mi diris: "Sendube, li, kiu staras apude, helpos ŝin."

Kaj li, kiu staris apud mi, diris: "Li ne povas helpi ŝin; ŝi devas sin helpi. Ŝi baraktu, ĝis kiam ŝi fortiĝos."

Kaj mi diris: "Li almenaŭ ne malhelpos ŝin. Rimarku! li ekforiras de ŝi, kaj tiel streĉas la ligilon inter ili, ke ŝi estas tirita malsupren al la tero."

Kaj li respondis: "Li ne komprenas. Kiam ŝi moviĝas, ŝi tiras je la ligilo kaj tio dolorigas lin, kaj li ekforiras de ŝi. La tago venos kiam li komprenos kaj scios, kion ŝi faras. Nur ŝi ŝanceliĝu sur la genuojn. En tiu tago li staros proksime kaj kompate rigardos en ŝiajn okulojn."

Kaj ŝi streĉis la kolon, kaj ŝvitgutoj defalis de ŝi, kaj la estaĵo leviĝis de la tero ĝis unu colo, kaj tiam refalis.

Kaj mi kriis: "Ho, ŝi estas tro malforta! Ŝi ne povas piediri! La pezaj jaroj forprenis de ŝi ŝian tutan forton. Ĉu ŝi neniam povas sin movi?"

Kaj li respondis al mi: "Rimarku la lumon en ŝiaj okuloj!"

Kaj malrapide la estaĵo baraktis, ĝis kiam ŝi povis stari sur la genuoj.

---

Kaj mi vekiĝis; kaj orienten kaj okcidenten la nefruktodona tero sin etendis, kun la sekaj arbetoj sur ĝi. Sur la ruĝa sablo la formikoj kuris tien ĉi kaj tien, kaj brulege la suno brilis. Supren tra la branĉoj de la arbo mi rigardis al la blua ĉielo. Mi min streĉis kaj reve pripensis mian sonĝon. Kaj mi denove ekdormis, kun la kapo sur la selo, kaj en la flameca varmego mi sonĝis ankoraŭ alian sonĝon.

Mi vidis dezerton, kaj el ĝi venis virino. Kaj ŝi venis al la bordo de malhela rivero, kaj la bordo estis kruta kaj alta. Kaj sur la bordo maljuna viro kun

blanka barbo renkontis ŝin; kaj en lia mano estis vergo kiu kurbiĝis, kaj sur ĝi estis skribita "Prudento." Kaj li demandis, kion ŝi deziras; kaj la virino diris: "Mi estas la Virino, kaj mi serĉas la Landon de Libereco."

Kaj li diris: "Ĝi estas antaŭ vi."

Kaj ŝi diris: "Mi nenion vidas, krom malhela fluanta rivero kun bordo kruta kaj alta."

Kaj li diris: "Kaj trans tio?"

Ŝi diris: "Mi vidas nenion; sed iafoje, kiam mi ŝirmas la okulojn per mano, mi pensas ke mi vidas je la malproksima bordo arbojn kaj montetojn, kaj la sunbrilo sur tiuj."

Li diris: "Tio estas la Lando de Libereco."

Ŝi diris: "Kiel mi povas atingi ĝin?"

Li diris: "Estas unu vojo kaj nur unu. Iru malsupren laŭ la bordo de la Laboro, tra la akvo de Suferoj. Estas nenia alia vojo."

Ŝi diris: "Ĉu ne ekzistas ponto?"

Li respondis: "Nenia."

Ŝi diris: "Ĉu la akvo estas profunda?"

Li diris: "Profunda."

Ŝi diris: "Ĉu la fundo estas glata?"

Li diris: "Ĝi estas. Via piedo povas ekgliti je ia momento kaj vi perdiĝos."

Ŝi diris: "Ĉu iu jam transiris?"

Li diris: "Kelkaj estas penintaj."

Ŝi diris: "Ĉu ne estas vojeto por montri kie sin trovas la plej bona transirejo?"

Li diris: "Tio devas esti farota."

Ŝi ŝirmis la okulojn per mano; kaj ŝi diris: "Mi iros."

Kaj li diris: "Vi devas demeti la vestojn kiujn vi

portis en la dezerto; tiu, kiu iras en la akvon tiel vestita, estas tirita sub la akvon per tia vestaĵo."

Kaj ŝi ĝoje forĵetis la mantelon de Antikvaj-ricevitaj-opinioj kiun ŝi portis, ĉar ĝi estis tre ĉifona. Kaj de sia talio ŝi forprenis la zonon kiun ŝi ŝategis dum tiom da tempo, kaj el ĝi elflugis la tineoj amase. Kaj li diris: "Deprenu de viaj piedoj la ŝuojn de Dependeco."

Kaj ŝi staris tie preskaŭ nuda, kun nur blanka robo kiu ĉirkaŭpremis ŝin.

Kaj li diris: "Tion vi povas deteni. Tiamaniere oni portas vestaĵon en la Lando de Libereco. En la akvo tia vesto ĉiam subtenos vin, ĉiam ĝi naĝos."

Kaj mi vidis "Vero" skribitan sur la brusto; kaj ĝi estis blanka; malofte la suno brilis sur ĝin; la aliaj vestoj ĝin kovris. Kaj li diris: "Prenu tiun ĉi bastonon; forte tenu ĝin. En tiu tago kiam ĝi elglitos el via mano, vi pereos. Antaŭ vi metu ĝin por esplori la vojon; en tiu loko kie ĝi ne trovos la fundon, ne metu vian piedon."

Kaj ŝi diris: "Mi estas preta; permesu, ke mi iru."

Kaj li diris: "Ne ... sed, atendu! kio estas tio, kion vi havas ĉe la brusto?"

Ŝi silentis.

Li diris: "Malfermu ĝin, por ke mi povu vidi."

Kaj ŝi malfermis ĝin. Kaj ĉe ŝia brusto estis etulo, kiu trinkis el ĝi, kaj la flavaj bukloj sur lia frunto premis al ŝi, kaj liaj genuoj premis ŝian korpon, kaj per liaj manoj li tenis ŝian mamon.

Kaj Prudento diris: "Kiu li estas, kaj kial li estas ĉi tie?"

Ŝi diris: "Rimarku liajn flugiletojn ..."

Kaj Prudento diris: "Metu lin for!"

Kaj ŝi diris: "Li dormas kaj suĉas. Mi portos lin

al la Lando de Libereco! Infaneto li estis dum tiom da tempo -- tiom da tempo, kaj mi portis lin. En la Lando de Libereco li viriĝos. Tie ni piediros kune, kaj liaj grandaj blankaj flugiloj estos ombro super mi. Li murmuretis nur unu vorton al mi en la dezerto: 'Pasio!' Mi estas sonĝinta, ke li povus lerni diri 'Amikeco' en tiu lando."

Kaj Prudento diris: "Formetu lin!"

Kaj ŝi diris: "Mi portos lin en tiu ĉi maniero -- sur unu brako, kaj per la alia mi batalos kontraŭ la akvo."

Li diris: "Metu lin sur la teron! Kiam vi vin trovos en la akvo, vi forgesos batali — nur pri li vi pensos. Kiam li scias, ke vi lasos lin sola, li etendos la flugilojn kaj flugos. Li atingos la Landon de Libereco antaŭ ol vi. Al tiuj, kiuj atingos la Landon de Libereco, la unua mano kiu estos etendita por helpi ilin suprengrimpi la krutan riverbordon estos la mano de Amo. En tiu tago li estos viro, ne infano. Ĉe via brusto li ne povas grandiĝi; metu lin sur la teron, por ke li kresku!"

Kaj ŝi forprenis el lia buŝo sian mameton, kaj li mordis ŝin, tiel ke la sango fluis al la tero. Kaj ŝi metis lin sur la teron, kaj ŝi surkovris la vundon. Kaj ŝi kliniĝis kaj karesis liajn flugilojn. Kaj mi vidis, ke la haroj sur sia frunto fariĝis neĝblankaj, kaj ŝi transformiĝis de juneco al maljuneco.

Kaj ŝi staris malproksime sur la bordo de la rivero, kaj ŝi diris: "Pro kio mi iras al tiu malproksima lando, kiun neniu ankoraŭ atingis? Ho, mi estas sola! Mi estas terure sola!"

Kaj Prudento, tiu maljunulo, diris al ŝi: "Silentu! Kion vi aŭdas?"

Kaj atente ŝi aŭskultis, kaj ŝi diris: "Mi aŭdas la

piedbatojn de dekmilo da miloj da piedoj, kaj ili venas ĉi tien!"

Li diris: "Tiuj ĉi estas la piedoj de tiuj, kiuj sekvos vin. Antaŭen! Faru vojon al la akvobordo! Kie vi nun staras, la tero estos glatigita per dekmilo da mil da piedoj."

Kaj li diris: "Ĉu vi iam vidis, kiamaniere la cikadoj transiras riveron? Unue, unu venas al la akvobordo kaj estas forportita en la fluo, kaj alia venas, kaj alia kaj alia, kaj fine el iliaj korpoj ponto estas konstruita kaj la ceteraj transiras."

Ŝi diris: "Kaj el tiuj, kiuj unue venas, kelkaj estas forportitaj en la akvo kaj ne plu estas vidataj; la korpoj de tiuj ĉi eĉ ne helpas konstrui la ponton?"

"Kaj estas forportitaj kaj estas ne plu vidataj -- kaj pri tio, kiel gravas?" li diris.

"Kaj pri tio -- kio?" ŝi diris.

"Ili faras vojon al la akvobordo."

Kaj ŝi diris; "Trans la ponton, kiu estas konstruita de niaj korpoj, kiu pasos?"

Li diris: "La tuta homa raso."

Kaj mi vidis ŝin turniĝi kaj iri laŭ la malluma vojeto al la rivero.

---

Kaj mi vekiĝis, kaj ĉirkaŭ mi ĉie estis la flava vespera lumo; la subiranta suno lumigis la fingrojn de la arbetoj, kaj apud mi la ĉevalo kviete staris kaj manĝis. Sur mian flankon mi turniĝis kaj observadis la formikojn kuri po miloj sur la ruĝa sablo. Mi pensis: "Nun mi denove vojaĝos -- la tago jam pli malvarmetiĝas." Tiam sur min venis dormemo kaj mi remetis la kapon sur la selon kaj ekdormis.

Kaj mi sonĝis sonĝon.

Mi sonĝis, ke mi vidas landon. Kaj sur la altaĵoj promenis kuraĝaj virinoj, mano en mano kun kuraĝaj viroj. Kaj ili rigardis unu la alian en la okulojn, kaj ne timis.

Kaj mi ankaŭ vidis, ke la virinoj tenas unu la alian per la manoj.

Kaj mi diris al li, kiu estis apud mi: "Kian nomon havas tiu ĉi lando?"

Kaj li diris: "Estas Paradizo."

Kaj mi diris: "Kie ĝi estas?"

Kaj li respondis: "Ĝi estas sur la mondo."

Kaj mi diris: "Kiam tiuj ĉi aferoj efektiviĝos?"

Kaj li respondis: "En la estonteco."

---

Kaj mi vekiĝis, kaj ĉie ĉirkaŭ mi estis la vespera krepusko; kaj sur la malaltaj montetoj la suno kuŝis; kaj super ĉio dolĉa malvarmo jam venis; kaj malrapide iris la formikoj hejmen. Kaj mi alpaŝis al mia ĉevalo, kiu staris trankvile kaj manĝis. Tiam, malantaŭ la montetoj, la suno subiris; sed mi sciis, ke je la venonta tago denove li leviĝos.



ONI proponas havi ĉe Portlando, ŝtato Oregono, anstataŭ kunveno de Esperanta Asocio de Nord-Ameriko, tri lokajn kunvenojn, nome: tiujn de la ŝtataj Esperantistoj, de Esperanto Asocio de la Pacifika Nordokcidento, kaj de regiona Universala Esperanto-Asocio. Tiuj ĉi kunvenoj okazos, laŭ informo de S-ro Cooper, je la 19-21 de Julio. Ĉiuj ricevos koregan bonvenon.

## POST JRAOJ.

### RAKONTO DE D-RO LIDOVEC.



KIAM mi ekkonis la fraŭlinon Ludmila — rakontis foje al mi unu konatulo — mi estis ankoraŭ studento, juristo, proksima al fino de miaj studoj. Mi ĉeestis en Praha sur insulo de Sofio ĉe unu el grandaj baloj, tiel nomataj reprezentemaj, kiujn por si aranĝas ĉiun karnavalon la "kremo" de bohema burĝa societo, kaj kiuj allogas krom belulinoj el Praha ankaŭ multajn el kamparo. La fraŭlino Ludmila estis unu el tiuj ĉi lastaj. La balo estis la unua granda balo en ŝia vivo, tial novaĵo por ŝi. Nepre ne estis tiel kun mi -- ĉar mi estis jam multe da fojoj rapidinta al tia balo trans la ponteto, kiu la kajon apud Nacia teatro kun la insulo interligas kaj kie dum la balo brulas torĉoj sur balustrado, por lumigi la veturilojn kun belulinoj kaj la piedirantajn dancontojn.

La grandega ĉambrego supre en la restoracia konstruaĵo, kie oni la balojn aranĝas, kun la belulinoj en helaj balvestoj kaj kun iliaj apud muroj sidantaj pliaĝaj akompanantinoj en malhela vestaro, estis konatega al mi jam de longe. Pro tio mi eniris senembarase. Jam ĉeestis Fraŭlino Ludmila, starante antaŭ sia akompanantino. En ŝiaj bluaj okuloj kaj en belaj molaj trajtoj de ŝia vizaĝo, laŭ kiuj oni facile en ŝi rekonis slavinon kaj boheminon, mi legis silentan demandon: "Ĉu mi trovos ankaŭ ĉi tie en la ĉefurbo sufiĉe da dancantoj, kiel en nia kampara urbeto?"

Ĉar ŝi estis bela, ŝi trovis ilin, kvankam neniu ŝin konis. Mi estis el la unuaj, kiuj petis de ŝi dancon.

Kun ĉarma rideto ŝi donis al mi la miniaturan libreton kun danclisto, kaj mi enskribis mian nomon. Mi estis tiam bela junulo, vestita anstataŭ la internacia frako je la "ĉamara," tiu ĉi nacia bohema surtuto kun ŝnuroj sur brusto. La dancado estis jam komenconta. La muziko bonvenis ankoraŭ eminentajn balgastojn dum ilia iro sur estradon, precipe la tiam ankoraŭ vivantan nian ĉefan politikiston Doktoron Rieger per la energia melodio "Supren Slavoj;" la urbestron de Praha per dolĉaj sonoj de nacia himno "Kie mia hejm';" kaj la landestron de regno Bohemujo per majesta aŭstria himno de Haydn. Komencis la "antaŭdancado" de elektitaj paroj, kaj post ĝi la ĝenerala dancado de ceteraj gedancantoj.

Mi ankoraŭ rememoriĝas, ke mi dancis kun Ludmila la dancon "beseda," kiun oni dancas en okpersonaj rondaj grupetoj kaj kies muziko konsistas el niaj belaj naciaj melodioj. Poste ni promenis ĉirkaŭe en la balĉambrego. Mi eksciis de ŝi, ke ŝi estas sola filino de neriĉa kampisto, kaj ke ŝi vizitas en Praha komercan lernejon, lernante ĉe tio ankaŭ kudri kaj kuiri.

Tiu ĉi bela junulino "falis efektive en mian koron." Mi elektadis ŝin de tiu tempo intence en ĉiuj baloj kiel mian dancantinon, mi vagadis preter ŝia loĝejo por ŝin nur vidi kaj ricevi ŝian kapklineton kiel dankon je mia respekta saluto. Ŝi iradis neniam sola, ĉiam akompanis ŝin la maljunulino, konata al mi el la balo. Pro tio mia "amo," kiel mi nomis miajn studentajn sentojn por ŝi, montriĝis nur per dancado kaj salutado, ne per amkunvenoj. Sed venis tempo de ekzamenoj, unu jaro de militservo. Aliaj zorgoj elpelis ŝian bildon el mia memoro, kie ĝi, kiel mi mem baldaŭ vidis, ne havis profundajn radikojn. Mi forgesis ŝin. Kaj kiam mi post

du jaroj ricevis de unu konatulo la sciigon pri ŝia edziniĝo kun riĉeta komercisto, viro jam kvardekjara (ŝi estis dudekjarulino), mi nur diris apatie: "Estas bone. Por ŝi, fraŭlino sen doto, tio ĉi estas feliĉo."

Mi estis dume fariĝinta juĝa oficisto, kaj mia profesio alkondukis min en la kamparon. Tie mi estis komence malkontenta, ĉar la movo kaj bruo mankis tie al mi, kaj mi ne havis tie Nacian teatron, bildkolektojn, koncertojn, grandajn balojn kaj aliajn urbegajn amuzilojn. Sed baldaŭ mi lernis ŝati freŝan aeron, tiean belan naturon, trankvilon; komencis amuziĝi per fiŝkaptado kaj ĉasado, kaj fine mi edziĝis, tute feliĉe. Pri Praha kaj mia "studenta amo" mi parolis jam nur ridete.

Sed post dudek jaroj alkondukis min ree mia profesio en la ĉefurbon. Kiam mi sidis en restoracio kun mia amiko el jaroj junulaj, kaj ni parolis pri tiamaj niaj ĝojoj kaj ĉagrenoj, li atentigis min, ke en unu komerco en Praha estas kiel vendistino la eksfraŭlino Ludmila, mia iama "idealo." "Mi ne konas ŝian historion," li diris, "sed iru en la vendejon ion aĉeti, kaj se la historio vin interesos, ŝi rakontos ĝin eble al vi mem. Mi nur scias, ke ŝi kaj ŝia edzo perdis tutan havaĵon."

Mi iris tien, kaj miris, ke mi vidas antaŭ mi virinon nur kvardekjaran, sed kun griza haro, kaj kun multaj suferoj enskribitaj en la vizaĝo. Jes tio estis Ludmila. Kia renkonto post jaroj! Ŝi rakontis jenon:

Ŝia edzo baldaŭ post la edziĝo malsaniĝis, kaj li restis malsana tutajn dekok jarojn. La malsano konsistis en pligrandiĝo de pulmo, kaj li atribuis ĝin al troa biciklista sporto. Kiel viva kadavro li sidis dum jaroj en granda apogseĝo, gardate de du flegistinoj. En unua

tempo li dum tri monatoj ĉiujare iomete povis promeni en la naturo, sed poste eĉ tio ĉesis. Dum lastaj dektri jaroj li eĉ ne povis dormi en lito, ĉar li timis tie, ke li sufokiĝos. Li nur sidis en la seĝo, kaj estis necese lin amuzi, eĉ nokte, kiam li maldormis. Neniaj kuraciloj helpis, kaj ili estis multekostaj, kvankam ili ofte konsistis nur el ĉokoladbuletoj kun ia polvoreto interne. La kuracistaj honorarioj estis grandaj -- kuracisto eminenta, kiu lin kuracis dum vico da jaroj, ricevis tridek mil koronojn! La paciento post dekokjara suferado mortis, lia edzino, kiu tute sola dum lia malsano pri la granda komerco zorgis, perdis per la malsano tutan havaĵon. ... Estis bone ankoraŭ, ke ili ne havis infanojn. Kiu nun zorgus pri ili, el kio oni ilin subtenus? Ludmila mem trovis nur modestan subtenon por propra persono.

Larmoj eliĝis el ŝiaj okuloj. Kaj mi, profunde kortuŝita, eliris el la vendejo.



LAŬ sciigo el D-ro B. F. Schubert, prezidanto, la Usona Asocio Esperanta bone progresas. Unu samideanino, F-ino Hamand, el Schaller, ŝtato Iowa, donis al ĝi la sumon da 122 Sm., kaj multaj aliaj monhelpis. La asocio lasttempe akiris la solan rajton represi en Usono bonegan lernolibron de Esperanto, kiun ĝi sendube vendos je malkara prezo. Eniris la propagandan komitaton: F-inoj J. E. Hamand kaj Louisa S. Weightman, S-roj Oscar Whitehead kaj B. F. Schubert; en la financan komitaton: S-roj C. M. Wirick kaj Jos. Wieczorkienicz. Oni plendas, ĉar ni ne publikigas pli da sciigo pri la nova asocio. La respondo estas: ni jam publikigis ĉion, kion oni sendis al ni. Cetere, ni ilin bonvenis kaj bonvenas.

## EŬROPO PER UNU VIDO.

### EL "STONOJ DE VENEZIO" DE JOHN RUSKIN.*



NI SCIAS, ke gencianoj kreskas sur la Alpoj kaj olivoj sur la Alpeninoj; sed ni ne sufiĉe konceptas al ni tiun variigitan mozaikaĵon de la monda supraĵo, kiun birdo vidas migrante, -- tiun diferencon inter la distrikto de la genciano kaj de la olivo, kiun la cikonio kaj la hirundo vidas malproksime, apogiĝante sur la siroka vento. Ni provu momente nin levi eĉ super la nivelon de ilia flugo kaj imagi la Mezan Maron, kiu kuŝas sub ni kiel neregula lago, kaj ĉiuj ĝiaj antikvaj promontoroj dormas sub la suno: ie kaj ie kolera tondraĵo, griza **ŝtormmakulo, sin movas sur la brula fono; kaj ie kaj ie fiksa girlando el blanka vulkana fumo, ĉirkaŭita de sia rondo el cindroj; sed plejloke vasta lumpacejo, Sirio kaj Grekujo, Ital- kaj Hispanujo, metitaj kiel eroj de ora pavimo en la marbluaĵon, ĉizitaj, laŭ pli proksima vido, je reliefaĵo de montaroj, kaj ardetantaj pro teras-ĝardenoj kaj floroj pezaj de olibano miksitaj inter masoj da laŭro kaj oranĝarboj kaj plumaj palmoj, kiuj malpliigas per siaj grizverdaj ombroj la brulecon de la mar-

*El angla tradukis H. M. Scott-Moundsville, W. Va.

**Radiko prenita el Provo de Marista Terminaro, de S-ro Rollet de l' Isle. "Ventego" aŭ "fulmotondro" tute ne esprimas kontentige la ideon de angla "storm," germana "sturm," franca "tempete." Oni povas havi ŝtormon sen vento kaj sen fulmotondro. Eble "tempesto" estus ankoraŭ pli internacia ekvivalento ol ŝtormo. Sed mi sekvas provizore la precedenton de S-ro de l' Isle. —Rim. de la Trad.

morrokoj kaj de la tavoloj de porfirio deklivantaj sub luma sablo. Poste ni pasu pli norden, ĝis ni vidas la orientkolorojn ŝanĝiĝi grade en zonegon el pluva verdo, kie la paŝtejoj de Svislando kaj poplovaloj de Francujo kaj malhelaj arbaroj de Danubo kaj la Karpatoj sin etendas de la enfluoj de Luaro ĝis tiuj de Volgo, vidataj tra fendoj en grizaj kirlaĵoj de pluvnuboj kaj lanecaj vualoj de la riveret-nebulo, sterniĝantaj malalte apud la paŝtejoj; kaj poste, pli norden ankoraŭ, por vidi la teron ŝvelegi en grandegajn masojn da plumba roko kaj erika stepo, randigante per larĝa vastaĵo funebre purpura tiun zonon el kampoj kaj arbaroj, kaj splitiĝante en neregulajn kaj mallogajn insulojn inter la nordaj maroj, batatajn de ŝtormo kaj frostigatajn de glaciflotaĵo kaj turmentatajn de furiozaj ekfluoj de baraktantaj tajdoj, ĝis la radikoj de la lastaj arbaroj mankas inter la montet-ravinoj kaj la malsato de la norda vento mordas iliajn pintojn nudige; kaj fine la muro glacia, daŭra kiel fero, metas, mortsimile, siajn blankajn dentojn kontraŭ ni el la polusa krepusko.



KELKAJN mejlojn malproksime de Takomo troviĝas azilo por personoj, kiujn oni aljuĝas difektitaj ĉe la cerbo -- frenezuloj. Proksime de la azilo estas rivereto, tre fama loko pro la sporto de fiŝkaptado. Iun tagon frenezulo vagis el pordego de l' azilo kaj veninte ĝis la rivereto li ekvidis viron kiu ŝajne provis kapti fiŝojn. Post longa rigardo, dum kiu nenio okazis, la difektito demandis al la mallertulo: "Kiom da tempo vi estas ĉi tie?" "Tri horojn," estis la respondo. "Kaj vi kaptis nenion?" "Nenion." "Nu, sinjoro," diris la azilano, montrante la pordegon de l' azilo, "envenu!"

## LA BATALO DE LA FORMIKOJ.

### ANGLE VERKITA DE THOREAU -- EN "WALDEN."*


NU tagon, kiam mi eliris al mia ŝtiparo, aŭ pliĝuste mia stumparo, mi rimarkis du grandajn formikojn — unu ruĝa, la alia multe pli granda, longa pli ol unu centimetron, kaj nigra--furioze batalantajn unu kun la alia. Post kiam ili unue kunkroĉiĝis, ili ne forlasis unu la alian, sed baraktadis kaj luktadis kaj ruliĝadis senĉese sur la forfendaĵoj. Rigardante pluen, mi surpriziĝis je vido, ke la forfenditaj lignetoj estas kovritaj de tiaj batalantoj, ke ne estas duellum, sed bellum, milito inter du rasoj de formikoj, ĉar la ruĝuloj ĉie kontraŭstaris la nigrulojn, kaj tre ofte du ruĝuloj batalis kontraŭ unu nigrulo. La legioj de tiuj Mirmidonoj kovris la altaĵojn kaj valojn en mia ŝtipejo, kaj la tero jam estis surŝutitaj de mortintoj kaj mortantoj, ambaŭ ruĝaj kaj nigraj. Estis la sola milit-batalo kiun iam ajn mi vidis, la sola batalkampo sur kiu mi staris dum la batalo bruis; interna milito; la ruĝaj respublikanoj unupartie, kaj la nigraj imperianoj en la alia partio. Ĉiuflanke ili kunkroĉiĝis en mortiga batalado, sed tute sen bruo aŭdebla de mi; kaj neniam bataladis homaj soldatoj tiel decideme. Mi observadis du, kiuj firme sin tenis en daŭra kunpremo, en malvasta suna valeto inter la forfendaĵoj, nun je tagmezo pretaj bataladi ĝis la suno subiros aŭ la vivo eliros. La ruĝa, pli malgranda probatalanto estis sin alfiksinta kiel ŝraŭbtenilon al la fronto de sia kontraŭanto, kaj tra ĉiuj renversiĝoj sur tiu batalkampo, eĉ unu momenton li neniam

*Tradukita de Farnsworth Wright -- Reno, Nevado.

ĉesis mordeti je unu el liaj antenoj ĉe ĝia radiko, kaj li jam forigis la alian; dume, la pliforta nigrulo ĵetegis lin de unu flanko al alia, kaj, kiel mi vidis per pli proksima rigardo, li jam senigis lin de kelkaj liaj membroj. Ili batalis kun pli da persisto ol buldogoj. Neniu montris eĉ plej malgrandan emon sin retiri. Estis evidente, ke ilia batalvoko estas Venku aŭ Mortu. Dume venis sur la dekliva flanko de tiu valeto, sola ruĝa formiko, evidente plena de ekscitego, kiu aŭ jam mortigis sian kontraŭanton, aŭ, plikredeble, ne ankoraŭ partoprenis la batalon, ĉar li estis perdinta neniun el liaj membroj. Lia patrino estis admoninta lin, ke li reiru kun sia ŝildo aŭ sur ĝi. Aŭ eble li estis iu Aĥilo, kiu estis nutrinta aparte sian koleron, kaj nun venis venĝi aŭ savi sian Patroklon. Li vidis tiun neegalan duelon de malproksime, -- ĉar la nigruloj estis preskaŭ duoble tiel grandaj kiel la ruĝuloj, -- li alproksimiĝis kun rapida iro ĝis kiam li staris batalprete, je unu centimetro da distanco. Tiam, serĉinte sian okazon, li sursaltis la nigran militiston, kaj komencis sian laboron ĉe la radiko de lia dekstra antaŭkruro, lasante al la malamiko liberan elekton inter siaj propraj membroj. Kaj tiel estis tri dumvivaj unuiĝintoj, kvazaŭ oni estis elpensinta novan specon de altireco, kiu hontigus ĉiujn aliajn ŝlosilojn kaj cementojn. Post tiam mi ne mirus, eĉ se mi trovus ke ili havas siajn apartajn muzikbandojn lokitajn sur iu eminenta forfendaĵo, kaj ludantajn siajn naciajn melodiojn por eksciti la malrapidajn kaj kuraĝigi la mortantajn batalantojn. Mi estis mem ekscitita, iel kvazaŭ ili estus homoj. Ju pli oni pripensas ĝin, des malpli estas la malsimileco. Kaj certe ne estas batalo enskribita en la historio de Concord*, se ja en la historio de Usono, kiu eĉ dum unu

momento povas esti komparata kun tiu, ĉu rilate la nombrojn kiuj partoprenis, ĉu rilate la patriotismon kaj heroecon kiujn montris la batalantoj. Rilate al nombroj kaj sangeco, ĝi estis iu Aŭsterlitz aŭ Dresden. Batalo de Concord! Du mortintoj el la patriotoj, kaj Lutero Blanchard vundita! Jen tie ĉi ĉiu formiko estis iu Buttrick: "Pafu! pro Dio, pafu!"--kaj milojn atingis la sorto de Davis kaj Hosmer. Estis neniu salajrulo tie! Mi ne dubas pri tio, ke ili batalis pro principo, kiel niaj prapatroj, kaj ne por eviti tripencan imposton sur sian teon; kaj la rezultatoj de tiu batalo estos almenaŭ tiel gravaj kaj memorindaj al tiuj kiujn ĝi koncernas, kiel la batalo de Bunker Monteto.**

Mi ekprenis la ligneton sur kiu baraktadis la tri, kiujn mi jam priskribis, enportis ĝin en la domon, kaj metis ĝin sub glason sur mia fenestro-kadro, por rigardi la rezulton. Teninte mikroskopon al la unue menciita ruĝa formiko, mi ekvidis ke, kvankam li nelacigeble mordetas je la pliapuda antaŭkruro de sia malamiko, jam detranĉinte lian duan antenon, tamen lia propra brusto estas forŝirita, kaj la internaĵoj kiujn li tie havas estas malkovritaj al la kirasbuŝo de la nigra militisto, kies brustkiraso ŝajne estis tro dika por ke la ruĝulo ĝin penetru; kaj la malpalaj karbunkloj de l' okuloj de la suferanto brilis kun tia sovaĝeco kian nur la milito povas eksciti. Ili baraktadis ankoraŭ duonhoron sub la glaso, kaj kiam mi denove rigardis, la nigra soldato jam de la korpoj fortranĉis la kapojn de siaj kontraŭintoj; kaj la ankoraŭ vivaj kapoj pendis ambaŭflanke, kiel te-

*Concord estas la vilaĝo kie loĝis la verkinto, kaj kie okazis la unua konflikto de la Amerika (de l' Nordo) Revolucio.

**Grava batalo en la Amerika Revolucio.

ruraj trofeoj ĉe lia selotenilo, ankoraŭ tiel firme fiksitaj kiel antaŭe. Per malfortaj klopodoj — ĉar li estis sen antenoj kaj havis nur parton de unu kruro, kaj mi ne scias kiomajn vundojn li havis -- li penis senigi sin de ili. Fine, post ankoraŭ duonhoro, li sukcesis. Mi levis la glason, kaj en tiu kripligita stato li foriris trans la fenestro-kadron. Ĉu li fine postvivis tiun batalon kaj pasigis la reston de siaj tagoj en iu Hotel des Invalides, mi ne scias; sed mi opinias ke lia diligenteco ne multe valoros poste. Mi neniam sciiĝis, kiu partio forportis la venkon, aŭ kio estis la kaŭzo de la milito; sed dum la resto de tiu tago mi sentis kvazaŭ miaj sentadoj estis ekscititaj kaj turmentitaj per vido de homa batalo antaŭ mia pordo.

Kirby kaj Spence nin sciigas ke oni dumlonge prikantis la batalojn de formikoj kaj enskribis la datojn, kvankam Huber verŝajne estas la sola moderna verkisto kiu vidis ilin. "Eneo Silvius," ili diras, "post tre detala priskribo de batalo disputita de granda kaj malgranda specoj sur la trunko de pirarbo," aldonas ke: 'Tiu batalo okazis en la pontifikeco de Eŭgenio Kvara, en la ĉeesto de Nikolao Pistoriensis, eminenta advokato, kiu rakontis la tutan historion de la batalo kun tre granda fideleco.' Olaŭso Magnus rakontas similan batalon inter grandaj kaj malgrandaj formikoj, en kiu la malgranduloj, estante venkintoj, laŭ diro enterigis la kadavrojn de siaj soldatoj, sed lasis la kadavrojn de siaj malamikoj por esti akiro al la birdoj. Tio ĉi okazis antaŭ la forpelo de la tirano Ĥristiano Dua el Svedujo." La batalo, kiun mi ĉeestis, okazis en la prezidanteco de Polk, kvin jarojn antaŭ la leĝigo de la Webster'a Leĝo pri Forkurintaj Sklavoj.

# KIEL BELA ESTAS LA VIVO!

## EL PSIKOLOGIO DE L' RUSA JUNULARO.*

(Daŭrigo)

V

UTE freŝdate, antaŭ nemultaj tagoj, mi ricevis de unu el miaj Parizaj amikoj leteron. Ĝi diris interalie:

"Vi kredeble jam scias el telegramoj pri la konsterninta la tutan Latinan kvartalon memmortigo de Rusa studentino, Nina B. Ŝia patro, ia malaltranga intendanta oficiro, trafis sub la fama revizio de senatano Garine kaj estis arestita. La patrino kun et-aĝa filo restis neatendinte sen ĉia monaĵo kaj deviĝis ĉesi sendon de ĉiumonata subsidio al la filino en Parizo. La malfeliĉa fraŭlino ne eltenis la ŝargajn sekvojn de la materiala mizero, pliigita krom tio per la morala malĝojo: hontiĝo pri la patro -- kaj ŝi sin venenis.

"Ĉe tiu malgaja historio sin trovis unu kortuŝanta kaj samtempe tragika incidento, kiu certe ne enregistriĝis de la ĉion scianta, en ĉion sin miksanta telegrafo.

"Nina B. ne mortis subite. La solvaĵo de sublimato, kiun ŝi englutis, ne havis sufiĉan forton, por mortigi ŝin tuj. Kiam ŝi eksentis la doloron, ŝi verŝajne mem teruriĝis je sia decido, kaj elkurinte el la propra ĉambro al siaj kunulinoj je loĝejo ŝi ekkriadis:

" 'Helpu -- pro Dio, helpu al mi -- mi min venenis!'

* Laŭ efektivo verkis Simeon Poltavski el Saratov, Rusujo.

"La tumulto iĝis grandega. La fraŭlinoj ektimis kaj tute ne sciis, kion fari. Ne perdis la spiriton nur unu el ili, kiu estis okaza gasto en la domo, okazejo de l' intencita memmortigo. Ŝi forsendis du fraŭlinojn serĉi kuraciston, trian trovi lakton ĵus melkitan (la malgaja fakto okazis matene) kaj ŝi mem komencis, kiom ŝi sciis, ĉirkaŭi per necesaj zorgoj la kurbiĝantan je konvulsioj memmortigulinon.

"Ĉar mia loĝejo troviĝis proksime de la loĝejo de Nina B. mi eksciis pri la okazintaĵo tre baldaŭ kaj, eksciinte, mi tuj rapidis tien. La pordon malfermis al mi la fraŭlino, kiu prenis sur min la malfacilan problemon fari unuan helpon al sia malfeliĉa sampatrujanino. Ŝia malgranda kaduka figureto kaj malgrasa nesana vizaĝo kun grandaj nigraj okuloj ŝajnis al mi konataj, sed mi absolute ne povis rememori, kiam kaj kie mi ŝin vidis. Eble ni nin renkontadis tre malofte.

"Ŝiaj okuloj estis plenaj de larmoj.

" 'Diru, pro Dio,' ŝi sin turnis al mi, tute tremante de kompato kaj eble ankaŭ de teruro; 'diru al mi, kial ŝi faris tion ĉi?'

"Mi nenion respondis (kion ja mi povis respondi?) kaj ŝi ree sin turnis al siaj zorgoj.

"Per tremanta mano ŝi deviŝadis ŝaŭmon de la bluiĝintaj lipoj de Nina, plikomfortigadis la kusenon kaj, eble dezirante distri la malsanulinon de ŝiaj internaj doloroj, ĉiam senhalte paroladis:

" 'Karulino, kolombo mia, vi ne maltrankviliĝu, pro Dio. Jen baldaŭ venos la doktoro -- li tuj helpos al vi. La afero estas ankoraŭ korektebla. Ah, kian eraron vi faris! Kian grandan eraron! La vivo estas tiel bona -- kaj vi volis foriri el ĝi. . . . Nu, nu, trankviliĝu, mia

karulino. Ankoraŭ minuteto -- unu sola minuteto! Baldaŭ ĉio forpasos.'

"Venis la kuracisto. Nina transportiĝis en hospitalon.

"Kiam ni, malgaje ekscititaj kaj zorgoplenaj nin preparis disiradi al niaj hejmoj, apudvenis al mi tiu malgranda malgrasa fraŭlino, kiu tiel memforgese zorgis pri la sinvenenintino. Ŝiaj okuloj brilis de febra flamo, la pupiloj nenormale larĝiĝis. La malgrasa kaj pala vizaĝo kun sangkoloraj makuloj sur la vangoj estis kovrita per grandaj gutoj da ŝvito.

"'Pardonu,' ŝi diris timeme; 'ĉu vi ne povus iom promeni kun mi ekstere? Mi devas nemulte kvietiĝi. Kaj sola -- mi ne povas.'

"Mi kompreneble jesis.

"Ni malsupreniris per la ŝtuparo kaj silente iris sur la strato. Sed ni ne havis ankoraŭ tempon pasi eĉ duonon da kvartalo, kiam mia kunulino ekŝanceliĝis, ektusis per malsana fajfa tuso. Sammomente el ŝia gorĝo kaj nazo elŝprucis la sango.

"Mi tute konfuziĝis, tamen trovis en mi sufiĉe da spirito por sidigi ŝin en proksiman veturilon kaj veturigi al la domo, kiun ni ĵus forlasis. Tie mi min informis pri ŝia adreso kaj transigis ŝin en ŝian propran loĝejon.

"Vi povas kompreni, ke tiu okazintaĵo devis tre maltrankviligi min. La morgaŭon mi iris al mia nova konatino por ekscii pri ŝia farto. Ŝi kuŝis surlite. La vizaĝo ŝajnis ankoraŭ pli malgrasa, ol antaŭe; la okuloj internen falis. Ŝi raŭke tusadis, konvulsie enpremante la fingrojn en la tremantan bruston.

'Nu, kiel fartas Nina?' ŝi tusbalbute demandis al mi, apenaŭ mi eniris en ŝian mallarĝan malluman nesekan ĉambreton.

"Ekpensis mi, ke la sciigo pri tio, ke Nina mortis, povas tre malĝojigi ŝin. Tial, evitante rigardi ŝiajn demandeme fiksitajn je mi okulojn, mi rediris kiel eble plej certige:

" 'Ho, Nina jam resaniĝas.'

" 'Kiom mi ĝojas!' ŝi ridetis, subpremante siajn suferojn. 'Nun, post tuta tiu teruro ŝi komprenos fine, kiel -- kiel bone estas vivi.'

"Mi forlasis ŝin post kelke da minutoj kun tre malgaja sento. Plu mi ŝin ne vidis.

"Kiam ŝi mortis, mi aŭdis pri ŝi teruregajn aferojn, al kiuj mi ĝis nun ne volas kredi. Laŭ rakontoj de ŝia dommastrino, ŝi malsatadis tiel, kiel eble neniu alia Rusa elmigrinto. Kaj vi konas, certe, ke la Rusaj elmigrintoj en eksterlando bone kutimas malsati. Ofte okazis, kiel oni rakontis al mi, ke la fraŭlino, pri kiu mi nun skribas al vi, dum du aŭ iufoje eĉ tri tagoj ne havis en sia loĝejo la plej malgrandan paneron. Ŝi estis eble tro en-si-a kaj fiera por sin turni al kunhelpo de konatoj. Almenaŭ, neniu ĝis nun ekpovis fanfaroni pri tio, ke ŝi sin turnis al lia aŭ ŝia helpo, financa aŭ alispeca.

"Mi ne povas tuj diri al vi precize, kio estis la nomo de tiu fraŭlino. Oni diradis al mi kelkfoje la nomon, sed mi ĉiam estis tiel korekscitita, ke ĝi ne konserviĝis en mia memoro. Mi diros nur, ke ŝia sorto, tiel simpla kaj tiel tragika, ekfrapis nian Rusan kolonion ne malpli, ol la memmortigo de Nina B. Kaj la terura estas, ke ŝi estis por ĉiuj fremda, preskaŭ nekonata. Ĉiuj miris kaj demandis unu alian: 'Kiu ŝi estis? Kio estis ŝia nomo? Kial ni antaŭe nenie vidis ŝin?' " ...

Mi ne bezonis elserĉi ŝian nomon. Mi jam konis ĝin pli frue, ol mi finis legi la leteron.

Mi nur miris, kiamaniere tia malforta mortdediĉita kreitaĵo, kiu nenion havis en la estonto, nenian solidan esperon, nenian helan interlumiĝon en densaj nubegoj de sia suferplena ekzistado — kiamaniere ĝi povadis ĝis la fino resti fidela al sia vigla devizo, elkreskinta, ekflorinta en ĝi malgraŭ ĉiuj malfeliĉaĵoj, preskaŭ kontraŭe al la sorto mem:

"Kiel bela estas la vivo!"

Sed — eble ŝi estis prava. Por tiuj, en kiuj brilas la viva kaj neniam estingiĝanta flamo de l' penso, la vivo efektive ĉiam estas bela.

(Fino)



DUM la somero de nuna jaro en urbo Omsk (okcidenta Siberio) estos organizita la unua Okcident-Siberia agrikultura-industria ekspozicio. Tiun ekspozicion kunvenos multaj homoj el malproksimaj anguloj de Siberio kaj Rusujo. Tre grave estas, ke Esperanto estu plej bone reprezentita en tiu ekspozicio, por ke la kunvenintoj disportu la semojn de esperantismo tra la tuta lando. Tial Tomska studenta rondeto decidis preni sur sin la organizadon de esperanto-fako en la ekspozicio, kaj ni esperas, ke la tuta esperantistaro unuanime helpos en tiu entrepreno. Ni petas pri alsendo de gazetoj, libroj, poŝtkartoj ilustritaj, kaj ceteraj esperantaĵoj. Grava estas ankaŭ la monhelpo: la rondeto ne posedas sufiĉe da mono kaj esperas kovri la elspezojn per la enspezoj de vendado en ekspozicio. Adresu: La Komitato de Tomska Studenta Esperantista Rondeto, Siberio, Omsk, Atamanskaja 6, dom Levina, al A. Skalskij.

# INICILO MATEMATIKA.

## LUDO DE KUBETOJ KUNIGEBLAJ.*



I ĴUS ricevis el Francujo, de la elpensinto, ĉi tiun ludilon, kiu estas ne nur amuzigilo por infanoj, sed ankaŭ serioza ilo por instrui la matematikon al pliaĝuloj. Pri ĝia uzo oni diras en "Lingvo Internacia:"

"Nun oni interkomentas pri tio, ke la ideon de 'nombro' oni devas komprenigi al infanoj per objektetoj similaj. Ĉiuj geinstruistoj uzas por tiu celo fazeolojn, bastonetojn, ktp. La elekto de tiuj objektoj estas grava. Taŭge estas, ke ili estu plej samaj; bonege ankaŭ, ke ilin oni povu kunigi farante dekojn, centojn...

"Inter la formoj plej taŭgaj estas la sfero kaj la kubo. La unuan oni uzas por la Bulkalkulilo, sed la farado de aroj ne estas facila.

"Kontraŭe la kuboj kuniĝas ĉe iliaj plataj flankoj. Pro tio, S-ro Tilmant ekslernejestro de Lille elpensis unu 'Kubkalkulilon' interesan, en kiu la unuo estis la centimetro kuba.

"Sinjoro Jacques Camescasse en sia 'Inicilo Matematika,' uzas ankaŭ la centimetron kuban; sed la noveco de lia eltrovaĵo, kaj ĝia supereco, elvenas el tiu fakto, ke la kubetoj (600 kubetoj ruĝaj, 600 blankaj), havas ĉiuj du foldojn en kiuj povas eniri lamenoj ŝtalaj je 92 milimetroj.

"Per tiuj lamenoj kaj foldoj, la kunigo de dek kubetoj (oni povas meti 5 ruĝajn kun 5 blankaj) estas ludo

*Elpensaĵo de S-ro Jacques Camescasse; havebla el Hachette kaj Ko., 79 Bd. St.-Germain, Paris; prezo, 12 francs (4,75 Sm.).

amuza, kies rezultato estas aro (deko) taŭgege farita. La lamenoj estante nur 92-milimetraj, la infano povas kunigi per unu vergeto nur dek kubetojn.

"Kiam oni faris kelkajn dekojn, oni povas facile fari centon per aliaj lamenoj enigitaj en la duaj foldoj, (kiuj estas perpendiklaj je la unuaj): du lamenoj pluaj sufiĉas por tio, kaj mi konsilas al niaj samideanoj uzi mem la Inicilon por konvinkiĝi, kiel sagace elpensita ĝi estas.

"Surmetante dek centojn,· ni havas la dekon da centoj aŭ mil.

"Nu, per tiu ĉi aparato, la infano faras nombradon 'ludante;' per aroj da objektoj similaj, ĝi akiras la ideon de nombro.

"Ni rimarku ke, samtempe, ĝi preparigas por lerni Metran Sistemon. En tiu lernado, la kubetoj de la Inicilo estas ankoraŭ tre utilaj: Nu, ĉar la unuo estas la centimetro kuba, la unuo de la dua klaso (mil) estas decimetro kuba; kaj antaŭ ol fari tiun lastan, ni faris dekojn kaj centojn da centimetroj kubaj.

"Ankaŭ oni povas studi la unuojn surfacajn per la edroj de la centimetro kaj decimetro kubaj; danke al la koloro de la kuboj, oni povas fari kvadrataraĵon, kahelaron, por studi la rilatojn inter tiuj unuoj.

"Aliparte, manuzante senĉese ĝian aron da kubetoj, kunigante ilin diversmaniere la infano akiras ideon de formo. Lamentojn diverse longajn ĝi povas uzi por konstrui paralelepipedojn. Ĝi 'vidas' la manieron kalkuli ilian volumon.

"Unuaj konoj pri aritmetiko, studo de la Metra Sistemo, elementaj konoj pri Geometrio, ... tion tutan oni povas akiri, dum ludo instrua, sen karaktero dogma, per la Inicilo Matematika. ..."

Sendante la I. M., S-ro Camescasse skribis jenan tre interesan kaj amindan leteron:

"S-ro Dauphin el la Firmo Hachette (Revuo) ĵus sendis al mi vian leteron de la 4-a de Aprilo. Plezure mi sendigos al vi unu 'Inicilon Matematikon.' Jam mi legis vian noton pri ĝi en via Januara No. Mi estos feliĉega se vi povos presi artikolon en via gazeto, ne kiel elpensinto de I. M., sed kiel amiko de infanara edukado.

"Preskaŭ tute mi legis vian numeron de Januaro, kaj plezurege rimarkis ke la ideoj viaj estas progresemaj. Nu mi povas al vi konfesi mian penson veran:

"Laŭ mi, progreso de homaro rilatas precipe al la edukado ricevita. Tiu edukado konsistas precipe el la forto iniciata de la Homoj. Homojn oni igas iniciatemaj, kapablaj pensi de si mem nur per scienca edukado — ne teĥnika, sed scienca edukado. De tiu edukado, la bazo ĉefega devas esti matematiko, necesa ĉiam, ĉiel kaj por ĉio.

"Sed en la lernejoj kun tro da lernantoj, la rimedoj, objektoj, praktikoj ne sufiĉas ĝis nun. Mi esperegas (nun mi povas diri, mi estas certa, laŭ multaj gravaj opinioj), ke mi havis sufiĉan ŝancon efektivigi tiun deziron de multegaj edukistoj.

"La sukceso estas grandega en kelkaj landoj -- ofte danke al Esperanto kaj al Esperantistoj. Pro tio mi estas ankoraŭ pli feliĉa; ĉar tiel mi utilas praktike al nia karega lingvo, ilo de frateco.

"Por la landoj, kie ne ankoraŭ estas uzata ĝenerale la sistemo Metra Dekuma, la Inicilo Matematika tre speciale utilos por akceptigi tiun sistemon; ĉar rapide ĉiuj konstatos, ke lerninte kalkuli per la kubetoj, la infanoj tuj scias, konas, ĉiujn ĉefajn elementojn de la Sistemo Metra.

"Se, de viaj amikoj (edukistoj) vi povas provigi mian aparaton, mi estos feliĉega koni la rezultatojn. (Ĉu vi povos sendi du ekzemplerojn de la gazeto, en kiu aperas artikolo?)

"En Meksikujo la sekcio eduka de la registaro okupiĝis treege pri ĝi, kaj tiu lando jam aĉetis multajn aparatojn (800 en 3 monatoj).

"La broŝuro estas tradukita (de Esperantistoj) germane, hispane, kaj serbe.

"Samideanajn salutojn de via samcelulo."



GRANDEGA KRIMO: Mi ĵus pretiĝis fari kontrakton por la konstruado de nova domo sur mia ĉirkaŭurba terpeco, kiam preterpasis amiko.

"Kion vi tiel senpripense faras?" li demandis.

Mi respondis, ke mi intencas konstrui domon.

"Ne faru tion!" li ekkriis. "Per tia ago vi fariĝus krimulo."

Mi kompreneble deziris sciiĝi kiel la konstruado de domo estas krimo.

"Mi opinias, ke estos krimo," diris mia amiko, "ĉar tuj post ke vi finos vian domon, la urbo, la provinco kaj la ŝtato vin monpunos je kvin ĝis dudek kvin dolaroj pojare pro via ago. Oni monpunadas nur tiujn, kiuj faris krimojn."

Mi ankoraŭ pripensas la aferon. Dume, mia neokupata terpeco plivaloriĝas; kaj la brikmasonistoj, la ĉarpentistoj, la dompentristoj kaj la stanistoj, kiujn mi povus dungi, ankoraŭ senefike serĉadas okupon. — Will M. Maupin, en "The Commoner." Esperantigita de James F. Morton, Jr.

## PRI KATALUNLANDO.

### MALLONGA PRISKRIBO EL BONA LETERO.*



KATALUNLANDO estas hispana regiono kiu konsistas el kvar provincoj nomataj jene: Barcelono, Tarragono, Ilerdo kaj Gerono. Estas la regiono plej riĉa, plej komerca kaj plej progresema el ĉiuj aliaj hispanaj regionoj kaj tial la registaro preskaŭ neniam plenumas kaj komplezas la bezonojn de Katalunujo dum, rilate aliajn regionojn, ĝi pli atentas; sed malgraŭ tio ĉi nia regiono vivas, progresas, sed la aliaj ĉiutage pruvas al ni ilian neprogresemecon. Tiuj regionoj tre ofte mallaŭdas la mian pro ĝia progresemeco, ĝin atakas pro ĝia prospereco, ĉar ni ne volas vivadi kiel ili. Ni sendas la Deputatejon, deputatojn bonajn, katalunanojn, kiuj, kiam oni elektas ilin, prenas sur sin la taskon defendi en la Deputatejo la aspirojn, la bezonojn de mia amata regiono, sed bedaŭrinde, spite la penoj kaj klopodoj, kiujn ili faras en la Ĉambro de Deputatoj por starigi iliajn dezirojn kaj sekve trudi ilian volon, tiuj tute ne sukcesas, ĉar la registaro kaj aliĝintaj partioj malamas katalunujon. La aliaj regionoj estas sub la jugo de la registaro, kaj iliaj deputatoj estas personoj, kiuj tute ne sin okupas je la progresado de la regionoj, kies defendon oni mendis al ili. Ho, malfeliĉa Hispanujo, se Katalunujo ne estus hispana! Eĉ ne oni konus Hispanujon en fremdlando pro la negraveco.

*Skribita de katalunano al usona amiko, kiu komplezeme sendis ĝin al ni por publikigo.

La katalunanoj deziras esti liberaj kaj ne sub ia ajn jugo; do estas ja tute ne akcepteble, ke la samaj leĝoj regu por katalunaj kiel por la aliaj hispanaj regionoj, ĉar okazas ke niaj moroj, nia raso tute malsimilas tiujn de la aliaj. Pro tiom da rezonoj formiĝis tie ĉi grava partio nomata "Kataluna Nacia Partio" kaj ĝi celas, nerektedire, starigi nian sendependecon. Al tiu partio apartenas la junularo, famaj viroj, artistoj, poetoj: unuvorte, la intelekta publiko. Mi ankaŭ estas naciisto.

Mi nun min permesos raporti al vi ion pri la nomata "nacia hispana festo." La fama festo "Bovkurado," pri kiu vi eble jam aŭdis aŭ legis, estas laŭ opinio de la plimulto da katalunanoj, sovaĝa festo, riproĉinda spektaklo, kaj pruvas mian aserton, ke en la fremdaj landoj, krom parto de Ameriko kaj Francujo, ne estas permesita simila spektaklo. En Francujo okazas ankaŭ tiaj spektakloj, sed ili tute malsimilas la nian, pro tio, ke ĝi estas pli humana. En Barcelono estas "bovkuradejo," aŭ "Placo de Taŭroj," sed ĝi ekzistas pro la grandnombro da nekatalunaj loĝantoj ĉe nia urbego kaj tiuj estas la ĉeestantoj ĉe la festoj. La hispanoj (escepte katalunanojn) amas tiel la nacian feston, ke mi kredas ke ili freneziĝus por vidi ĝin; kaj se oni nuligus ĝin, sendube ŝajnus al ili, ke oni forprenis ilian plej amatan trezoron kaj amuzigilon. Mi neniam vidis tiun spektaklon tiel malŝatindan, kaj ne estas strange ke, ne vidinte ĝin, mi tiele priskribis la feston, sed mi skribas laŭ la diroj de kelkaj amikoj miaj, kiuj estas vidintaj ĝin, kaj laŭ fotografaĵoj, kiujn mi vidis. Alilanduloj, kiam ili alvenas Hispanujon, tuj esprimas la deziron vidi nian feston, sed post kiam ili vidas ĝin, ili ja ne plu sentas la deziron revidi kaj eĉ ĝin abomenas kaj malŝatas.

## GRAVA ANONCO.

NI ĴUS decidis ĉesi la publikigadon de LA SIMBOLO je ĉi tiu numero, ĝis iu ne ankoraŭ fiksita dato, okaze ĉefe de la fakto, ke ni volas fari novajn financajn aranĝojn. Sendube niaj legantoj jam scias, ke dum neniu monato en la pli ol du jaroj de nia eldonada laboro la enspezoj iel egalis la elspezojn, kiam oni enkalkulas la valoron de la kompostado, kiun mi mem faris mane. Ni estas perdintaj grandan monsumon per la peno eldoni tian gazeton en nia lando, kie ankoraŭ la Esperanto-movado estas treege malforta. Tamen, ni ne, pro tio, havas bedaŭron; ni nur bedaŭras, ke nun la financa ŝarĝo fariĝas tro peza kaj ni estas devigataj ĝin forigi.

Al tiuj malmultaj abonintoj, kies abonoj ankoraŭ daŭras, ni sendos de la gazeto, aŭ malnovajn numerojn, kiujn ili nun ne havas, aŭ ekzemplerojn de fremdaj gazetoj je egala valoro. Al la du-tri, kiuj estas abonintoj de la unua numero, ni sendos libretojn.

Ni profunde kaj korege dankas tiujn amikojn, kiuj laŭeble subtenis la gazeton per tiuj abonoj kaj per iliaj bonaj artikoloj kaj kuraĝigaj vortoj. Espereble, iam estonte ni ree renkontos unu la aliajn.

Al niaj tre amindaj kaj karaj kolegoj de la Esperantista gazetaro, ni ankaŭ profunde dankas pro multaj laŭdindaj kritikoj kaj senpagaj anoncoj. Ni deziras al ili bonan sukceson kaj pli da povo por nia afero.

Tiuj, kiujn la afero de la Eklezio de l' Morgaŭo interesas, povas skribi al mi persone.

Adiaŭ, bonaj amikoj! Ĝis revido!

FRED RIVERS.